# REGo

 **RUSIA ESPERANTO-GAZETO** 

*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 5 (7) novembro 2001*




*en la numero:*

*rakontoj pri StRIGo-7 kaj 6-a LF*
*UK en Rusio – statistike kaj skeptike*
*kiel oni "faras la rondon"*
*kiel paroli Esperante kun sia trijara filino*
*"Bulteno de REU" kaj "REJM-info"*
*"Libra revuo" kaj literaturaj paĝoj*
*interesaj informoj, novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*

***Moskvo, 2001***



*La 10-an de novembro festis sian jubileon unu el la plej elstaraj kaj konataj aktivulinoj de rusia E-movado Irina Gonĉarova. Ne eblas supertaksi ŝian laboron por Esperanto. Ŝi estas unu el nemultaj aktivuloj, kiuj okupiĝas pri ĝi profesie, t.e. dediĉas al nia kara lingvo tutan sian tempon kaj sukcesas perlabori per ĝi monon por la vivo. Kaj la rezultojn de ŝia agado ni ĉiuj vidas – tio estas centoj da novaj gesamideanoj. Sufiĉas diri, ke la plej multnombra klubo en REU (verŝajne eĉ en la tuta lando) – MASI/FaRo – estas kreita kaj gvidata de ŝi. Kaj la 11-an de novembro havis la jubileon ŝia ĉefa kreaĵo – la filino, Svetlana Gonĉarova, unu el la plej sukcesaj denaskaj gesamideanoj. La plej karakteriza signo estas, ke ambaŭ jubileulinoj festis siajn naskiĝtagojn en E-aranĝo – StRIGo-7 en Vladimir. Korajn gratulojn al Irina kaj Svetlana en la nomo de REGo! (G.K.)*



Du helaj homoj – Ira kaj Sveta,
Faras vivon nian kvieta.
Du karaj nomoj – Sveta kaj Ira:
Estas al vi la poem' bondezira.
Du jubileoj de du belulinoj:
Mara aero en branĉoj de pinoj.
Brilo de steloj pro trilo lampira:
Ira kaj Sveta. Sveta kaj Ira...

*Oĉjo Dadaev (Moskvo)*







# RESTU ĈIAM JUNA, IRA!

Malfacilas agnoski homon 50-jara, se tiu aspektas 30-jara kaj la interna ardo estas de 20-jarulo. Tamen ni, la esperantistaro rusia, festas (do pasportan) 50-jariĝon de Irina GONĈAROVA! Ni jubileas ne tiom la aĝon, kiom la farojn, kiujn Irina sukcesis fari ĝis nun.

Mi konatiĝis al Irina en iu festeneto de Moskva E-kliubo fine de la 70-aj, oficvojaĝante Moskve. Mi eĉ dancis iom kun tiu plaĉa junulino kun tro seriozaj okulvitroj. La sekva ekvido okazis en la ĉarma Krasnojarska OrSEJT en 1979, kie Irina tiom E-aktivis, ĝis elektiĝi "Miss Esperanto". Pro iaj eraroj min oni faris "Mister Esperanto" kaj ni kundancis valson miss-misteran, kunfotiĝis kaj kunpromenis.

Tiam Irina iĝis sekretario de la Scienc-teknika komisiono, kiun mi gvidis. Sekvis afereca korespondo, ekamikeco... La kunlaboro kaj amikeco (eĉ se koresponda) evoluis rapide kaj kondensiĝis je geedziĝo.

Bona edzino ŝi estis, ankaŭ bona samideano, kunbatalanto kaj ... arda konstanta kritikanto de miaj movadaj faroj. Tiam mi ofendiĝis eĉ, sed multe pli poste mi komprenis, ke Irina tra la kritika prismo relaboris mian movadan sperton por rapide evolui je memstara movadano kun propraj vidpunktoj.

Nun malfacilas fari komplimentojn al Irina, ĉar ĉiuj laŭdaj vortoj fakte estas vero. Ŝiaj grandaj saĝo, vervo kaj laborkapablo abnegacia, konstanta iniciatemo (malfacile troveblaj ĉe sama homo) fundamentas nun la moskvan E-movadon kaj REU-laboron. Kaj ILEI, kaj AIS (San Marino), kaj Roslavlj, kaj StRIGo, kaj BeLego...

Kiu kapablas ĉe bezono labori por la movado de mateno ĝis mateno sen paŭzoj? Mi konas tia nur Irina Gonĉarova.

Somere 2000 ĉe kunveno de aktivuloj en IvERo (apud Ivanovo) ties ĉeforganizanto, Tanja Loskutova demandis ĉiujn: "Kial vi ĝis nun ne forlasis E-movadon?". Estis tre interesaj kaj diversaj respondoj. Sed mi memoras tiun de Irina: "Mi sentas min en la movado kvazaŭ mi sidas en ovoŝelo – estas al mi varme, komforte kaj agrable. Mi estas en mia medio... Sed jen mi elŝovas la kapon el la ŝelo kaj vidas kio okazas ĉirkaŭe... Mi teruriĝas, mi rapide reenoviĝas. Kaj denove mi spertas varmon kaj agrablon. Kial mi forlasu tion?"

Irina aspektus neplena virino, se ne vidi apudan filineton Sveta. Dronante en E-laboro, Irina (k)iel(?) sukcesis doni adekvatajn edukon kaj servojn al sia kreskanta filineto. Kaj tio sen helpo de la malinda eksedzo, fuĝinta translokiĝe Siberien...

Mi bedaŭras tiam forlasi Irinan post la kvinjaraj kunfarto kaj kunsalo kaj pli grave eĉ kunesperantumado. Tiam mi stulte ne komprenis ke la familio kaj amo povas esti ne nur kunrajdaj, sed ankaŭ memstaraj rajdantoj. Tiam mi volis ĉeni ŝian amon al mia familia kaleŝo. Sed tio ja ne eblas, finmeditis mi jam profunde en Altaj-montaro, ĉu en mia kurbtalia kabano ĉu sur montopintoj.

Do, miajn pardonpetojn kaj gratulojn al vi, Irina! Restu vi ĉiam komforta kaj ĝuanta en via-nia verda ovo! Restu ĉiam juna!

***Anatolo Gonĉarov (Sankt-Peterburgo)***

***Al mia filineto – okaze de ŝia 20-jariĝo***

Mia filineto
Kun la nomo Sveta,
Kun la nomo luma
De mia patrin'!
Via jubileo –
Mia jubileo –
Daŭro kontinua
De la viv' sen fin'.

Mia hela suno,
Mia nuna juno,
La varmig' aŭtuna,
Ĝojo kaj fier',
Pens' realiĝinta,
Rev' de l' sonĝ' estinta,
La mirakl', veninta
Al ravita ter'.

Iru propran vojon,
Ĝuu vian ĝojon,
Studu lecionojn
En lernej' de l' viv'.
Realigu pensojn
De la bonintencoj –
Kaj por vi aperu
Nova perspektiv'.

***Irina Gonĉarova***




## StRIGo-7 KUNVENIGIS 90 PERSONOJN

Studa Renkontiĝo de Iniciatema Generacio ĉi-jare okazis en Vladimir. Al ĝi venis ĉ.90 personoj, ĉefe el Moskvo, sed ankaŭ el Peterburgo, Permj, Ivanovo, Niĵnij Novgorod, Lipeck, Dimitrovgrad, Uljanovsk kaj aliaj lokoj. En la renkontiĝo partoprenis ankaŭ kelkaj novuloj de E-kurso, kiun okazigas nun Viktor Vasiljev – nova prezidanto de la renaskiĝanta Vladimira E-klubo. La programo estis laŭ pluraj atestoj sufiĉe bona, sed la ejo mem ne tre konvenis. Unu el ĉefaj eventoj estis festado de la jubileo de Irina Gonĉarova – la motoro de StRIGo kaj elstarega aganto de la landa E-movado.

***Andrej Grigorjevskij (Ivanovo)***

## SAĜA BIRDO – MIRINDA StRIGo

Mi ĵus revenis el Vladimir, kie okazis jam la sepa junulara aranĝo StRIGo. Tiel StRIGo iĝis mia la plej ofte vizitata E-aranĝo – mi partoprenis en ĝi jam la trian fojon (en OkSEJT, ekz., nur unufoje). Ĉu hazarde? Apenaŭ. Plej verŝajne StRIGo estas mia plej ŝatata kaj *pro tio* plej vizitata aranĝo. Mi provu trovi kialojn de tia ŝato ĉi-sube.



Unue, mi ŝatas la etoson de MASI-FaRo-klubo (kiu estas interalie la unua klubo en nia lando, kiun mi iam kontaktis el la senesperantista Vladikavkaz). Mi havas multajn novajn kaj malnovajn amikojn inter MASI-anoj, kaj ili estas tre karaj por mi. Due, StRIGo ĉiam okazas en novembro. Mi malamas aŭtunon, ĝi ĉiam deprimas min. Kaj mi vere bezonas ion gajan kaj revivigan en la sezono de totala velko kaj malvarmiĝo. Trie, StRIGo tre kongruas kun mia vidpunkto al la Lingvo kaj la Movado. Nome, la aranĝo aplikas Esperanton por lerni ion novan (ne nepre pri Esperanto mem), por kompreni ion pri interhomaj rilatoj ktp. Kaj StRIGo ankaŭ sentime riskas inviti tiom da "startuloj", kiom ĝi povas digesti (foje eĉ iom pli, vere). La kvanto de moskvaj startuloj kaj komencantoj, kiuj ĉiujare aperas en StRIGo dank' al Irina Gonĉarova, vere impresas.



La organizantoj ĉiam sukcesas trovi iun interesan (foje eĉ mistikan) "najlon" por sia aranĝo: en Kostroma estis neforgesebla "inico", en Ivanovo – Heloŭino, ĉi-jare – subite aperintaj en la centra koridoro "blankaj homoj"...

Mi ne memoras seninteresajn temojn de StRIGo. "Viro kaj virino – du seksoj, du mondoj", "Kluba vivo", io pri partnereco kaj interhelpo kaj jen ĉi-foje "Homo kaj lingvoj ajnaj krom etnaj". La lasta temo eĉ ebligis min esti valora por la aranĝo –

krom kursoj de Esperanto mi prelegis pri du neetnaj lingvoj: XHTML (marklingvo por krei interretajn paĝojn) kaj Toki Pona (amuza piĝineca lingvo, kiun "arte faris" kanada esperantisto Kristjan Riŝar (Christian Richard)). Certe okazis ankaŭ aliaj promesitaj programeroj: danckursoj, psikologiaj trejnadoj, solvado de lingvistikaj taskoj, diskutrondo pri denaskeco ktp. La plej elstara programero estis la naskiĝfesto de Irina Gonĉarova – granda festeno kun tortoj kaj profesia blovorkestro.



Dum ĉi StRIGo mi ĝuis nevirtualan konatiĝon kun du lernantoj de Esperanto-kurso ĉe YahooGroups.com: Nikolaj Smolak kaj Ajvol. La lasta (iom malpli konata kiel Aleksandr Sigaĉov) respondecis pri informado kaj fakte sukcesis fondi novan skolon de dumaranĝa informado – sen laŭtbasaj informoj en la stilo de Dadaev/Kokolija/Grigorjevskij.

Ĉi-jare iom plialtiĝis la lingvonivelo de StRIGo. Mi supozas, ke tio okazis dank' al plia kvanto da lernemaj komencantoj/startuloj, dank' al la Lingva komisaro (Oleg Izjumenko), pro ĉeesto de pli multaj fluparolantoj ol la antaŭan jaron, pro pli longaj, pli oftaj kaj pli interesaj Esperanto-kursoj.

Dum la lasta StRIGo min vere ravis la multeco de novaj Esperantaj nomoj, kiujn prenas la novaj moskvanoj. Knabinoj Siringo, Kreski, Ripeti, knaboj Unuel, Laci kaj aliaj – mi eĉ ne eksciis iliajn originajn nomojn. Kaj bone estas, ke ne, ĉar mi havas malbonegan memorkapablon por stereotipaj nomoj – nur vere unikajn mi memoras longe. Estus bone, se la tradicio iĝus landskala – des pli, ke ĝi instigus komencantojn lerni novajn maloftajn vortojn: ekzemple se via amikino nomiĝus Pruno, Galanto aŭ Melongeno, vi neniam dubus pri la signifo de la vorto.

***Slavik Ivanov (Sankt-Peterburgo)***

---

Kiam dum la registriĝo mi plenigis enketilon, tie estis demando pri la kvanto da partoprenitaj StRIGoj. Kaj mi notis al la homoj ĉeestantaj, ke "ŝajnas, estas nur du homoj, kiuj povas substreki ĉiujn StRIGojn – ekde la 1-a en Smolensko ĝis la plej freŝa, la Vladimira, – Ira kaj mi". Kaj ni povas vidi la diferencojn, kompari. Sed mi ne komparu. Pri la programo oni povas ekscii el la informletero: mi nur diru, ke ĝi estis realigita. Pri la lingvo tie: ĝi sonis. Kiu volis, tiu parolis – kaj ĝuis tion. Pri psikologio... Iu knabino el Ĉeboksari iam konfesis, ke Esperanto estas kiel granda psikoterapiisto. Temas ĉefe ne pri la lingvo (kiu, tamen, ankaŭ iel-tiel influas), sed pri la medio. Jes, kiel mi vidis, homoj kreskis, homoj ŝanĝiĝis (tiuj, kiuj pretis akcepti tion). Pri la movado: ŝajnas al mi, ke kreskas ankoraŭ kelkaj bonaj aktivaj gejunuloj, nova generacio de ne nur partoprenantoj, sed ankaŭ organizantoj. Ĉefe reaktiviĝas nun Moskvo pro la aktiva agado de Ira Gonĉarova kaj ŝia MASI/FaRo. Nia MASI/FaRo. Tiu klubo, kiu organizis ĉiujn, ankaŭ tiun ĉi StRIGon...



***Oĉjo Dadaev (Moskvo)***

# 6–a Lingva festivalo en Ĉeboksari

La 20-21-an de oktobro en Palaco de Kulturo kaj Pedagogia Universitato en Ĉeboksari sukcese pasis la 6-a Internacia Lingva Festivalo. Ĉi-jare la Festivalo okazis kun la financa subteno de la Komitato pri junularaj aferoj de Ĉuvaŝa Respubliko kaj Departamento pri junulara politiko de Ministerio pri edukado de Rusio.



Ĉirkaŭ 1500 gejunuloj venis por partopreni en la Festivalo. La averaĝa aĝo estis 16-18 jaroj. Estis prezentitaj 40 lingvoj. Enkadre de la Festivalo okazis konkurso pri lingvistiko kaj kvizo "Ĉu vi scias?", ekspozicioj de infanaj pentraĵoj kaj "Vojaĝo al la lando de ABC".

Por partopreni en la Festivalo al Ĉeboksari venis delegacioj el la urboj Kudimkar, Joŝkar-Ola, Uljanovsk, Moskvo, Niĵnij Novgorod, Kazanj, Dimitrovgrad, Ĵukovskij kaj reprezentantoj el la landoj Norvegio, Belgio, Ukrainio, Ĉinio.

Ĉi-jare la organizantoj sukcesis ankaŭ prepari la atributojn de la Festivalo, estis faritaj 300 insignoj kaj 20 T-ĉemizoj kun la simbolo de Lingva Festivalo.

***Katja Burmisova (Ĉeboksari)***

## ATENDATA SUKCESO

La 6-a Internacia Lingva Festivalo iĝis vere rimarkinda evento en la vivo de Ĉuvaŝa respubliko. En la organizado partoprenis studentoj-eksterlandanoj el landoj de Azio kaj Afriko, volontuloj de Paca korpuso (Usono, "the Peace corps"), membroj de JEAĈR, lokaj reprezentantoj kaj niaj gastoj el aliaj landoj kaj aliaj urboj de Rusio. La honoraj gastoj de nia festivalo estis: Bertrand Menciassi (Belgio, reprezentanto de Eŭropa Buroo de malpliuzataj lingvoj), Meĥdi Sanai (Iran, gvidanto de Kultura reprezentejo ĉe ambasado de Irano), Erik Juzikajn (Rusio, ministerio pri kulturo kaj internaciaj rilatoj de Respubliko Marij El), Julija Meljnikova (Ukrainio, komitatanino de lingva festivalo "Planedo" en Berdjansk), Stean Ĥaklev (Norvegio, membro de Norvega Junularo Esperantista) kaj Wang Huai Yu (Ĉinio, membro de Ĉina Esperanto-Ligo). Venis ankaŭ la partoprenintoj de la lingvistika projekto "Indiĝenaj dialogoj" el Marij El kaj Komi-Perma aŭtonoma distrikto.




La novaj lingvoj de ĉi-jara festivalo estis la havaja (Usono, Havajo), maoria (Nov-Zelando), svahila (Kenio) kaj ĉeĉena (Rusio, Ĉeĉenio). La plej grandan popularecon havis

prezentaĵoj de la havaja kaj araba lingvoj. Vizitintoj de tiuj prezentaĵoj povis gustumi manĝaĵojn de havaja kuirarto kaj rigardi la araban "dancon de ventro". Certa ornamo de la festivalo estis koncerto de la grupo "Universalija" speciale invitita el Niĵnij Novgorod. La kreado de tiu grupo estas tre interesa, ĉar ilia muziko estas monumento de Frua Mezepoko, kiu estis la epoko de unueco de eŭropa kulturo de Dnepro ĝis Atlantiko. Krome, dum la fermo de la festivalo okazis internacia koncerto, en kiu estis prezentitaj al vasta publiko kantoj, dancoj kaj muziko de diversaj popoloj.



Laŭ mia opinio tiu lingva festo kontribuis al la celoj de internaciaj rilatoj kaj Esperanto-movado en nia respubliko. Kaj mi estas certa, ke post ĝi nia JEAĈR pliigos sian kvanton de membroj per komencantoj.

Tial mi volas danki tiujn homojn, kiuj organizis kaj helpis tiun gravan aranĝon. Unue grandan dankon al niaj samideanoj-eksterlandanoj Wang Huai Yu kaj Stean Ĥaklev. Poste mi volas diri grandan dankegon al niaj amikoj-esperantistoj el aliaj rusiaj urboj – Aleksej Besĉastnov, Aleksandra Sudakova, Vitalij Malenko kaj Ruŝana Aĥmetgareeva – pro ilia efektiva helpo. Ankaŭ mi volas rimarki grandan kontribuon al la organizado flanke de niaj gemembroj Aleksandra Fedotova, Jekaterina Burmisova, Olesja Oŝĉepkova kaj Danil Kapitonov. Vere, sen ilia laboro la festivalo ne povus okazi. Kaj certe mi volas danki ĉiujn JEAĈR-anojn pro ilia konstanta helpemo, vigleco kaj amikeco!

***Viktor Nosov (Ĉeboksari)***

## PRI LA FESTIVALO LINGVA

Oni scias, ke dum la 20-a kaj 21-a de oktobro en Ĉeboksari okazis la 6-a ĉiujara Lingva Festivalo. Per sia vasta skalo ĝi fariĝas pli kaj pli populara. Alivorte, ĝin ekkonas pli da homoj. Jam oni scias pri ĝi en multaj landoj.

En la Festivalo ankaŭ mi partoprenis kiel instruanto de la pola, jam la trian fojon, sed estas domaĝe, ke mi prezentis la lingvon sen gasto el Pollando. Asistis al mi dum la prezentado de la pola mia amiko. Lia nomo estas Pavel. Ankaŭ li kiel mi hobias pri fremdaj lingvoj kaj lernas ilin. Tiuj estas la angla kaj la sveda. La pasinta aranĝo al ni plaĉis ege. En la sekva festivalo de lingvoj ankaŭ Pavel mem ŝatus partopreni kiel instruisto de la sveda kun sia amiko el Svedio.



Dum du tagoj de la Festivalo ni vizitis prezentojn de Esperanto, angla, sveda, norvega kaj germana lingvoj. Ĉie estis interesege! Ekzemple dum la prezento de la germana ni ekkonis multe da novaĵoj pri germana lando Bavario, ties kulturo kaj bavara lingvo. Pri ĉio rakontis al ni juna germanino pere de tradukistino.

En la lastaj frazoj de mia rakonto mi ŝatus diri ke la Festivalo sukcesegis. Dankon al

ĉiuj, kiuj havis al ĝi iun rilaton. Mi esperas ke similaj eventoj pli multe kontribuos por fortikigo de l' mondpaco.

***Loj Timle (Ĉeboksari)***

## ĈINA LINGVO – PER ESPERANTO




La 6-a Internacia Lingva Festivalo en Ĉeboksari estis tre bone organizita, mi tre miras, kiel junaj esperantistoj sukcesis jam 6-foje organizi la Festivalon. Pli ol 26% da partoprenantoj de la Festivalo vizitis miajn prezentojn pri ĉina lingvo kaj Ĉinio. F-ino Jevgenija Ŝlikanova preskaŭ ĉiam ĉeestis por traduki de Esperanto al la rusa. 13 personoj aliĝis al la kurso pri ĉina lingvo, rezulte nun 7 fraŭlinoj serioze ĝin lernas. Inter ili estas 3 esperantistinoj, unu el kiuj, Nadja Ĥaritonova, tradukas de Esperanto al la rusa, kvankam mi povas instrui rekte en la rusa, sed mi preferas fari tion per Esperanto.

La lingva Festivalo estas tre bona sceno por disvastigi E-on. Post la Festivalo ĉarma f-ino Olga Ivannikova invitis min al sia instituto, mi prelegis pri ĉina lingvo kaj ĉina kulturo. Mi parolis Esperante, ŝi tradukis al la rusa, faris tion tre gaje kaj amuze, aŭskultantoj konstante ridis.

Jen, vidu, esperantistoj ĉiam estas malfermitaj kaj propagandemaj. Kaj fine mi volas danki la ĉeboksarajn gesamideanojn, kiuj estas tre kapablaj kaj agemaj.

***Wang Huai Yu (Soĉi)***

## … KAJ EN IVANOVO



*Ivanova E-klubo somere kun siaj diverslandaj gastoj*

Jam la 3-a Lingva Festivalo okazis en Ivanovo la 17-an de novembro en la 21-a lernejo-liceo. La festivalon ĉeforganizis Ivanova E-klubo. Estis prezentitaj 24 lingvoj kaj 3 apudlingvaj aferoj, partoprenis ĉ. 300 personoj. Ĉi-jare la Festivalo estas parto de kelkmonata tuturba programo, dediĉita al la Eŭropa Jaro de Lingvoj. Enkadre de tiu programo okazis la 1-a Lingva Foiro (prezentoj de lingvaj kursoj), kiun organizis Ivanova junulara E-teamo kaj pluraj ne-E-aj aranĝoj. La sama teamo okazigis ankaŭ mini-festivalon, kiu sukcese pasis en la 32-a lernejo de la urbo. Krome, fine de novembro en unu el ivanovaj alt-lernejoj okazos plurlingva koncerto, en kiu partoprenos ankaŭ niaj E-kantistoj.

***Andrej Grigorjevskij (Ivanovo)***

## VIDPUNKTO DE ORGANIZANTO




Jes, OkSEJT okazis malgraŭ duboj pri ĝia ĝenerala okazigo kaj kapabloj de la junularo. Jes, ni faris tion! Multflanke ĝi estis neordinara – kaj pro la antaŭtendara preparado, kaj pro la kondiĉoj, ankaŭ pro la programo kaj multaj novaj kaj aktivaj gejunuloj. Sed ni rigardu iom reen.

Kiam oni entreprenas organizi iun aranĝon, necesas pensi pri multaj aferoj: Kio? Kie? Kiam? Kiu? Ni provu respondi al tiuj demandoj rilate OkSEJT-on.

Kio? Do, estas OkSEJT – Okcidenta Somera (iam Sovetia) Esperantista Junulara Tendaro – ĉefa aranĝo de REJM.

Kie? Pri la loko: iĝas pli kaj pli malfacile trovi la taŭgan ejon, kiel ni trovis ĉi-tendaran? Jam septembre 2000 Jurij Karcev prezentis al REJM-komitato kelkajn variantojn en Uljanovska regiono, kaj la komitato aprobis proponon pri bazejo malgraŭ granda financa risko (ĉar ni devus pagi al la bazejo konkretan sumon sendepende de la kvanto de partoprenontoj), sed IAL la kontrakto kun la bazejo ne estis subskribita kaj la afero daŭris ĝis la printempo. Ŝajne, jam aŭtune, kiam el Uljanovsk forveturis la ĉefa puŝantino, komencis aperi duboj pri kapabloj kaj emo de la lokaj organizantoj, kelkaj plendis ke tute ne estas informataj pri stato de la aferoj. Tiam REJM-komitato voĉdonis ke OkSEJT okazu NE en Uljanovska regiono kaj ... komenciĝis maratono inter dudeko da diversaj bazejoj en Vladimira, Ivanova, Rjazana kaj Kostroma regionoj. Jen – venu morgaŭ, jen – ĉiuj bazejestroj postulas medicinajn certigilojn de ni ĉiuj, ĉar sen ili oni ne rajtas eĉ troviĝi en la teritorio, jen lastmomente oni rifuzas ĉar ... ni estas neseriozaj homoj pro tio ke serĉas malmultekostajn variantojn kaj petas surplankan vivon kaj apartajn manĝojn. Sed dank' al klopodoj de multaj personoj (mi tre dankas ĉiujn) kaj ĉefe Lena Alopina aperis tiu mirakla bazejo apud Kovrov (Vladimira regiono) – kun kondiĉoj kiujn OkSEJTanoj jam delonge ne spertis (laŭ opinio de kelkaj ĝi estas pli bona ol IJK-ejo en Serovo). Kiam ĝi aperis, ni eĉ ne povis kredi – ĉar ĝi kongruis kun tio pri kio ni revis. En Ivanovo ni sidis kaj sorĉis: estu bonegaj kondiĉoj malmultekoste, estu akvo (rivero, lago kaj baseno), estu agrablaj homoj en la bazejo, bongusta manĝo, pinoj kaj betuloj samtempe, kaj benkoj en koncerta halo por ne ekdormi. Kaj ĉio evidentiĝis ĝuste tia!



Kiam? Julie-aŭguste. Aŭgusto evidentiĝas pli alloga pro multaj kialoj: oni revenas de eŭropaj renkontiĝoj, jam estas pasintaj studentaj juni-juliaj ekzamenoj, multaj bazejoj estas pli liberaj kaj disponigeblaj (ni povas esti solaj). Malavantaĝo: ne ĉiam bonas la vetero.

Kiu? Jes, kiu faru? Certe, aktiva junularo kaj tiu kiu sentas sin juna! Same kiel pasintjare OkSEJT-on kunorganizis Ivanova junulara klubo "Teamo", sed estus tre bone se estonte tio estu interurba teamo, bona ekzemplo de ĝi – OkSEJT-39 (Tiĥvin). Ege entuziasmigas apero de novaj kaj interesaj aktivuloj, espereble iam ili mem organizos OkSEJT-on kaj ne nur...

Ankaŭ la programo rezultiĝis nekutima: historian kaj seriozan temon prezentitan amuzkaj lud-forme multaj el ni facile digestis kaj entuziasme partoprenis.

Jen rezulte:

Kio? OkSEJT-41.

Kie? Kovrov, Vladimira reg.

Kiam? 16-26.08.2001.

Kiu? REJM, Ivanova junulara E-klubo "Teamo" kaj multaj aktivuloj, dank' al kiuj OkSEJT estis tia kia ĝi estis...



Kelkaj statistikaĵoj: oficiale partoprenis 129 esperantistoj + 6-7 neregistritaj vladimiranoj + 3 gastoj (el VGIK) = ĉ. 140.

Estis reprezentantoj el 5 (6) landoj: Rusio, Ukrainio, Ĉinio, Senegalo, Litovio (Germanio).

Laŭurbe: Ivanovo kaj Moskvo – po 30, Apudmoskvo – 6, Ĉeboksari – 15, Novoĉeboksarsk – 5, Jelec kaj Lipecka reg. – 6, Krasnojarsk – 5, Dimitrovgrad – 4, Severodvinsk – 3 (fakte 4), Volgograd – 3, Jaroslavlj – 2, Roslavlj (Smolenska reg.) – 2, Tomsk – 2, Vladimira reg. – 2 , po 1 el Arĥangeljsk, Puŝkin (Leningrada reg.), Tiĥvin (Leningrada reg.), Smolensk, Taganrog, Soĉi, Uljanovsk, Samara, Niĵnij Novgorod, Permj, Uralskij (Perma reg.), Vilnius (Litovio), Dakar (Senegalo), Ĥarkiv (Ukrainio).

Tre mirinda kaj ĝojiga novaĵo – ĉi tendaron partoprenis pli da knaboj ol knabinoj: 65 kontraŭ 64!

Nun jam tempas pensi pri sekva OkSEJT:

Kio? OkSEJT-42.

Kie? Niĵnij-Novgoroda reg.

Kiam? Ankoraŭ ne estas difinitaj datoj.

Kiu? REJM + E-klubo de Niĵnij Novgorod "Ĉapelo".



Kaj fine alvoko al vi ĉiuj: kiel vi pensas, ĉu eblas ke OkSEJT okazu en la sama loko (temas pri Kovrov), kie la estro favoras al ni kaj jam pretas subskribi la kontrakton por la sama periodo (post la 15-a de aŭgusto) aŭ tamen ni ŝanĝu la bazejojn (urbojn) kiel kutime. Tio plifaciligus la taskon de organizontoj kaj proksimigus nin al ankoraŭ unu IJK en Rusio!

Proponojn (kaj sinproponojn por OkSEJT-oj en 2003, '04, '05), rimarkojn bv. sendi al Natalja Grigorjevskaja, ul.Smirnova 87-16, 153034 Ivanovo, aŭ rete al <rejm@esperanto.msx.ru>.

***Natalja Grigorjevskaja,***
*prezidanto de REJM kaj teama kunordiginto de OkSEJT-41*

# Estontaj aranĝoj




Tradicia 21-a Rusia Esperantista Kongreso (REK) kun la AntaŭKongresa Seminario (AKSo) okazos inter 09-16.12.2001 en antikva rusia urbo Kostroma, kiu prepariĝas al sia 850-jara jubileo. Kelkjan detalojn pri la programo de REK kaj AKSo vi povas legi en la lasta kovrilpaĝo de tiu ĉi REGo. La Kongreso devas fariĝi vera forumo de ĉiuj aktivaj esperantistoj en la lando. Dank' al ricevita de la urba administracio subvencio la organizantoj povos pagi rekompencojn al la programkontribuantoj. Se vi volas havi pli detalajn informojn pri la programo aŭ loko de la aranĝo, bonvolu kontakti la respondeculojn:

***Garik Kokolija (Moskvo) – h.t. (095) 5677007, retadreso <garik@mitino.ptt.ru>.***
***Aleksej Kuznecov (Kostroma) – of.t. (0942) 311880, retadreso <ka2pink@iname.com>.***

***

## EOLA-14: RENESANCO

*Ni renkontiĝos post tri vintraj monatoj (longaj kaj neĝaj, frostaj kaj festplenaj); komenciĝos printempo kaj mi diros al vi: kolorigu ni diverskolore la mondon, kiu iĝis blank-nigra post longa vintro; plonĝu ni en pasintecon kaj foliumu la plej bonajn foliojn de la historio!*

### *Ni invitas vin al EoLA – al epoko de Renesanco!*

Festivalo EoLA-14 ĉi-jare okazos en Ĉeboksari, ĝi estos iom nekutima, ĉar ĝi havos la temon: Renesanco.

Ni ofte parolas pri tio, kio povas kunigi homojn: lingvo, kulturo, arto.

Renesanco – estas birdo **Fenikso**, kiu naskiĝis el cindro de mistera mezepoko. Renesanco – estas novaj ebloj por homo kaj impeta evoluo de scienco. Ne plu ekzistas la juĝo de inkvizicio, homo egaliĝas al Dio, nun li kapablas flugi.

EoLA-14 invitas vin al tradicia Arta Festivalo, kie vi povos aŭskulti konatajn kaj nekonatajn bardojn, konatiĝi kun arto de riĉa kaj mistera epoko. Vi povos iĝi vaganto aŭ menestrelo, ekscii kiel oni verkis versaĵojn en la 15-a jarcento, kiun kunvenigis la Festo dum la Pesto, kaj malkovri misteron de la filozofia ŝtono.

Nia konatiĝo kun Renesanco estos mallonga, sed dum tiuj 72 horoj vi povos konatiĝi kun la teatro de Ŝekspiro kaj Komedio de situacioj de Lope de Vega, ankoraŭ foje provi diveni la misteran rideton de Ĝokonda kaj ekscii kiam venos la mondfino laŭ la gravuraĵoj de Dürer kaj pentraĵoj de Bosĥ.

Vin atendas artaj salonoj: muzika, teatra, arta kaj danca. Vi neniam sukcesos forgesi **Venecian Karnavalon** – paradon de maskoj, kie egaleco regas la balon, ĉar etendiĝas diferenco inter la reĝino en la masko de Arlekino kaj servistino en la rolo de Pjero.

Horloĝo montras 12.00 nokte. Kaj jam venis tempo por disiĝi, sed, forirante, ne forgesu lasi la pordon malfermita – eble petolema malgranda miraklo ne volos disiĝi de vi kaj memorigos al vi pri belegaj idealoj kaj nerealigeblaj revoj de la homoj, kiuj vivis dum la epoko de Renesanco. Eble vi komprenos, ke kapablas efektivigi ĉion pri kio revis tiuj homoj.

***Organiza Komitato de EoLA-14***

**ZAMENHOFA SEMAJNFINO en Kaliningrad.** Post longa paŭzo 15-16.12.2001 en Kaliningrad (iam Königsberg, Prusujo) denove okazos esperantista aranĝo. La Zamenhofan Semajnfinon en la plej okcidenta ruslanda urbo kunorganizas "La Ondo de Esperanto" kaj la renaskiĝanta E-Klubo "Sukceno". La programo enhavos, inter-alie, prelegon de Aleksander Korĵenkov "Zamenhof kaj liaj ideoj", publikan prezenton de la verkoj premiitaj en "Liro-2001", malfermon de Internacia Fotoekspozicio, ekskursojn k.a. La organizantoj NE kolektos kotizojn. Pliajn informojn petu rete ĉe <sezonoj@yahoo.com>.

***

La tradicia aranĝo **BET-38 (Baltiaj Esperanto-Tagoj)** okazos de la 7-a ĝis la 14-a de julio 2002 en Riga. Pliajn informojn kaj la aliĝilon eblas peti de la Organiza Komitato (p/k 150, LV-1050, Riga, Latvio; retadreso <esperolat@e-apollo.lv>). **Venu al la 800-jara Riga por interŝanĝi kulturajn valorojn!**

***

La **5-a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso** okazos en Verona, Italio inter 23-28.08.2002. La ĉeftemo de la kongreso estas "Efektiva lingva egaleco: rajtoj de la eŭropanoj". La aranĝo estas oficiala kunveno de Eŭropa Esperanto-Unio (EEU), sed kompreneble ne nur la reprezentantoj de la ano-asocioj rajtas partopreni en ĝi. Okazos dum la kongreso komitatkunveno de EEU. Oni povos ĝui diversajn interesajn prelegojn pri la ĉeftemo kaj pri la temoj, kiuj estas gravaj kaj interesaj por homoj, kiuj vivas en Eŭropo. Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe: Verona Esperanto-Grupo, CP 1616, IT-37100 Verona, Italio; rete <esperantoverona@adriacom.it>.

***

La **54-a Kongreso de IFEF** (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) okazos 1-7.06.2002 en Plovdiv, Bulgario. Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe: LKK de 54-a IFEF-Kongreso, Centra Poŝto, p/k 455, BG-4000 Plovdiv, Bulgario; la retadreso de LKK estas <bdz-intrel@bbf.bg>.

***

La Organizantoj de REJo (**Renkontiĝo de Eŭropa Junularo**, kiu okazos 1-7.07.2002 apud Kijivo, vidu detalan informon en REGo № 4(6)) proponas eĉ pli favorajn kondiĉojn por la partoprenantoj: pro ĉiu veninto el Okcidenta Europo dank' al via aktivado vi ricevos 25%-an rabaton kaj por 3 – senpagan partoprenon en la kategorio 4-lita ĉambro. La samon, sed pro ĉiu veninto el Orienta Europo vi ricevos 20%-an rabaton kaj por 4 – senpagan partoprenon. Estas sola kondiĉo – la invitatoj aliĝu ne al la kategorio "Amasejo"! Krome, se iuj el vi montros enorman aktivecon kaj dank' al via aktiveco venos pli ol estas menciita, tiam ni povas trakti kompenson de viaj vojelspezoj! Aliajn informojn eblas vidi ĉe <www.esperanto.kiev.ua>. ***(OK)***

Pasaĝero de taksio decidis demandi ion al la ŝoforo kaj alvoke frapetis lian ŝultron. La ŝoforo terure ekkriis kaj perdis la stiradon. La taksio preskaŭ karambolis kontraŭ iu buso, surveturis la trotuaron kaj haltis nur 3 cm for de vendeja vitrino. Post sekunda silento, la taksiisto raŭke diris:
– Hej, kompano, ne plu ŝercu tiel. Mi preskaŭ mortis pro la timo...
La pasaĝero pardonpetis kaj diris, ke li eĉ ne povis imagi, ke neforta frapeto tiom timigos lin. Sed la ŝoforo rimarkis:
– Fakte vi ne kulpas... Simple hodiaŭ estas mia unua tago kiam mi stiras taksion. Antaŭe mi dum 25 jaroj veturigis kadavro-aŭton!

## STATISTIKE KAJ SKEPTIKE

**Ĉu ni jam transiris la Rubikonon?** En la kunsido de UEA-Komitato en Zagrebo la Prezidanto de REU, laŭ liaj propraj vortoj, "anoncis pri la intenco" organizi Universalan Kongreson en Rusio. Lige kun tio trudiĝas demando: kiu instanco de REU formulis la menciitan intencon? Nia supera organo – la Konferenco tiun demandon ja ne traktis. Ĉu eble la Estraro? Inter ties decidoj oni povas legi nur la jenan de 18-19.08.01: "UK en Rusio: prepari kaj dissendi en septembro informleteron pri ĝi ..." Pri ĝi – pri kio? Se temas pri la nura aerŝvebanta ideo, tio apenaŭ trovus seriozan subtenon flanke la leter-adresatoj. Sed se la afero estas prezentata kiel jam sankciita projekto, tiukaze devus esti pli frua decido kun klara vortumo, ke REU efektive subtenas tiun ideon, lanĉitan en OkSEJT-40 (Ivanovo, 2000). Tamen estas vane serĉi tian eron inter la antaŭaj estraraj decidoj, publikigitaj en REGo.

Se reveni al la alvoko de OkSEJT en la starta numero de REGo, oni trovas tie: "Ni proponas ... dum Rusia E-Kongreso en St.Peterburgo en marto 2001 pridiskuti kaj decidi, ĉu ni pretas por inviti al nia lando Universalan Kongreson...". Efektive, en REK-20 oni vigle diskutis pri la ideo, sed firma konkludo, jesa aŭ nea, ja ne estis oficiale fiksita. La kongresa rezolucio: "... rekomendas al la Estraro de REU esplori la eblecon ..." – lasis la demandon malfermita. Kaj ni povas, post pli ol duonjaro, demandi al la Estraro: Kion do vi esploris? Kia estas la rezulto de via esploro? Ĉu tiu esploro ĝenerale okazis? Se ne – kial? Se jes – kial ne estas publikigitaj la konkludoj? Aŭ eble la menciitaj anonco en la Komitato de UEA kaj la dissendota (aŭ jam –ita?) informletero estas eroj de la ankoraŭ daŭranta esploro? Se tiel, indus ke la Prezidanto kaj la Estraro klarigu tion senambigue.

**Kelkaj "ĉu" (ne de J.Valano).** Kiel ajn, rezulto de la estrara esploro dume ne aperis. Tial mi kuraĝas iniciati ion similan al alternativa esploro. Por distanciĝi de emoci-surfacaj esprimoj, similaj al "Ho, kiel bele estus, se UK okazus en Rusio!", mi proponas jenajn konkretigajn demandojn, kiuj povus servi kiel kadro por eventuala diskuto:

1) Ĉu jam proksimas vico de Rusio por organizi UK-on?
2) Ĉu Rusio estas taŭga lando por gastigi Universalan Kongreson?
3) Ĉu REU maturiĝis por organizi UK, vidpunkte de la pozicio de Esperanto en la lando?
4) Ĉu REU disponas por tio materialan bazon kaj necesan homan potencialon?
5) Ĉu nialandaj E-aktivuloj estas adekvate respondecemaj fronte al tia serioza tasko?

Ĉar "iniciato punendas", mi prezentu en ĉi tiu artikolo (kaj eventualaj pluaj) mian vidpunkton, kompreneble subjektivan, pri tiuj demandoj. Do, komencu mi de la unua.

**Kiu kiom atendis?** Decidante pri okazigo de UK en certa lando, la Estraro de UEA konsideras plurajn argumentojn, inter kiuj povas esti, precipe se ekzistas rivalaj invitoj, ankaŭ la jena: la respektiva Landa Asocio jam longe atendis, kaj nun venas ĝia vico. Por kompreni, ĉu tiaj vortoj estus proksimtempe direblaj pri REU, mi faris statistikan analizon de ĉiuj UK-oj postmilitaj – de 1947 (pli frue estis organiza dueco UEA-IEL) ĝis 2003 (la lasta, kies loko estas jam konata). Al ĉiu UK en tiu diapazono oni povas atribui *atendoperiodon* – la kvanton de jaroj, pasintaj ekde la lasta UK en la sama lando aŭ, por la unuafojaj Kongresoj, ekde la aliĝo de la Landa Asocio al UEA. La aparteno de REU al UEA datiĝas de 1989, do por eventuala rusia UK en, ni diru, 2006±1 la atendoperiodo estus 17±1 jaroj. Ĉu multe aŭ ne tre?

La distribuo de atendoperiodoj neeviteble estas dispersa. La plej mallonga estis tiu de Islando: UK en Rejkjaviko okazis en 1977, kvankam Islanda E-Asocio aliĝis al UEA nur 2 jarojn pli frue; kredeble tian fulmrapidecon influis la drasta organiza krizo en UEA meze de la 70-aj jaroj. La vicrekordo apartenas al Nederlando – 3 jaroj (UK-oj en 1964 kaj 1967), sed la kaŭzo estis eĉ pli eksterordinara: en 1967 la Kongreso, okazonta en Israelo, pro la milito en Proksima Oriento estis haste evakuita al Roterdamo. Pli-malpli normalkondiĉa

minimumo estis 6 jaroj, ĝi observeblis trifoje: UK-oj en Danio, 1956 kaj 1962; la menciita UK en Israelo, se ĝi okazus (1967, Landa Asocio aliĝis al UEA en 1961) kaj tiu en Ĉinio (1986, en UEA ekde 1980). Do, tian minimumon nia lando povus superi jam 3-oble, kaj tio eble aspektus konvinka por decidi pri UK en Rusio. Sed rigardu ni la kontraŭan alon de la distribua spektro. Tie ni trovos, male, 3-4-oble pli longajn atendoperiodojn ol la eventuala por Rusio: Ĉeĥio – 75 jaroj (1921 kaj 1996), Hispanio – 59 jaroj (1909 kaj 1968), Usono – 57 jaroj (1915 kaj 1972). Grava statistika parametro – la averaĝa atendoperiodo tra ĉiuj postmilitaj UK-oj – estas 23 jaroj. Do, 16-18 jara atendoperiodo estus rimarkinda, sed sub la averaĝa kaj certe ne frape longa.

Atentindas ankaŭ la daŭre kreskantaj atendoperiodoj por eventualaj UK-oj estonte, kiuj potenciale povus iam superi la rekordon de Ĉeĥio. Detala analizo montras, ke el la 63 Landaj Asocioj 33 ankoraŭ ne spertis okazigon de UK; inter ili estas tre malnovaj, apartenantaj al UEA multe pli delonge ol REU: ekz., tiuj de Estonio (unuafoje aliĝis al UEA en 1934), Nov-Zelando (en UEA ekde 1938), Argentino (1946). Sed ĉu la samideanoj en tiuj landoj pensas pri okazigo de UK – kiu scias? Pli interese estas rigardi la 30 landojn, kies E-Asocioj iam akceptis UK-on, kaj inter ili – tiujn, kiuj tenas daŭrajn paŭzojn. Do, la plej antaŭlongaj UK-oj, dume ne ripetitaj samlande, estis en Italio (1955), Japanio (1965), Usono (1972). Denove ni vidas konsiderindajn atendoperiodojn, kiuj ĉe eventuala rivaleco je 2-3 jardekoj superus la rusian.

> Iutage, ricevinte telefonan alvokon de iu, fanfarona oficeja estro ekscitiĝis. Li stariĝis kun sia brusto pufigita kaj laŭte anoncis: “Mia edzino ĵus telefonis al mi! Ŝi diris ke ŝi estas graveda!”. Post silenta momento, aŭdiĝis mallaŭta voĉo, apenaŭ aŭdebla, el la malantaŭa parto de la ĉambro: “Kiun vi suspektas?”

Apartan komenton eble meritas la kazo de Italio. Vere, estas iom enigme: kial post 1955 jam 4-foje UK okazis en Germanio, 3-foje en Britio, Danio, Nederlando, en deko da landoj dufoje, sed ne revenas en Italion? Temas ja pri lando situanta en alloga Mediteranea regiono, lando grava kaj mondskale kaj movade, doninta al UEA du prezidantojn, inkluzive la nunan. Mi supozas, ke kaŭzo de la daŭra neinvitemo de italoj radikas en la kongresa historio mem. La Universala Kongreso en Bolonjo, duoble jubilea: la 40-a kaj okazinta 50 jarojn post la Unua UK, estis plurrilate rimarkinda. Ekzemple, en ĝi estis surscenigita “La Revizoro” en la klasika traduko de Zamenhof. Krome, la organizintoj sukcesis fari la Kongreson grava publika evento; okaze de UK eĉ bolonjaj policistoj speciale lernis la lingvon kaj deĵoris surstrate kun verdstelaj manikrubandoj. Kaj pinte – la jubilea Kongreso, kvazaŭ ponto, ligis tra 50 jaroj du similnomajn kongresurbojn, kaj la unua urba ĝemeliĝo, perita de Esperanto, iĝis tiu de la franca Bulonjo kun la itala Bolonjo. Do: kredeble, la sukceso de Bolonjo servas al la italaj E-istoj kiel etalono, eventuale ili trovas siajn nunajn fortojn aŭ la hodiaŭajn kondiĉojn nekonvenaj por okazigi same altnivelan UK-on, tial ili ne rapidas ree akcepti ĝin. Kompreneble, la demando pri UK en Rusio estas alisituacia, tamen la ekzemplo de Italio povus utili ankaŭ al ni. Ja REU-aktivuloj dum lastaj jaroj konstante vizitadas diverslandajn UK-ojn, vidas ties avantaĝojn kaj mankojn; do anonciĝi por okazigi UK-on indus nur, se nialanda E-istaro vere maturiĝis por imiti aŭ eĉ superi la bonajn trajtojn de alilandaj UK-oj, samtempe ne ripetante misaĵojn de malpli sukcesaj kongresmastroj.

Tiom do pri la unua el la kvin kadraj demandoj, formulitaj supre. Pri la ceteraj kvar mi respondas pli-malpli negative; por ne trolongigi la artikolon mi prezentu detalajn argumentojn alifoje, eventuale responde al aliaj polemikontoj. Sed esperéble mian vidon pri la kongresa perspektivo klarigos ĉi-suba “antiutopia” prognozo pri tio, kio povus okazi antaŭ kaj dum UK, se ĝi efektive estus aranĝita en Rusio.

**Kiel tio povus okazi.** ... La jaro 2005 (aŭ 2006, aŭ 2007 – ne gravas), junio-julio. Lastaj kaj hastaj preparaj klopodoj antaŭ la UK en Moskvo (aŭ Peterburgo, la diferenco ne estas prin-

cipa). Pluraj organiz-teknikaj problemoj estis pli-malpli solvitaj, kiam subite venis informo: la ministro pri kulturo de Rusio, kiu post longaj kaj penaj klopodoj de LKK (Loka Kongresa Komitato) konsentis esti la Alta Protektanto de la Kongreso (persvadi iun pli altrangan estis tute senespere), estas eksigita kaj eklaboras en ege malpli prestiĝa posteno de teatra direktoro. KKS (Konstanta Kongresa Sekretario) urĝe kontaktas la estraranon de UEA pri kongresoj, tiu sugestas trakti pri la protektado kun iu alia ministro. LKK mobilizas ĉiujn kontakt-rezervojn, kelkaj moskvaj E-istaj profesoroj promesas interkonsenti kun la ministro pri klerigo. Sed la ministro estas longe neatingebla, liaj helpantoj petas atendi, la demando restas malfermita.

Intertempe el kelkaj landoj venis plendoj: al iuj E-istoj, aliĝintaj al la Kongreso kaj ricevintaj konformajn invitleterojn, la rusiaj ambasadoj rifuzis vizojn sen klarigo pri la motivoj. Provo de LKK interveni ĉe Ministerio de Eksterlandaj Aferoj estis sensukcesa: la Ministerio nur konfirmis la rajton de la ambasadoj ne doni vizojn kaj prisilenti la kaŭzojn. Tamen observemaj homoj rimarkis, ke ĉiuj rifuzitoj antaŭ kelkaj jaroj sendis al la rusiaj ambasadoj protestleterojn, kies enhavon niaj oficialuloj kvalifikis kiel preman deeksteran intervenon en internajn aferojn de Rusio. Kaj tiuj epizodoj estis nur komenco. Ĉiutage estis iu granda aŭ eta malagrablaĵo, do sekvu ni laŭvice.

Sabato (la lasta en julio), la unua tago. La kongresanoj venas por registriĝi kaj enloĝigi. Gastoj multas, laboro abundas, tial LKK invitis porhelpe aktivulojn el diversaj rusiaj urboj. Sed malgraŭ tio la kongresaj servoj ekfunkciis neglate. Ekzemple, estis pluraj, distribuitaj laŭ kongresnumeroj, giĉetoj por registriĝi, sed du el ili malfermiĝis kun malfruo. Unu giĉetestro, veninta el la plej okcidenta regiono, forgesis reĝustigi la horloĝon je la moskva tempo, sed eĉ la prokrastitan pro tio laborkomencon li preterdormis, drinkinte vespere kun amikoj; rezulte ĉe lia giĉeto oni devis atendi du horojn. Al alia giĉeto la respondeculo malfruis nur duonhoron, sed plian duonhoron antaŭ la laborkomenco li bezonis por ordigi, kontroli kaj dismeti la koncernajn paperojn. Pluraj neriĉaj eksterlandanoj elektis loĝi en malnova submezklasa hoteleto malproksime de la urbocentro. Veninte tien, la gastoj embarasiĝis pro la nekonataj por ili rusaj literoj "?" kaj "?" sur la necesejaj pordoj en la koridoroj, ĉar la LKK-ano, respondeca pri loĝigo, ne zorgis pendigi E-tradukojn aŭ simbolbildetojn.

Dimanĉo. La solena inaŭguro de la Kongreso. Nur antaŭ kelkaj tagoj feliĉe estis ricevita konsento de la kleriga ministro transpreni la rolon de la Alta Protektanto. Vere, pri la ebleco persone ĉeesti la ceremonion la ministro tre dubis; tamen li promesis alsendi salutmesaĝon. Li eĉ rifuzis sinproponon de LKK helpi pri ties teksto, dirante ke li komisios tion al siaj helpantoj, kiuj sufiĉe kompetentas pri ajna temo. Do, duonhoron antaŭ la komenco venis speciala kuriero kun la ministra mesaĝo. LKK-anoj ekhastis traduki ĝin kaj rimarkis, ke en la teksto tute ne estas menciata Esperanto, sed la Alta Protektanto esprimis grandan ĝojon, ke en Moskvon el la tuta mondo kunvenis aspirantoj – morgaŭaj steluloj de diversaj sciencoj... Komprenante, ke tia teksto ne taŭgas por voĉlegi antaŭ la E-Kongreso kaj ke por peti la ministron korekti ĝin tempo jam ne restas, LKK-anoj riskis traduki la mesaĝon redakte: ili forstrekis aspirantojn kaj aldonis kelkajn vortojn pri la internacia lingvo (la Altan Protektanton, kompreneble, oni preferis eĉ ne informi pri tio).

Posttagmeze okazis la ekumena diservo. Kiam kongresanoj, dezirantaj ĉeesti, proksimiĝis al la anoncita preĝejo, ili rimarkis ĉe la perono amaseton da bruemaj reprezentantoj de "ortodoksa publik-aktivularo", kiuj staris pikede kun sloganoj – ĉefe en la rusa, sed kelkaj en fuŝa Esperanto: "Ekumenistoj foriru Moskvo!", "Sankta Rusujo parolas NE al ekumenistoj!", "Malgloro ekumenismo – genero de satano", kaj aliaj, pli minacaj. La humoro de la gastoj estis difektita, kvankam tuŝi ilin la pikedintoj ne aŭdacis.

Lundo. Komenco de plenampleksa kongresumado. Dum prelego de Internacia Kongresa Universitato evidentiĝis, ke mankas grandformata bildprojekciilo. Ĝin promesis al LKK

mastrumestro de la kongresejo, sed ĉi-tage oni lin urĝe vokis ien, kaj li matene forveturis por la tuta tago, havante enpoŝe la ŝlosilon de la kabineto kun la projekciilo. La kompatinda preleganto estis devigita prezenti ilustraĵojn, montrante libron kun malfermitaj paĝoj, sed bone vidi ilin povis nur proksimsidantoj.

Mardo. Jam de sabato UK-anoj estis rimarkintaj, ke en la kongresejo navedas fremduloj kaj disdonas politikajn materialojn en E-o kaj aliaj lingvoj. Provoj plendi pri tio al LKK ne efikis: la LKK-ano, respondeca pri publikaj rilatoj, ne emis forpeli la "gastojn", ĉar li estis kun ili delonge kunlaboranta profesie kaj ne volis malbonigi la interrilatojn. Tamen ĉi-tage, vidante novan aperon de la samaj personoj kun samspeca literaturo, kelkaj kongresanoj petis helpon de KKS kaj de la Prezidanto de UEA; nur dank' al ilia energia interveno la nedezirindaj vizitintoj malaperis.

Vespere evidentiĝis, ke ne okazos la Bankedo: la saman restoracion elektis "novrusoj" por funebra manĝo pri unu el siaj "fratoj" kaj remendis ĝin kontraŭ pli granda sumo. Vere, la restoracio tuj redonis la monon al LKK kaj tiu plu disdonis ĝin al la bankedmendintoj.

Merkredo. Ekskursa tago. Estis tri ekskursaj itineroj, kaj en ĉiu el ili io okazis. Por la unua itinero venis buso malpli kapacita ol la mendita, kaj pluraj ekskursanoj devis veturi stare. La dua itinero ricevis normalan buson, sed mezvoje paneis ĝia motoro. La ŝoforo sensukcese umis mem, poste vokis riparistojn, sekvis ties atendado kaj riparado mem – ĉio ĉi voris pli ol 3 horojn. Rezulte iuj el la planitaj vidindaĵoj estis montritaj tre haste, por aliaj tempo ne restis tute; krome la grupo fatale malfruis al la mendita tagmanĝo, anstataŭe oni povis nur aĉeti ne tro satigajn bulkojn kaj fruktakvojn en apudvoja kiosko. La tria grupo venis al sia tagmanĝo ĝustatempe, sed ie en la ĉeno LKK – ekskursa buroo – loka restoracio perdiĝis la atentigo, ke kelkaj en la grupo estas vegetaranoj, do la porcioj evidentiĝis la samaj por ĉiuj. Por solvi la embarason, la kuiristoj simple forigis el la vegetaranaj porcioj viandajn erojn, sed nenion metis anstataŭe. Post la ekskurso la starintoj en la unua grupo, la tuta dua kaj la vegetaranoj en la tria postulis repagon, sed la LKK-kasisto diris, ke tio eblos nur post la Kongreso, kiam estos finkalkulitaj ĉiuj spezoj.

Ĵaŭdo. Kelkcent kongresanoj venis invite por akcepto ĉe la moskva urbestro. Kiam la lasta ekparolis por saluti la gastojn, leviĝis lingve kompetenta LKK-ano por interpreti, sed lin antaŭis la persona rus-angla interpretisto de la urbestro kaj komencis voĉigi ties vortojn angle. Inter la gastoj ekondis malkontenta brueto: pluraj ne posedis la anglan, aliaj trovis tion fuŝado de la ideo mem de neŭtrala internacia lingvo. La atentema urbestro interrompis la parolon por klarigi la situacion; kaj li, kaj la anglalingva interpretisto tre miris aŭdi de esperantistoj, ke ili ne bezonas la anglan tradukon. Tamen la anglisto insistis pri sia funkcio, nepra laŭprotokole. Rezulte oni interkonsentis, ke ĉiu frazo de la akceptomastro estu interpretata kaj anglen kaj Esperanten. La absurdecon de la situacio iom mildigis posta komento de iu el la invititoj – usona slavisto, kiu profesie analizis ambaŭ interpretojn kaj trovis la Esperantan multe pli adekvata.

Vendredo. Pro daŭra energi-krizo Moskvo antaŭnelonge transiris al laŭsektora elŝaltado de elektro. Ĉi-vespere venis vico de la sektoro, en kiu situas la kongresejo. Tial la Internacia Arta Vespero pasis en lumo de kandeloj (por eventuala bezono ĉe la kongresejo deĵoris fajrobrigada aŭto) kaj lanternetoj, kiujn la antaŭvidema LKK disdonis al la kongresanoj ĉe la registriĝo. Iuj trovis tion romantika, tamen partopreno de kelkaj muzikaj grupoj kun elektrogitaroj estis neebla.

Sabato (la unua en aŭgusto). Tre malĝoja incidento okazis nur horon antaŭ la Solena Fermo. Kelkajn kongresanojn el sudaj landoj, kiam ili eliris el sia hotelo por veturi al la ceremonio, atakis grupo da ebriaj huliganoj-adoleskuloj, kiujn incitis la nerusaj aspekto kaj parolo. Okazis kruela interbatiĝo, post kiu la suferintaj gastoj anstataŭ la Fermo trafis hospitalon kaj estis devigitaj prokrasti la revenon hejmen.

Dum la tuta Kongreso. La valorega trajto de UK-oj – la atmosfero de libera uzado de la lingvo kuluare – ĉi-foje estis grave difektita. Tion kaŭzis enorma propagando de la Kongreso enlande: gazete kaj rete, ankaŭ en diversnivelaj renkontiĝoj LKK-anoj senlace emfazis, ke subteni UK-on per partopreno estas ne nur unika ŝanco por multaj, sed devo kaj honor-afero de ĉiu rusia esperantisto. Eĉ pli, oni proponis al E-istoj venigi al UK siajn amikojn, por ke ili vidu la unikan kongresan etoson. Do rusianoj aliĝis tre aktive, konsistigis pli ol 70% de la kongresanaro, sed nur kelkdek estis seriozaj kaj bone parolantaj E-istoj. Ilin ombris centoj da kvazaŭesperantistoj, kiuj inundegis ĉiujn spacojn en kaj ĉe la kongresejo per densa, neelsarkebla krokodilado, laŭte babilante unu kun la alia kaj ignorante la eksterlandajn gastojn, kiuj pro tio sentis sin malkomforte kaj miris: kian rilaton havas tiuj homoj al Esperanto?

Do, tiaj estis la diversaj missurprizoj, kiuj trafis ĉu la tutan UK-on, ĉu grandajn aŭ etajn grupojn de kongresanoj. Krome, kelkaj el ili havis individuajn malagrablaĵojn: ĉe unu malaperis valizo en flughaveno, al alia ne venis mendita taksio, la trian oni devigis pripagi fakturon pro fremdaj telefonparoloj, ks. Kaj post la reveno hejmen multaj longe memoris la moskvan UK-on kiel unu el plej malglataj kaj krokodilozaj.

... Tia estas mia skeptika prognozo. Mi certe ne estas aŭguristo kaj ne asertas, ke nepre estos tiel. Mi volas nur averti, ke tiaj aŭ similaj epizodoj povus okazi, kaj mi ja ĝojos, se ili ne okazos. Sed ĉu iu povas pruvi ke tiaj okazoj estas principe neeblaj?

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

*(espereble daŭrigota)*

## KONATIGA ESPERANTA KURSO "Faru la rondon!" (FaRo)

Jen estas la bazaj tezoj de la koncerna prelego, farita dum la 35-a ILEI-Konferenco en Lovran. Mi komencis praktiki la kurson printempe 2000 kaj okazigis 4 tiujn, kio donis sufiĉan sperton por la konkludoj kaj ebligis transdoni gvidadon de la kurso al la plej instrukapablaj ĝiaj partoprenintoj.

***Celo.*** Interna celo de FaRo estas riĉigi la E-movadon per freŝaj homfortoj. Ekstera celo (anoncata al la lernontoj) estas: minimuma (kaze de nura vizitado) – konatiĝo kun Esperanto dum vigla tempopasigo en amika etoso, maksimuma (kaze de regula vizitado kaj paralela serioza memlernado) – ekposedo de E-gramatiko, akiro de elementa kompren- kaj parolkapablo en Esperanto.

***Celgrupo.*** Ĉefe – studentoj kaj gejunuloj, inkluzive aĝajn lernejanojn. Plus plej interesitaj kaj kapablaj mezlernejanoj kaj plej malkatenitaj psike aĝuloj. La grupo ne devas esti pli ol 12- kaj malpli ol 8-persona.

***Aliĝo.*** La lernontoj pagas por la tuta kurso kaj la lerniloj 400 rublojn (sufiĉe granda mono por gejunuloj sed relative malgranda mono kompare kun kostoj de fremdlingvaj kursoj) kaj plenigas aliĝilon, kiu per si mem estas inter cetere plia varbilo, reklamo, garantiilo ktp – do, elvokas multajn demandojn pri la E-movado kaj forte varmigas la intereson. Krome ili ricevas la programon de la tuta kurso kun datoj kaj temoj de ĉiuj lecionoj kaj kromaj tiutempaj E-eventoj (klubkunvenoj, aranĝoj, regionaj aŭ landaj renkontiĝoj) kun adresoj, detalaj priskriboj kiel trovi kaj kontakttelefonoj.

***Lerniloj.*** Ĉe la aliĝo la lernontoj ricevas ĉion, kion ili bezonos se dum la kurso aperos deziro memstare profundiĝi en la materialon: kelkpaĝan konsultlibreton de Andrej Grigorjevskij; solidan akademian eldonon "Lernolibro de Esperanto. Baza kurso" de Boris Kolker; la ruslingvan libron de Nikolaj Gudskov "Факты и краткие сведения об эсперанто"; "Kontakto-Vortaron" (la vortlisto de la gazeto "Kontakto"); Esperanta-Rusan Teman vortaron de Igor Galiĉskij; 2 poŝajn kantaretojn – kun la plej popularaj en Rusio E-kantoj kaj kun dulingvaj kantoj; legolibron de Claude Piron "Gerda malaperis". Dum la kurso en ĉiu

leciono la lernantoj ricevas la tutan tekston de la leciono kun ekzercoj kaj hejmaj taskoj.

***Instruiloj.*** Grandformataj nomŝildoj, ŝildoj por meblaro kaj ĉio troviĝanta en la klasĉambro, paperfolioj (A4) kun frazoj kaj gramatikaĵoj, ne malpli ol 100 grandformataj bildoj (revuaj eltranĉaĵoj) kaj sennombraj slip-bildetoj, slipetoj kun vortoj, deko da diverskoloraj molaj ludiloj malgrandaj ("karesbestoj") kaj alispecaj ludiletoj, magnetofono kun sonkasedoj, disdona tajpmaterialo kun la tekstoj de kantoj kaj versaĵoj, laboraj lecionaj foliojelprintaĵoj, koloraj feltkrajonoj, papero por desegni ktp.

***Programo.*** La kurso konsistas el 10 lecionoj po 2,5 horoj, Lingva Olimpiko kiel kontrolo de la rezultoj kaj Gasta Vespero (vidu sube). Foje antaŭ la kurso estas okazigata speciala Aliĝkunveno. Do, sume 12-13 kunvenoj. La kurso estas rektmetoda (la Gvidanto NENIAM parolas ruse!), enhavas ĉiujn bazajn gramatikaĵojn de Esperanto, de la alfabeto ĝis kompleksaj tempoj. Ĉiu leciono estas dediĉita al konkreta temo, plej triviala (konatiĝo, ŝatokupoj, vendejo, urbo ktp). Enestas lingvaj ludoj (ankaŭ movaj), kantado, para laboro, ĥoraj respondoj ktp.

***Gvidanto*** devas regi la lingvon, kompetenti pri metodiko de E-instruado, ami la laboron kaj la gelernantojn, esti bonkora, tolerema, amikema kaj adaptiĝema al foje surprize ŝanĝiĝanta situacio. Necesas tre bone prepari la lecionojn teknike kaj enhave. La Gvidanto devas krei la amikan kaj samtempe dinamike-laboran etoson de la kurso kaj sincere ĝui tiun kune kun la kursanoj.

***Teamo.*** La Gvidanto laboras helpata de la Teamo. La teamanoj parolas inter si nur Esperante. La Teamo baze konsistas el la lernintoj de la antaŭa FaRo (kaj tio estas bona ripetado por ili), sed estas malfermita ankaŭ al senescepte ĉiuj sukcesfinintoj de antaŭaj FaRoj kaj ĉiuj parolantaj esperantistoj. Speciale bonvenas gvidoroj de junulara E-movado kaj junaj E-aktivuloj. Tio helpas tuj kunigi la kursanojn kun la movadanoj, kaj post la kurso la lernintoj jam ne sentos sin fremdaj.

***Taskoj de la teamanoj.*** La teamanoj: preparas la klasĉambron kaj teknikaĵojn antaŭ la lecionoj; respondas demandojn kaj kontrolas gramatikajn ekzercojn de la kursanoj antaŭ la lecionoj; laboras kiel imitmodeloj por la kursanoj kaj kiel kursanoj (ĉe, ekzemple, ĥoraj respondoj) por kuraĝigi ilin; dum grupa enronda laboro sufloras korektan respondon al postrestuloj; gvidas laboron pri gramatikaj kaj paroligaj ekzercoj en etaj grupoj aŭ para agado (kutime – kiom da teamanoj, tiom da grupetoj); ordigas la klasĉambron post la lecionoj.

***Akcepto de novaj kursanoj.*** La novuloj estas akceptataj al la kurso ĝis la 5-a leciono inkluzive. Tion ebligas aktivado de la teamanoj, kiuj: ekster la lecionoj helpas al la novuloj studi la jam lernitan materialon; rajtas flustre *ruse* suflori kaj devas ajne helpi al ili dum la lecionoj mem.

***Ejoj.*** Ideale la ejoj devas esti du: la klasĉambro kaj la vestiblo. ***En la vestiblo*** la kursanoj kunvenas, babilas ruse kun teamanoj kaj la Gvidanto, individue laboras kun teamanoj pri hejmaj taskoj aŭ kromaj volontulaj gramatikaj ekzercoj, demandas pri E-aranĝoj kaj planas kunveturadojn, rigardas senĉesajn fotojn ktp, kuntrinkas teon post la lecionoj. ***En la klasĉambro*** okazas nur la leciono mem; ĉi tie oni ne rajtas paroli nacilingve (escepte flustradon de teamanoj por malstumbligi postrestulojn). Antaŭ la leciono en la klasĉambron rajtas eniri nur la teamanoj – por prepari la ejon kaj renkonti la kursanojn dum la Enira Rito. En la klasĉambro devas esti granda libera meza spaco kaj moveblaj seĝoj por ĉiu kurspartoprenanto; cetera meblaro ne gravas kaj povas tute foresti.

***Ritoj.*** La plej striktaj estas tri: la Enira Rito, la Malstreĉiga Rito kaj la Adiaŭa Rito. ***La Enira Rito*** celas reŝalti la partoprenantojn de eksteraj aferoj kaj zorgoj al la labora kaj amika etoso de la kurso. Inter ceteraĵoj de tiu ĉi rito estas la salutfrazo al ĉiu eniranta: "Bonvenon! Faru la rondon!" – kiu donis la nomon al la kurso. Ĝi disciplinigas kaj samtempe mildigas la homojn, kunigante ilin en unu amika rondo. ***La Malstreĉiga Rito*** celas ripozigi la kursanojn

post laboro de la unua lecionduono. Ĉiuj sidas en liberaj pozoj kun fermitaj okuloj kaj aŭskultas trankviligan kanton en Esperanto. ***La Adiaŭa Rito*** celas fari belan amikan finon de la leciono kaj kutimigi la novulojn al la "amika rondo" – tradicia adiaŭo de ĉiuj rusiaj E-aranĝoj: "Per Esperanto – por mondpaco kaj amikeco! Ĝis revido, ĝis revido, ĝis revido!"

***Lokigo.*** Fakte, estas parto de la Enira Rito. Lokigo celas koncentrigi la partoprenantojn je "nun kaj ĉi tie" – kaj lernigi al ili nomojn de la ĉirkaŭaj objektoj kaj farataj movoj.

***Kursaj nomoj.*** En la unua leciono ĉiu kursano ricevas la kursan nomon kaj la plenan legendon pri si, lokiĝantan sur grandformata surkola ŝildo, nepre deviga por porti tra la tuta kurso. Ĉiuj kursaj nomoj estas signifaj, lernigas novajn radikojn kaj foje gramatikerojn. Ekzemple, la princino kun la nomo Rajta Regi loĝas en Singapuro, en la vilao Sange Pura. La kapitano de la ŝipo "Venkanta Maron" nomiĝas NeEmo Ordoni, li estas portugalo. Signifojn de la nomoj la kursanoj ekscias ofte jam post kiam la nomoj estas bone parkerigitaj kiel simpla belsonaĵo. Pri la kursaj nomoj kaj la legendoj laboro daŭras dum la tuta kurso. Hazarde vizitantaj esperantistoj ĉiam ricevas ŝildon kun la nomo "*Transmara Gasto"* kaj pliajn suflоraĵojn por fantazii sian legendon.

***Metodo***. Rekta – kaj malfacile priskribebla. Estas kompilaĵo el diversaj paroligaj ekspres-metodoj, psikotrejnadoj (Che, Lozanov, Kitajgorodskaja, Blinov, Grigorjevskije), abunda propra sperto kaj spontana fantazio.

***Lingva Olimpiko*** okazas fine de ĉiu kurso kaj celas kuraĝigi la kursfinintojn, montrante al ili, kiom multe ili jam scias. Estas lingvokontrolo de vortprovizo (skriba), tradukkapablo (skriba), "retoriko" (unuminuta elpaŝo pri amuza temo) kaj deklamado (anticipe parkerigita versaĵo). La gajnintoj ricevas librajn premiojn.

***Varbado.*** Fina ŝtupo – la festa ***Gasta Vespero***. La kurspartoprenintoj invitas siajn geamikojn, gepatrojn, ĉiujn interesitojn por kune festeni kaj demonstri, kiel gaje kaj fruktodone ni pasigas la tempon. En la komenco de la vespero ĉiuj prezentas al la aliaj siajn gastojn kaj sin mem – al aliulaj gastoj. Estas demonstrataj kelkaj plej amuzaj fragmentoj de la lecionoj (ekz., fabelscenigo, kun engaĝo de la publiko), la kursaj kantoj kaj plej sukcesaj olimpikaj deklamaĵoj. Fine necesas ne forgesi anonci la komencon de la sekva kurso kaj inviti al la Aliĝvespero. Teumado kutime ne tre sukcesas, ĉar mankas tempo kaj la homoj estas tro emociitaj por atenti regalaĵojn. Post tia Gasta Vespero ne estas problemo plenigi la sekvan grupon per dezirantoj.

***Irina Gonĉarova (Moskvo)***

## PENSOJ PRI HISTORIAJ PROBLEMOJ

La potenca ŝtato Sovetio jam delonge disfalis. Anstataŭ ĝi sur la mapo de la Tero aperis pluraj sendependaj ŝtatoj kun propraj leĝoj kaj certe propraj sendependaj organizaĵoj. Fariĝis malfacile kaj monrabe vojaĝi tra tiu grandega teritorio. Kaj ankaŭ alimaniere kontakti inter samspecaj specialistoj.

Esperantistoj ne restis flanke de tiu problemo. Antaŭe popularaj E-aranĝoj nun ofte suferas pro manko de dezirantoj en ili partopreni. Eble plej suferas la baltianoj — ja iliajn BET-ojn preskaŭ ne vizitas esperantistoj el Rusio kaj aliaj ŝtatoj de eksa Sovetio.

Mi tamen volus tuŝi alian problemon – la problemon pri la historio de E-movado. Kiam ekzistis Sovetio, la agado de tutlanda esperantistaro estis bone videbla. Ĉu la evento okazas en Moskvo, ĉu en Fora Oriento, ĉu en Uzbekio – ĉio estis konata, pri ĉio eblis trovi iajn spurojn. Tial pli-malpli facile estis kolekti bezonatajn materialojn por la prihistoriaj libroj "Legendoj pri SEJM" de M.Bronŝtejn, "SEJM. Historia skizo" de D.Cibulevskij, "Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM" de V.Samodaj k.s. Bedaŭrinde, tiuj verkoj ne multas.

Bone estas, ke nuntempe kelkaj esperantistoj okupiĝas pri esploro de la E-movada historio. Tiuj estas Nikolao Stepanov (Moskvo), Anatolo Sidorov (Siktivkar), A.Mekys (Litovio)

k.a. Kaj denove bedaŭrinde – ne ĉiuj tiuj okupiĝoj/esploroj estas pri la tuta E-movado. N.Stepanov kaj A.Sidorov ĉefe esploras la sortojn de persekutitaj esperantistoj. Esperantistoj el Doneck serĉas diversajn faktojn el la vivo de E.Miĥalski, E.Talanov (Ivanovo) okupiĝas pri la historio de loka E-klubo kaj lokaj esperantistoj (ankaŭ pri A.Grabowski, fondinto de la klubo en Ivanovo). Tiel aperis jam kelkaj rezultoj de la esploroj – M.S.Abolskaja "Sub la signo de Liro kaj Verda Stelo", Moskvo, "Impeto", 1999; Н.Степанов "Как это было?" – en "Конкордо" № 48 (somero 2001), NikSt "Ĉu SAT estis sidejo de germana sekreta polico?" – en "Sennaciulo" № 2, 1990; N.Stepanov "Futerfas: Sorto de unu anarkiisto-esperantisto" – en "Sennacieca Revuo" № 121/1993; N.Stepanov "Viktor Belogorcev – tragika sorto de laboristo-esperantisto" – en "Sennacieca Revuo" № 122/1994; N.Stepanov "Ludmila Jevsejeva – esperantistino kaj poetino" – en "Sennacieca Revuo" № 122/1994; NikSt "Esperantistaj viktimoj de stalinismo" – en "Sennaciulo" № 9/1990; V.A.Kornilov, I.M.Lukaŝeviĉ "Eŭgeno Miĥalski. Novaj informoj" – en "Sennacieca Revuo" № 121/1993 k.a. Tre gravan laboron faris A.Mekys en Litovio, kiu verkis 6-libran historion de E-movado en Litovio kun biografietoj de litovaj esperantistoj (pli ol 200). Tiuj libretoj jam estas eldonitaj (kontraŭ lia propra mono). La periodaĵo de handikapuloj "Konkordo", kiu estas nun eldonata en Baŝkirio, ĉefe dediĉas siajn materialojn al la historiaj temoj.

Siatempe Anatolo Gonĉarov ofte proponadis renkontiĝojn de esperantistoj laŭ interesoj. Pli poste li parte efektivigis sian strebon – tiel aperis la Literatura klubo, kies laboron daŭre gvidis V.Samodaj. Foje en Belorusio antaŭ kelkaj (jam multaj) jaroj okazis renkontiĝo de esperantistoj-historiistoj (mi, domaĝe en ĝi ne partoprenis). Dum ĝi estis prezentitaj diversaj prelegoj – rezultoj de kelkjaraj laboroj. Kaj ... nenio sekvis.

En nunaj kondiĉoj aperas problemo pri la fortoj de esperantistoj-historiistoj. Kiu okupiĝu pri tiu grava tereno en la laboro de esperantistoj? Kiu kompiladu materialojn pri aktuala agado de esperantistoj en nun diversaj landoj? Jam tempas verki ian historion pri SEJM-2, pri aliaj E-organizaĵoj de esperantistoj en Rusio, en aliaj landoj... Ni ja tute nenion scias pri agado de esperantistoj en Uzbekio, Kartvelio, Azerbajĝano (krom tiuj maloftaj sciigoj en internacia E-gazetaro)... Ĉu ne tempas nun grupigi esperantistojn, kiuj esploras historiajn demandojn; organizadi fakajn renkontiĝojn (aŭ kunvenojn enkadre de aliaj amasaj E-aranĝoj); eĉ, eble, lanĉi (internacian) revuon por E-historiistoj?

***D. Cibulevskij (Ĥarkiv, Ukrainio)***

## ĈU RUSIA E-MOVADO INDAS E-DOMON ?

Pluraj movadoj, kiel la Esperanta, ne helpataj de ŝtatoj, plene dependas de la movadanoj. Progreso aŭ regreso de ajna movado dependas de konstanta alfluo (envivigo) de novaj ideoj, iniciatoj aŭ ties manko. En E-movado, feliĉe, ne mankas ideoj. Unu el tiuj, delonge "apudfluganta", atendas nur iniciaton kaj iniciatulojn.

Komence mi sole volis ekigi la aferon, esperante la postan subtenon. Tamen unu ĉefaĵon mi ne atentis: la E-CENTRO, aŭ E-DOMO devas esti ne tiom en belega loko kie mi unuafoje instaliĝis (montaro Altaj) kiom en proksimo al iu granda urbo. Kaj la urbo devas esti ne ia, kiel Ŝaĥti, apud kiu mi duafoje aĉetis vilaĝ-domon, sed nepre aŭ Moskvo aŭ Sankt-Peterburgo. Aŭ ie meze inter ili.

Certe, idealus havi la E-centron enurbe, sed la prezoj de la tieaj areoj estas nerealaj por niaj poŝetoj. Realas kolekti monon nur por kampara domo. La domo devas esti ne ia, sed sufiĉe granda kun granda terparcelo (por tendoj) kaj kun telefono; ĝi povas kosti, tre proksimume, ekzemple, 2000 dolarojn (la prezo-vario estas grandega). Tiam bezonatas nur dek samideanoj (firmao-havaj) kiuj sponzorus po 200 dolarojn. Aŭ dudek samideanoj oferantaj po 100 dolarojn. Aŭ cent gesamideanoj kunmetantaj po 20 dolarojn... Analizu, kara leganto, ĉu nerealas la afer'? Fakte, povus troviĝi ĉiuj menciitaj grupoj, ni povus aĉeti vere palace-

ton. En la realo necesas simple kolekti – kiu kiom povus doni. Mi certas, ke kunhelpos ankaŭ niaj elmigrintaj gesamideanoj.

Ĉar la mono bezonas ordon necesus formi aŭ kooperativon aŭ iun societon, ja la centro necesas tute memstara kaj sendependa de REU, REJM ktp. Studindas tiurilate la sperto de la svisa KCE/LF-kooperativo kiu jam ekzistas kaj prosperas pli ol 30 jarojn, aŭ tiu de Kvinpetalo en Francio. Mi jam petis la statuton de LF-Kooperativo el Svisujo.

La E-Centron demokratie gvidus la Asembleo (jare kunvenanta) de ĉiuj, kiuj kontribuis finance po, ekzemple, pli ol 20 dolarojn. Kaj tiel plu, en la statuto ni ĉion antaŭvidus. Eĉ tion, ke multepaginto havos pli ol unu voĉon dum voĉdonoj...

Trovi persono(j)n, konsenta(j)n loĝi kaj mastrumi en la E-Domo, ne estos granda problemo. Mi jam konsentus veni kune kun mia granda biblioteko, tuj donacuta. La rolo kaj la celoj de la E-Centro povus esti identaj al tiuj de KCE: diversgradaj kursoj, staĝado, arkivo, centra biblioteko ktp.

Dume estas nemultekostaj domoj kampare, ni devus iom rapidi. Kiam la tero iĝos laŭleĝe komercebla, la prezoj inde saltos.

***Anatolo Gonĉarov (Sankt-Peterburgo)***

## UNUAJ PAŜOJ: DU MONATOJ EN ESPERANTO

*"… mi estis akceptita en lia hejmo. Ekde la sojlo, li alparolis min Esperante, kaj mi baldaŭ konstatis, ke nur tiun lingvon oni uzadas ĉe li. Tio efikis iom strange sur min … jen ŝajnis al mi, ke mi eniras en alian landon, kie Esperanto estas ne plu simpla helplingvo, sed ja la ĉefa kaj vera esprimilo. Imitinda ekzemplo … al Lanti mi ŝuldas la senton pri ties (de Esperanto – P.F.) vivanteco."*

*G. Varingjen (Waringhien)*

*(el la antaŭparolo al la libro "Leteroj de E.Lanti", SAT, 1940)*

19.08.2001 mia filino iĝis trijara kaj mi ekparolis al ŝi en E-o. La paŝo estis tre malfacila por mi kaj mi prepariĝis dum tri jaroj.

Inter miaj amikoj kaj konatoj mi malofte spertas enfamilian E-parolon. Mi povas rememori nur la familiojn de Ivan Naumov kaj Svetlana Kotelnikova. Kaj nur la ekzemplo de Naumov-familio estis por mi sufiĉe konata. En aliaj (konataj al mi) E-familioj E-o preskaŭ ne sonas. Sed Ivan Naumov en la familia rondo ĉiam strebas paroli kun la infanoj en E-o. Kaj multaj E-parolantaj gastoj ankaŭ provas siajn fortojn en tiu afero. Vere, ne multaj eltenas, ĉar paroli al plenaĝa persono kaj al infano estas tre malsamaj aferoj. Certe la infanoj parolas ruse pli bone ol Esperante, sed se estas bezono ili ne malbone konversacias kun ne rus-parolantaj E-istoj.

Ve, mi pro diversaj kaŭzoj ne povis paroli kun mia filino en E-o ekde ŝia naskiĝo. Verŝajne mi ne havis kuraĝon. Sed laŭ interkonsento kun mia edzino (ŝi parolas itale multe pli bone ol Esperante) mi decidis lanĉi la eksperimenton. Iu fundamento jam estis, ĉar unu el la plej ŝatataj animaciaj filmoj de mia filino estas "Mazi en Gondolando". Jam printempe ŝi ofte diris: "Я granda", kiam volis substreki, ke ŝi jam ne estas malgranda infano. Kiam venis ŝia tria naskiĝtago, mi klarigis al ŝi, ke ni plu parolos samkiel Mazi. Kaj ĉio ekis.

La komenco estis certe tre malfacila: mia propra filino min ne komprenas; mi ne povas priparoli kun ŝi eventojn kiujn necesas nepre priparoli k.t.p. Estis momentoj kiam mi min demandis: "Ĉu estas bezonata la turmento?". Sed mi streĉis ĉiujn miajn fortojn kaj eltenis la komencajn problemojn. Kaj poimete mi komencis rimarki, ke mia filino ĉion komprenas kaj eĉ provas uzi E-vortojn en sia parolo. "Panjo", "ĝis", "atente", "ŝarko" kaj aliaj vortoj jam estas uzataj de ŝi. Certe ŝi ne babilas Esperante, sed komprenas ĝin pli bone ol pluraj konataj e-stoj kiuj estas multege pli aĝaj kaj lernas ĝin dum jaroj. Dume mi parolas al ŝi Esperante ne dum la tuta tempo: vespere antaŭ dormi mi ruslingve rakontas fabelojn kaj nokte, se ŝi

vekiĝas, mi parolas al ŝi ruse. Tamen verŝajne ekde la Novjara festo mi provos plene rezigni la rusan parolante al ŝi.

Kiujn problemojn mi renkontis kaj kiel mi ilin solvis. Problemo numero unu: mia infano min ne komprenas. La problemo estas verŝajne la plej grava. Estas nur sola ebleco ĝin solvi: ne rapidi kaj klarigi per gestoj aŭ aĵoj kion mi volas. Plej verŝajne la unuan fojon la infano min ne komprenos, sed estos dua, tria, deka fojo hodiaŭ, morgaŭ, postmorgaŭ kaj finfine ĉio solviĝos. Tamen la problemo estos ĉiam, ĉar mi uzos pli multe da nekonataj vortoj. Certe estas facile, kiam mi petas doni al mi panon aŭ surmeti pantoflojn – mi montras per gestoj kion mi volas. Tute malfacile estas klarigi ion ne tiom aĵecan: lavi la manojn aŭ iri hejmen. Sed post iom da ripetoj la infano ĉion komprenas. Por mi estis vera ĝojo ekaŭdi rusajn respondojn al iuj E-postuloj. Ekz.: "Iru hejmen – я не хочу домой"; "Necesas lavi la manojn – у меня чистые руки" k.t.p.

Problemo numero du: rilato de aliaj, ofte fremdaj personoj al E-parolado. Tiun problemon eblas dividi je tri partoj: familianoj, fremduloj, infanoj. En mia okazo familianoj estas la patrino kaj la avinoj. La patrino, kiu ne bone posedas E-on, komencas pli kaj pli bone kompreni ĝin. Ni eĉ iomete konkuras, kiu pli bone posedas la lingvon: ĉu mi kun la filino E-on, ĉu la patrino – la italan. Dume ni gajnas. Mi timis iujn problemojn flanke de la avinoj, sed la avino jam serĉas "пантофло" de la nepino. Alia grava problemo estas rilato al nia malklara komunikado flanke de fremda publiko. Kiam ni ludas sur infankorteto, veturas en buso, vizitas kuraciston kaj en similaj cirkonstancoj nin ĉirkaŭas homoj kiuj ne ĉiam bone rilatas al nekompreneblaj paroloj. Foj-foje estis strangaj demandoj: "Это вы на молдавском (украинском, английском, испанском, каком) говорите?" Certe mi klarigas, ke ni uzas E-on. Feliĉe, dume ĉiuj bone rilatas al niaj interparoloj. En la infanĝardeno kaj la porinfana lernejo oni tre bone rilatas al niaj strangaĵoj, eĉ rememoras, ke iam iu jam parolis kun sia infano en la angla lingvo. Sed, verdire, mi ofte hontas paroli ne ruse, kaj tiam mi al mi diras: "Kial uzbekoj, kartveloj kaj aliaj senprobleme parolas sed mi ne povas tion fari?". La sekva problemo estas kontaktoj de mia filino kun samaĝuloj. Por ŝi estis iomete strange, kiam neniu komprenis ŝian frazon "Я granda!". Sed nun por ŝi estas klare, ke plejmulto el la ĉirkaŭuloj ne komprenas tion kion komprenas kaj parolas la patro.

Sekvan problemon malfacilas solvi per simpla streĉo de volo. Temas pri manko de porinfana E-literaturo. Certe mi scias, ke ĝenerale la literaturo ekzistas kaj mi eĉ havas iom da ĉinaj infanaj libroj, sed… Mi havas proksimume cent librojn taŭgajn por 3-jara knabino en la rusa lingvo kaj nur kvin en E-o. Certe mi povas (kaj faros tion) traduki iujn librojn kaj provi legi ilin en E-o, sed tio estas neserioza. Nun mi serĉas porifanajn E-librojn, ĵurnalojn k.t.p. Ĉu iu el legantoj povas helpi min?

Ankaŭ ekzistas problemo kiun en la antaŭa numero de REGo menciis mia amiko Sergeo Beznosko. Tio estas problemo pri ĉiutage parolata vortaro. Verdire mi imagis malfacilaĵojn, kiujn mi renkontus, kaj eĉ planis iujn rimedojn por solvi ilin, sed la problemo solviĝas multe pli facile ol mi atendis. Ekz. mi dume ne scias vortojn поганка, подосиновик, каляка-маляка (interalie sufiĉe grava nocio por trijara infano), sed mi jam scias 8 (ok!) nomojn de kaĉoj kaj speciale kompilis bleko-liston por diversaj bestoj. La problemon mi solvas kaj per helpo de Rusa-Esperanta vortaro de Bokarev kaj legante E-librojn. Jen la vorton "pastorulilo" mi trovis en scienc-populara libro. Krom tio mi trafoliumas porinfanajn librojn kaj subskribas pentraĵojn, plejparte per bestonomoj.

Finante la artikoleton mi povas konkludi, ke al mi tre plaĉas paroli en E-o al mia filino kaj mi malgraŭ diversaj obstakloj planas daŭrigi la eksperimenton.

***P.Fiŝo (Koroljov)***

## AL LINGVA DEMOKRATIO!

### *ALVOKO AL LA MEMBROJ DE UEA/TEJO/ILEI*

***Karaj membroj (kaj ne-membroj) de UEA/TEJO/ILEI,***

dum la Universala Kongreso en Zagrebo la Komitato de UEA aprobis novan laborplanon kaj komisiis nin esti speco de "garantia komisiono", kiu certigos, ke la laborplano estos kunlabore plenumata de la membroj de niaj tri organizaĵoj.

La nova laborplano emfazas jenajn prioritatojn:

* informado
* instruado
* utiligado
* plijuniĝo
* tutmondiĝo
* profesiiĝo

Ili estas en si mem klaraj, kaj vi povas detale legi en la laborplano mem, kiel ili estas komprenataj.

> Ĉe la adreso <www.multimania.com/afrikaoficejo/> aperis belaj TTT-paĝoj de la Afrika Oficejo de UEA. Afrika Oficejo de UEA estis kreita por administri la afrikan Esperantistaron, respondi informpetojn, instrui perkoresponde, eldon(ig)i verkojn kaj informilojn de esperantistoj precipe afrikaj, zorgi pri transpago inter afrikaj landoj kaj CO, informadi pri la afrika movado. Ĝi aperigas la retan informilon TR'AFRIK', kiu prezentas konkretan agadon de esperantistoj afrikaj kaj de eksterafrikaj esperantistoj pri/por/pro Afriko.

Ĉu ni bezonis novan laborplanon komence de la 3-a jarmilo? La respondo estas, laŭ ni, jes! Sekve de tio, kion ni ĉiuj faris sub la flago de la "Kampanjo 2000", ni nun devas turni nian atenton al la stato de Esperanto en la mondo, kaj reiĝi movado, kiu parolas al la mondo, en maniero, kiun la mondo komprenas (informado), kiu instruas la lingvon kaj la movadon ankaŭ per la lastaj metodoj kaj teĥnikaj rimedoj (instruado), kiu utiligas Esperanton por la normalaj bezonoj de la vivo (utiligado).

Tiaj agadoj estu farataj kun atento al la junularo, esperantista kaj neesperantista, al la tumonda dimensio de nia agado (por ke ne restu landoj sen esperantistoj) kaj al la uzado de la profesiaj talentoj de niaj membroj.

Unu lasta afero devas esti klara al ĉiuj: ni ne bezonas konkurenci kaj batali inter ni. Ni estas ĉiuj laborantoj por la sama idealo preter kelkfoje tro rigidaj asociaj limoj. La laborplano, kiun vi legos, emfazas la rolon kaj de UEA kaj de TEJO kaj de ILEI, kaj de ĉiuj aliaj esperantistaj asocioj, kaj ni ŝatus en ĉiuj landoj vidi kunlaboron, eĉ se kun la bezonata memstareco de ĉiu organizaĵo. Ankaŭ la titolo de ĉi tiu komuniko kaj de la laborplano "Al lingva demokratio!" ne bezonas klarigon. Ĝi tre klare diras, kiu estas la finfina celo de nia laboro.

Ni faros nian komunan eblon por helpi vin kaj ni dankas vin pro viaj estontaj klopodoj.

***Renato Corsetti, prezidanto de UEA***
***Holger Boos, prezidanto de TEJO***
***Mauro La Torre, prezidanto de ILEI***
***Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA***

*P.S. Ekzempleroj de la laborplano estas haveblaj ĉe: Renato Corsetti, Via del Castello, 1, IT-00036 Palestrina, Italujo; <renato.corsetti@esperanto.org>.*

## GAZETARA KONFERENCO KAJ GAZETA ARTIKOLO



16 НЕЗАВИСИМАЯ ГАЗЕТА 06.10.2001

СТИЛЬ ЖИЗНИ

**ЯЗЫКОВОЙ БАРЬЕР И НЕЙТРАЛЬНЫЙ МЕЖДУНАРОДНЫЙ ЯЗЫК**

6 октября – всемирный день эсперантистов

Николай Гудсков

Европейский союз – принципи-
ально новое, по своей сути, меж-
государственное объединение. До
сих пор существовали империи,
федерации, даже конфедерации
небольших государственных обра-
зований, но никогда – доброволь-

Ĉar la 26-a de septembro estis nomita de la Konsilio de Eŭropo "Eŭropa tago de la lingvoj", REU iniciatis gazetaran konferencon, uzante tiun ĉi informpretekston. Tiutage en Instituto de evoluigo de amaskomunikiloj (Институт развития прессы) – loko, kie por diversaj organizoj oni senpage aranĝas unuhorajn gazetarajn konferencojn – okazis gazetara konferenco "Eŭropa tago de la lingvoj", kiun gvidis Garik Kokolija (Prezidanto de REU), Nikolao Gudskov kaj Viktoro Aroloviĉ. Temis pri graveco de la lingva problemo por Eŭropo kaj pri Esperanto, kiel ties plej perfekta solvo. Ĉiu ĵurnalisto ricevis pakaĵon el 7 folioj (Informo pri Eŭropa jaro de la lingvoj, Deklaracioj de Unesko, Praga Manifesto ks) kaj la libron de Gudskov "Факты и краткие сведения об эсперанто". Ĉeestis nur deko da ĵurnalistoj (iom malpli ol averaĝa kvanto en IRP – 15), sed inter ili tiuj de radio "Majak", Agentejo de socia informado kaj TV-stacio AST.

Okaze de Ago-Tago en la tagĵurnalo "Nezavisimaja gazeta" la 6-an de oktobro 2001, n-ro 187 (2497) sur la p.16 aperis artikolo de Nikolaj Gudskov "Lingva baro kaj neŭtrala internacia lingvo", kiu, kompostite per la 8-punktaj literoj, okupas duonon de la paĝo A2 (inkluzive portreton de Zamenhof). La artikolo estas dediĉita al "tutmonda tago de esperantistoj" – tiel la redakcio nomis la Ago-Tagon. En la artikolo temas pri Eŭropa jaro de la lingvoj kaj pri tio, ke ĉiuj penoj de eŭropanoj solvi la lingvan problemon sen la solvo, proponata de esperantistoj, estas vanaj; iom pri E-movado, propedeŭtika valoro kaj tuj eblaj praktikaj uzoj de Esperanto. Bedaŭrinde, la redaktoroj forigis la partojn de la artikolo, kie temis pri biografio de Zamenhof, lingvaj kvalitoj de Esperanto kaj pri valoro de E-kulturo, sed eĉ sen tio la artikolo estas la plej granda el ĉiuj artikoloj pri Esperanto, aperintaj en centraj rusiaj tagĵurnaloj almenaŭ dum lasta jardeko.

***Nikolaj Gudskov (Moskvo)***

## OSMO BULLER ESPLORIS PRI UK-89 EN ĈINIO KAJ LITOVIO




*Povilas Jegorovas kaj Osmo Buller*

La antaŭa Estraro de UEA akceptis du kandidatojn por la fina elekto de la urbo de la 89-a Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2004. Temas pri la ĉefurboj de Ĉinio kaj Litovio, Pekino kaj Vilnius, inter kiuj la nova Estraro decidos en januaro.

Osmo Buller, Ĝenerala Direktoro de UEA, vizitis en septembro ambaŭ urbojn por esplori la kondiĉojn por la okazigo de UK. Malfacila elekto atendas la Estraron, ĉar tre pozitivajn impresojn Buller ricevis kaj en Pekino kaj en Vilnius. Kontentigaj estas ne nur la fizikaj kondiĉoj, t.e. la disponeblo de taŭgaj ejoj por la UK, de sufiĉa loĝiga kapacito en ĉiuj prezkategorioj kaj de granda vario de ekskurs-eblecoj. Rimarkindas krome, ke en

ambaŭ landoj la pozitiva sinteno de aŭtoritatoj iras larĝe preter la naturan deziron gastigi amason da alilandanoj, kiujn granda kongreso kiel UK alportus.

Krom de multaj altranguloj de urbaj, turismaj k.a. instancoj, Buller estis akceptita ankaŭ de ŝtataj eminentuloj. En Pekino lin akceptis i.a. s-ro Cai Mingzhao, vicministro pri informado. Li renkontiĝis ankaŭ kun la prezidanto de la societo Amikoj de Esperanto, s-ro Chai Zemin, kiu siatempe servis kiel la unua ambasadoro de Ĉinio en Usono, kaj kun la fama lingvisto kaj membro de la Honora Patrona Komitato de UEA, prof. Chen Yuan.

En Litovio la Ĝenerala Direktoro de UEA estis akceptita de la Prezidento de la respubliko, s-ro Valdas Adamkus, kun kiu la interparolo fine dauris duonan horon anstataŭ la planitaj 15 minutoj. Apartajn rendevuojn Buller havis kun la ministro pri eksterlandaj aferoj, s-ro Antanas Valionis, kun la ministro pri edukado kaj scienco, s-ro Algirdas Monkevicius, kaj kun la ministrino pri kulturo, s-ino Roma Dovydeniene. Li estis akceptita ankaŭ de la vicprezidanto de la parlamento, s-ro Ceslovas Jursenas, k.a. eminentuloj. Radio, televido kaj gazetaro multe raportis pri la vizito.

En Ĉinio, kie li restadis de la 5-a ĝis la 14-a de septembro, Buller vizitis ankaŭ la urbojn Xian, Hangzhou, Suzhou kaj Shanghai, kaj renkontis aktivulojn de la lokaj movadoj. En Litovio li estis de la 24-a ĝis la 28-a de septembro. Krom Vilnius, li vizitis Kaunas, kaj prelegis en ambaŭ urboj al lokaj esperantistoj.

***(GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA, N-ro 135)***

## NOVA ŜTUPO POR POENTA KONKURADO

Mi aplaŭdas al Andreo Grigorjevskij, efektiviganta la interkluban konkurson poentan sub nova titolo "Kluba ranglisto". Ĝojige neniu nun oponas tiun aferon. Siatempe en SEJM-1 mi (kun kelkaj) grandan energion elspezis por konvinki la plimultan dubemularon pri la utilo de la interkluba konkurso. Tiam la poentumado estis ne nur granda taksilo, sed eĉ pli granda spronilo de la poresperanta laboro.

Se la mondo pli kaj pli individuiĝas mi proponas nun vastiĝi de la kluba al la individua ranglisto. Facilas ellabori interesan detalan poento-sistemon, surbaze de la kluba, multo samas. La avantaĝoj jenas:

> Kuracisto:
> – Preparu vian edzon al la plej malbona.
> – Doktoro, ĉu li mortos?
> – Eĉ pli terure. Li ne plu povos trinki bieron...

1) En la konkurso povas partopreni krom klubanoj ankaŭ izolitaj e-istoj.

2) Oni vidos kiu estas kiu en la movado kaj juste honoros la eminentajn.

3) La individua konkurso eĉ pli spronos la emon ion fari por E-movado ol la kluba, en la klubo ne videblas la rolo de apartaj personoj.

4) La ĉiujare modifebla poenta sistemo iel nedevige (merkat-simile) gvidos la movadon. Ĉasante pli da poentoj la aktivuloj preferos fari "pli gravan" E-aktivecon. Necesas nur perfektigi la poentan sistemon multope kaj demokratie por eviti influon de nur unu persono.

5) La klubestroj povas sen kaprompo plani la laboron de la klubo, okulumante al la poenta tabelo (tion ni povas fari, tion ne povas, ktp).

6) La novaj E-aktivuloj tuj ekvidos la tutan interesan kampon de E-aktivado.

7) Simpla sumo de la klubanaj poentoj donas la kluban poento-kvanton.

8) Supozeble nian sperton de la individua konkurso iuj landaj asocioj transprenos por sproni sian E-agadon. La konkurado estas eco de ĉiuj aĝoj, ne vane sporto ĉiam popularas.

9) Venos tempo, kiam la individuan E-konkuradon enkondukos UEA. Tiam estos multe pli facile kaj juste nomi la esperantisto(j)n de jaro, sed ne tiel arbitre, kiel tion faras "La Ondo de Esperanto". La poenta sistemo ne elvokos dubojn aŭ ofendiĝojn.

La konkurado poentsistema devus por ĉiam enradikiĝi en E-movado. Ĝi ludos same gravan rolon, kiel la monsistemo en la merkata ekonomio. Tre gravas ne timi la detalecon kaj

kalkuladon. Ja la monon ni neniam laciĝas kalkuli, ĝis la kopekoj …

***Anatolo Gonĉarov (Sankt-Peterburgo)***

## BULLER GVIDOS INSTITUTON EN FINNLANDO

Osmo Buller, kiu forlasos la oficon de ĝenerala direktoro de UEA fine de februaro 2002, fariĝos direktoro de Päätalo-Instituto, kies sidejo estas en Taivalkoski, naskiĝloko de la populara finna verkisto Kalle Päätalo (1919-2000) kaj de Buller mem.

Päätalo-Instituto organizas staĝojn pri beletra verkado k.a. aktivaĵojn pri lingvo kaj literaturo. Lastatempe ĝi etendis sian agadon ankaŭ al Rusio kaj Svedio por kultivi la finnan lingvon tie. Pasintjare ĝi aldonis Esperanto-branĉon al sia fabelkonkurso por infanoj. La instituto apartenas al fondaĵo, en kiu partoprenas i.a. la municipoj de Taivalkoski kaj Tampereo, kaj Gummerus, eldonisto de la verkoj de Päätalo (kaj en 1904 ankaŭ de la unua lernolibro de Esperanto por finnoj).

***(GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA, N-ro 139)***

## NOVAJ ALIĜOJ KAJ KOTIZOJ

Nova aliĝinta kolektivo fariĝis ***Murmanska E-klubo*** (7 membroj).

Novaj individuaj membroj de REU por 2001 fariĝis ***Derevjagina Natalja (Novokuzneck), Isaeva Ljubovj (Vladimira reg.), Kapitonov Danil (Ĉeboksari), Koĵevnikov Aleksej (Sankt-Peterburgo), Miljner Aleksandr (Moskvo), Sabirov Aleksej (Permj)***.

Rezulte por la 15-a de novembro en REU estas: 44 dumvivaj membroj, 122 individuaj membroj, 3 familiaj membroj kaj 12 aliĝintaj kolektivoj kun sume 134 asociigitaj membroj.

**REU-kotizoj por la jaro 2002:**

100 rub. (por eksterrusianoj – 15 eŭroj) – individua kotizo (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton dum REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

2500 rub. – dumviva kotizo (ĉio la sama dum la tuta vivo);

20 rub. – familia kotizo (la membrokarto, voĉdonrajto dum REU-Konferenco);

100 rub. + 20 rub. por ĉiu membro – kolektiva kotizo (la membrokartoj, REGo kaj aliaj informoj de REU por la klubo, voĉdonrajtoj dum REU-konferenco).

*La rublaj kotizoj sendendas al **G.Kokolija** (la adreso estas en la lasta kovrilpaĝo), la eŭra kotizo pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.*



Ĉi tie vi povas vidi kiel dum StRIGo-7 en Vladimir la REU-estraranoj kantas gratule al Irina Gonĉarova jenan ŝercan modifon de la konata kanto:

Estas bela vi, Irin',
*En la REU-Estrar',*
Ni treege amas vin
*En la REU-Estrar',*
Kaj deziras nia sort'
*En la REU-Estrar',*
Ke ni kunu ĝis la mort'
*En la REU-Estrar'.*

# REJM-info

**redaktas Vitalij Malenko**

*Saluton al ĉiuj legantoj de REGo kaj REJM-info. Aŭtuno ne estas plej vigla por E-vivo tempo, sed kelkaj eventoj okazis, kelkaj pensoj aperis kaj rezulte kelkajn artikolojn vi povas trovi ĉi-sube. Komencos ni de ŝatata mia temo – pensoj pri Movado, kiujn ĉi-foje prezentas nia amiko Slavik Ivanov el la urbo Peterburg.*

## BELASPEKTA LINGVO



En la antaŭlasta numero de REGo mi en unu alineo provis esprimi mian komprenon de niaj finvenkismaj celoj. Tiu esprimo, versimile, estis tro nebula kaj mallonga – pro tio kelkaj samideanoj povis mistrakti mian pozicion. Ĉi-sube mi iom plidetaligas ĉion.

**Deklaracioj kaj realeco**

Mi havas vundeton en la animo. Oni diras, ke mi ne legis Bulonjan Deklaracion kaj pro tio ne komprenas la internan sencon de la nocio "esperantisto". Se vere estas tiel, do la estimataj samideanoj Aroloviĉ, Gudskov kaj V.Melnikov dum B-nivela ekzameno en la jaro 1999 preteratentis mian arogan senklerecon...

Tamen simpligi ĉion estas ne plej bona pensmaniero. Mi legis Bulonjan Deklaracion. Mi legis ne nur ĝin, sed ankaŭ jenon: "... por klare distingigi la lingvon disde ies personaj idealoj kaj por ŝirmi ĝin kontraŭ la entrudiĝo de fremdaj ideologioj, la kongreso akceptis la t.n. Deklaracion pri la esenco de Esperantismo" (U.Lins, La danĝera lingvo, parto 1.3). Oni simple "asekuris" kaj sin, kaj la lingvon.

Sed por ke simpla lingvo-uzanto iĝu esperantisto ne sufiĉis nomi lin tia. Ene de la Movado la vorto "esperantisto" ĉiam kunsignifis homon, kiu ne nur uzas, sed arde propagandas la lingvon. Pro tio aperis klasifiko (ne kontraŭstarigo): esperantistoj – E-lingvanoj. Laŭ ĝi "tute egale por kiaj celoj" Esperanton uzas ĉiuj E-parolantoj/E-lingvanoj, dum kelkaj el ili uzas la lingvon ankaŭ (aŭ sole) por celoj de Esperanto mem – estas ĝuste *Esperantistoj* laŭ kutima kompreno de la vorto (kaj mi ne kulpas, ke tiu kompreno ne koincidas kun la Bulonja difino).

Nun tra la Reto vagas milionoj da diversaĝaj diverslingvaj personoj, kiuj komunikiĝas inter si en lamanta angla (aŭ tute ne eliras el la kadroj de sialingva Reto). Uzantoj de la angla ofte nek legis originalajn Ŝekspir-aĵojn, nek konas multon pri fondiĝo de la Brita Regnokomunumo – tio ne tro malhelpas ĉinon pridiskuti ion kun turko. Ilin pli ofte malhelpas malriĉaj vortoprovizoj kaj nelerta uzo de gramatikaj (kvazaŭ-)reguloj. Mia nenocebla revo restas samtia vasta uzado de Esperanto, bona Esperanto. Tion mi nomus "Fina Venko"... Sed certe post la Venko la Movado pereos ... Domaĝe. Sed kia bela fino!

**Graveco de aspekto**

En mia antaŭa artikoleto mi diris interalie: "Retaj kursoj estas bonega ekzemplo de pure lingva instruado ... ne ĉiu ja interesiĝas pri etnografio de artefaritaj popoloj". Jen kaŭzo por ies (ĉu ne nacieca?) indigno. Ni ĉiuj ofte incitiĝas kaj ekkoleras, kiam oni eldiras neĝustaĵojn pri nia lingvo (kaj *pri la komunumo*). "Kaj eble estas en la mond' pli bona lando... ho-

moj... lingvo...” Plene naciecaj sentoj! Almenaŭ tiel *aspektas*.

Eble tiam mi skribis tro akre. “Artefarita popolo”, “sektec-naciece”... Sed la priskribo ja estis de la vidpunkto de eksterulo. Nia tro ofta miso estas nekapablo imagi nin deekstere. Jam post du-tri jaroj al ni ŝajnas, ke ni estas esperantistoj denaskaj kaj ke samideanoj en la mondo multegas. Sed estis ja tempo, kiam mi nenion sciis pri Esperanto! Ankaŭ estis du longaj jaroj, kiam mi, jam eklerninte la lingvon laŭ Sergejev-lernilo, vane serĉadis esperantistojn, sendis leterojn al BBC (Brita Radio), al gazeto “AiF” ktp., kaj jam aperis ĉe mi sento, ke dum mi lernis la lingvo mortis. Nur poste en Interreto mi trovis kaj multegajn legaĵojn, kaj korespondamikojn, kaj tre karajn por mi nun Andreon kaj Oĉjon. La unua E-lingva reeĥo ĝis nun ĉiam estas sur mia skribotablo – ĝi ĉiam sobrigas min kaj rememorigas pri miaj eventualaj samsortanoj, kiuj ie nun jam dubas, ke Esperanto ĝisvivis la 21-an jarcenton.

Ni eĉ por unu minuto ne rajtas forgesi, ke ni estas fakte publikaj homoj. Oni juĝas pri la lingvo laŭ ni – kaj do ne sufiĉas nur, ke la lingvo mem estas taŭga, ni mem devas esti logaj por eksteruloj. Dum REJM-konferenco en Serovo iu knabino eldiris pensigan frazon: “Kial niaj pli aĝaj samideanoj el REU tiel malatentas pri siaj vestoj? Ĉu ili speciale penas aspekti aĉe?” Mi povus respondi al ŝi, ke por **tiuj** la eksteraĵo jam ne gravas, ĉar la personegoj unuavice atentas pri la enhavo, ne pri la formo ... Sed mi silentis. Ĉar la junulino ja **milfoje** pravas: ni devas ĉiam aspekti bone, ni devas plaĉi, ni devas pensi pri tio ĉiam – ĉar oni nin spektas kaj laŭ la spektaĵo konkludas pri Esperanto.

Kiaj do estas ideoj? Estas malfacile ja plaĉi al ĉiu – ni do estu maksimume diversaj! Unu mia amiko diris: “Montru al mi seriozan libron pri matematiko en Esperanto, mi ĝin aĉetos kaj ĝenerale eklernos la lingvon”. Alia priridis la netendajn “tendarojn” (mi poste fiere fanfaronis al li pri la “Vojo al Hindio” kaj LETO). Pure lingvaj Ret-kursoj estas “nur rimedo atingi ankoraŭ unu celgrupon”, se paroli sekece. Se arde – aktiva helpo al niaj dume senlingvaj samideanoj, kiuj volus scii Esperanton por iaj propraj celoj. Kaj la celojn ni ne montru. Parto de la publiko ne trovas inter la montritaj siajn eventualajn celojn – kaj forturnas sin. Vere dependas de tio, kion ni propagandas – ĉu la lingvon, ĉu niajn celojn ...

**Graveco de Interreto**

Mi plene konsentas, ke Reta instruado postulas postan konversacian praktikon. Kaj tiu praktiko prefere estu “viva”. Pro tio ni senĉese reklamas en nia Ret-lernejo diversajn aranĝojn de E-mondo, kaj reklamas nesensukcese.

Rilatoj inter Interreto kaj Esperanto estas multe pli parencaj ol eblas imagi senpripense. Ambaŭ estas internaciaj, ambaŭ plenumas gravajn homajn bezonojn pri senbara interkomunikiĝo. Eblas krome diri, ke Interreto bezonas Esperanton (kaj al Esperanto disvastiĝo en la Reto ne malutilus). Lastatempe Interreto pli kaj pli sendependiĝas de la angla. Tio kaŭzas aperon de multegaj EtnoRetoj, kies nombro estas jam delonge pli granda ol nombro de surglobaj ŝtatoj. En tiuj kondiĉoj kelkaj E-aktivuloj en la Reto jam ekigis kampanjon kun slogano “Monda reto estu homa rajto! Monda lingvo estu homa rajto!”.

Mi jam parolis pri graveco de aspekto. Se ni ne atentos pri la Reta informado, ni povas perdi ankoraŭ parton de publiko. Niajn personajn vivojn tio apenaŭ tuŝos – ni daŭre ĝuos “simplan homan komunikiĝon”, sed sorton de nia lingvo (kaj sekve — sorton de l’ homaro) tio influus. Pro tio mi ĉiam ĝojegas, kiam aperas bone prizorgataj paĝaroj en aŭ pri Esperanto, kaj malbonhumoras, kiam vidas la fuŝajn aŭ ne trovas la necesajn. Homoj, ne neglektu la rolon de Esperanto ĉe Interreto.

**Eksklamacie.** Nu, ĉu vere aperas impreso, ke mi penas “elpensi ion ajn nur por aspekti pli moderna ol antaŭuloj”?! Amu min, murdist’. Mi tutegale ne kabeos.

***Sl.Ivanov (Peterburgo)***

## TERO-5

Karaj legantoj! Ni tre ĝojas informi vin, ke 9-11 de novembro okazis TERO-5 (Tataria Esperantista Renkontiĝo) en Kazanj! Kazanj situas preskaŭ egalfore de Ĉeboksari, Uljanovsk kaj Naberejnije Ĉelni kaj estas natura centro de Meza Volgio. Tial tiu urbo fakte estas konvena geografia loko por organizado de grandaj mezvolgiaj esperantistaj aranĝoj. Eble, pro tio (kaj certe pro penoj de la organizintoj) TERO-5 kunigis 61 (registritajn) homojn!

Okazis tiel, ke post organizado de brilaj, abundaj kaj amase partopenitaj TERO-1 kaj TERO-2 en Kazanj iliaj ĉefaj organizintoj (Vitalik Malenko, Aleksej Besĉastnov el Moskvo kaj Nailja Sajfullina, Ĵanna Amirova el Kazanj) laciĝis... Bravaj geesperantistoj el Naberejnije Ĉelni provis ne perdi tatarian E-renkontiĝon kaj organizis TERO-3 kaj TERO-4, tamen en ili partoprenis preskaŭ nur ĉelnanoj (TERO-3 estis kunorganizita ankaŭ de Kostik Viĥrov kaj Sergej Tiĥonov el ĈeNo)... Pro tio, kiam en Kazanj aperis homo (Julja Garafieva), kiu tute ne havis sperton, sed estis tre aktiva kaj entuziasma, ĉe Sergej Tiĥonov (nuna vicprezidanto de JEAĈR) aperis ideo nepre revenigi TEROn en Kazanj. Serĉjo kaj Julja pridiskutis la estingiĝintan E-movadon en Kazanj kaj decidis, ke por revivigo de kazana E-socio TEROn en tiu urbo organizi nepras!

Urĝe estis kreita organiza teamo, kiun eniris, krom la suprenomitaj homoj, Kostja Viĥrov, Danil Kapitonov (Ĉeboksari), Ĵanna Amirova kaj Lena (Kazanj). Tiuj homoj dum mallonga tempo sukcesis kunorganizi siajn samurbanojn kaj reklami la aranĝon inter aliaj urboj per la reto. La ĉefa celo estis altiri novulojn al Esperanto kaj konatigi ilin kun brila E-movado. Tial dum la aranĝo regis varma amika etoso kaj la programo estis konstruita tiel, ke ĉiuj restis kontentaj. Por ŝatantoj de kantoj pasis noktaj koncertoj de Sergeo Indubajev, por dancantoj – kursoj de balaj dancoj, "ĥastl" kaj eĉ brejk-dancoj far "krutaj" brejk-ĥip-ĥop-aj dancistoj, por kreaj homoj – kursoj de pentrado, versfarado, origamio kaj masaĝo, por pensemuloj – prelegoj kaj diskutoj pri la temo de la TERO ("Interkompreniĝo inter diversaj nacioj, kulturoj, religioj kaj simplaj homoj") far Serĉjo Tiĥonov, Danil Kapitonov kaj Ruŝana Aĥmetgareeva ("Amu, sed ne batalu!"), por rolludŝatantoj – rolludo "Babilono-5", rekte ligita al la temo ("Interkompreniĝo") kaj Esperanto (kiel onta kosma lingvo, en kiu interparolos ambasadoroj de diversaj planedoj!), por geesperantistoj – E-kursoj por startuloj, progresantoj kaj bonparolantoj (apartan dankon al Danil Kapitonov kaj Aleksandr Galkin!), por aliurbanoj – ekskurso tra belega Kazanj kaj certe por ĉiuj – bongustega kaj amuza "Vespero de tatara kuirarto"!

En la fino de la artikolo ni volus diri pri la signifo de TERO por ĉiuj partoprenintoj. Unue, tiu aranĝo kolektis kune multnombrajn ĉeboksaranojn, kazananojn kaj ĉelnanojn. Krom ili partoprenis reprezentantoj de Uljanovsk, Moskvo, Ivanovo kaj Samara. Due, ĉi TERO puŝis kazananojn al organizado de propra E-klubo (estu kun ili verda etoso!). Kaj fine, TERO influis komencantojn (tio estas jam grava afero)!

Ni opinias, ke TERO havas bonan perspektivon iĝi granda renkontiĝo por ĉiuj mezvolgiaj urboj! Ni esperas, ke okazos tiel! Ĝis!

**Viktor Nosov, Sergej Tiĥonov (Ĉeboksari)**

---

*Regionoj rakontas pri sia E-agado: tradicie – Ĉeboksari kaj (jam ankaŭ tradicie) Kostroma*

## JEAĈR ŜANĜAS ESTRARON

La 31-an de oktobro, tradicie, post Lingva Festivalo, okazis reelektoj de la Komitato de JEAĈR (Junulara E-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko). Unue, kiel kutime, la antaŭa Komitato prezentis la raporton pri sia agado kaj ĝi estis akceptita. Due, estis elektita nova Komitato, kiun eniris 7 personoj. Nova prezidanto de JEAĈR iĝis Danil Kapitonov. Aliaj komitatanoj

estas Sergej Tiĥonov, Marina Prokopjeva, Ljubovj Ĥaritonova, Nadeĵda Ĥaritonova, Oljga Ivannikova kaj Viktor Nosov. Ŝajnas, ke la unua tasko por ĵuselektita Komitato estos Festo de 10-jariĝo de la Asocio, kiu okazos fine de novembro.

***El la Raporto de la Komitato de JEAĈR (oktobro 2000 – oktobro 2001):***

La Komitato enhavis 7 personojn: Burmisova Jekaterina – prezidanto, Kapitonov Danil – vicprezidanto, Ŝlikanova Jevgenija – vicprezidanto, Tumaŝkov Andrej, Prokopjeva Marina, Stepanova Irina, Kapitan Irina.

1. Instruado: okazis 3 diversnivelaj kursoj.
2. Aktivul-Trejnaj Seminarioj: estis organizitaj 4 ATS kun la temoj: "Historio de Esperanto", "Interkulturo", "Skeleto de JEAĈR, aŭ Mi kaj mia organizo", "Kiel fari Lingvajn Festivalojn".
3. Karavanoj (Lingvaj festivaletoj) – okazis 3 en diversaj lernejoj.
4. Membroj de JEAĈR partoprenis en la organizado de Esperanto-aranĝoj en Rusio kaj eksterlande (StRIGo-6, EoLA-13, TEJO-seminario en Budapeŝto "Lingva ĉielarko – ponto al kulturaj trezoroj", Lingva Festivalo dum IJK (Strasburgo), la 6-a Internacia Lingva Festivalo en Ĉeboksari).
5. Interesaj kaj gravaj atingoj: Ĵenja Ŝlikanova dum EoLA estis elektita en REJM-komitaton kiel financisto; dum IJK Katja Ignatjeva estis elektita kiel Ĝenerala sekretario de TEJO; JEAĈR ekhavis propran konton; ĉi-jare JEAĈR sukcesis peti 5 grantojn, gajnis 2, kaj pri 2 atendas rezultojn.

***(eks-prezidanto de JEAĈR Katja Burmisova)***

## KOSTROMA ESPERANTISTARO HODIAŬ

Ĉi-jare nia klubo KETo ĉefe okupiĝas pri du gravaj aferoj. La unua estas preparo de REK, kiu pasos decembre en nia urbo, kaj la dua estas enkluba laboro pri plibonigo de la lingvoscio.

Mi komencu pri la dua. Nun dum ĉiu kluba kunveno pasas leciono, kiun mi gvidas laŭ Kolker-lernolibro. Lernantoj estas plejparte komencantoj, aliĝintaj al ni ĉi-somere dum rapidkurso. En la pasinta jaro ni tute ne organizis sufiĉe grandan kaj profundan kurson. Hodiaŭ antaŭ mi staras tasko instrui al klubanoj E-on, paroligi ilin, uzi la lingvon dum niaj kunvenoj. Helpas al tio ankaŭ korespondado, kiun proponas al ni e-istoj el la ĝemelurboj. Kunvenante ni ne nur lernas la lingvon, sed ankaŭ kantas, ludas kaj diskutas.

Post la propono gastigi REK-on en Kostroma nia e-ista vivo videble ankaŭ plivigliĝis. Mi starigis bonajn kontaktojn kun la urba administracio. Sekvajare nia urbo festos 850-jariĝon. La tuta urbo prepariĝas al tiu evento kaj estis kreita speciala departemento en la administracio. Kaj ĝuste la estro de tiu departemento – Babenko Gennadij Aleksejeviĉ – subite evidentiĝis eksesperantisto, kiu lernis E-on dum juneco, kaj kun varmaj sentoj rememoras tiun tempon. Dank' al la interkompreno mi ne havas malfacilaĵojn kiam parolas pri E-o, pri nia ideo ktp. Unuafoje, kiam mi telefonis al li, li la unua diris responde "Saluton!". Kiom granda estis mia miro! G.A. multe helpas al ni, preparantaj REK. Ni sukcesis ricevi permeson enigi la Kongreson en la oficialan programon de la festo kaj senteblan subvencion. Ni nun eĉ povas uzi oficialan simbolon de la datreveno sur niaj dokumentoj kaj, krome, estas kreata propra simbolo de REK per fortoj de urbaj fakuloj.

Aldone al ĉi tiuj sukcesoj, NI HELPAS AL LA ADMINISTRACIO. Komenciĝis ĉio de mia deziro trovi e-istojn en la ĝemelurboj de Kostroma. Mi kontaktis la fakulon pri ĝemelurboj, kiu laboras en la sama fako – Juŝko Vladimir Timofejeviĉ. Li donis al mi liston de la urboj, kun kiuj Kostroma komunikas, interŝanĝas grupojn, ktp. Ĝemelurbaj kontaktoj, kiujn mi starigis dank' al tio, jam donis unuajn fruktojn. El Norda Karolino venis leteroj kun la propono korespondi. Poste evidentiĝis, ke la administracio kreos TTT-ejon pri nia urbo

dediĉe al la jubileo. Mi, siavice, proponis fari E-an varianton (la TTT-ejo dekomence estas planata kiel multlingva). Por subteni la iniciaton kaj doni al la estroj konvinkajn faktojn, mi rete petis e-istojn tutmonde reagi al tiu iniciato kaj skribi, kion ili dezirus vidi en ĝi. Ĝuste tiu fakto, ke mi sukcesis rapide ricevi la unuajn rezultojn kaj post semajno prezenti al la administracio unuajn tradukitajn leterojn, plaĉis al la estroj. Ili dankis nin pro la helpo: "...ankoraŭfoje dankon pro via iniciato, kiu helpos krei TTT-ejon laŭ deziroj de eventualaj legantoj. Mi (Juŝko – A.K.) ankaŭ dankas vin pro la traduko, sen kiu ni ne povus tralegi mesaĝojn el diversaj partoj de la mondo, kaj kredu vi, mi tre ŝatas vian senprofitcelan servadon al tiu principa ideo, pro kiu aperis kaj servas al homoj Esperanto." Vere, ĉi-kaze nia komunumo efektivigis celon, kiu sen nia subteno ne ekzistus. Dank' al la mesaĝoj plej verŝajne estos la TTT-ejo en Esperanto. Oni diras, ke nepre estos la angla, la Esperanta, kaj eble la germana kaj la franca versioj. Denove Esperanto jam estas la dua! Gratulojn, karaj samideanoj!

Fine mi diru, ke nun plej grava celo por ni estas la organizado de urbaj ekskursoj. Por plenumi ĝin ni ĉiuj laboras kune.

***Aleksej Kuznecov (KETo, Kostroma)***

## ESPERANTO @ INTERRETO – 2001

La lernejo Katedralskolan en la antikva sveda urbo Uppsala gastigis 41 junajn Esperanto-aktivulojn el 17 landoj dum TEJO-seminario pri la temo "Rete kunlabori". Krom gvidado tra Uppsala kaj Stokholmo okazis multaj prelegoj pri Interretaj teknologioj: Java, PHP, XHTML ka. La gejunuloj pridiskutis kelkajn retajn projektojn (Interkulturo, tejo.org, "Kontakto"-paĝo ktp.), en la diskutoj naskiĝis multaj freŝaj ideoj kaj fruktopromesaj laborgrupoj.

Preskaŭ ĉiuj prelegintoj estas eminentaj en E-movado personoj: Franko kaj Janko Luin, Bertilo Venergren (Wennergren), Andreo Grigorjevskij, Radojica Petroviĉ – kaj eblas nomi ankoraŭ kelkajn. La spertuloj rakontis pri siaj sukcesoj kaj donis valorajn konsilojn.

La programo estis verŝajne bone aranĝita – ĉar restis kaj homoj, kiuj opiniis ĝin tro streĉa, kaj tiuj, kiuj volus studi eĉ pli. Bonaj lernokondiĉoj kaj strange varma por la sezono vetero ebligis sufiĉe efikan instruadon.



Nian landon en la seminario prezentis: Andreo kaj Nataŝa Grigorjevskije, Slavik Ivanov, Oleg Izjumenko, Nastja Koĵevnikova kaj Julinka Litvinova. Iusence ankaŭ Viktorija Budkeviĉ kaj Katja Ignatjeva, kiuj nun loĝas eksterlande. Rusianoj alportis kelkajn ekzemplerojn de REGo – kaj la gazeto estis escepte populara, precipe dum noktaj deĵoroj (laŭ kontrakto kun la lernejo ni devis laŭvice gardi la ejon), kiam povraj gardistoj enuegis kaj petis "ion por legi".

La seminario vere sukcesis. Espereble ĝi tre influos la nivelon de junaj aktivuloj en la Interreta agadkampo. "Esperanto estas komunikilo interhoma, sendependa de nacieco kaj gepatra lingvo. Ne gravas el kiu lando vi estas, la eblo komunikiĝi samas! Interreto estas komunikilo interhoma, sendependa de geografia distanco. Ne gravas en kiu lando vi estas, la ebleco komunikiĝi samas! Ambaŭ kune eĉ pli bone! Kaj tio estas ĝuste Esperanto@Interreto" (el "E@I-dogmoj").

***Sl. Ivanov (Peterburgo),***
*REJM-komitatano pri Interreto*

## E@I–2001: RETE KUNLABORI

Dum unu semajno de la 28-a de oktobro ĝis la 3-a de novembro en Upsalo (Svedio) okazis TEJO-seminario "Esperanto@Interreto–2001" (paralele kun resuma renkontiĝo por E@I–2000, organizita de Baltmara Fondaĵo).

Kiel esperantistoj povas uzi eblojn, provizatajn de la Reto, por disvastigado de la lingvo internacia aŭ por publikigado de interesaj kaj valoraj informoj en Esperanto? Kiel plialtigi la nivelon de priinterretaj scioj, spertoj kaj uzkapabloj de la plej aktivaj membroj de TEJO? Kiel kuraĝigi ilin kontribui al diversaj jam ekzistantaj esperantlingvaj retprojektoj kaj instigi al realigo de la novaj? Ĉiuj tiuj demandoj estis respondataj dum la seminario, kaj ĝiaj ĉefaj celoj estis levo de interret-scioj en TEJO, fondo de teamoj por ttt-projektoj kaj (eventuale) kreo de aparta E@I–fondaĵo por financi la plej indajn estontajn ret-entreprenojn.



Dum la oficiala parto de la programo la partoprenantoj povis ricevi imagon kaj konatiĝi kun la plej perspektivaj kaj vaste uzataj teknologioj de ret-konstruado. Per siaj prelegoj al ili dum la tuta semajno estis helpantaj:

***Bertilo Wennergren*** – sperta interret-programisto, membro de la Akademio de Esperanto, drumisto en "Persone" – rakontis pri komputilaj kaj retaj terminoj, signokodoj, mark-lingvoj;

***Hokan Lundberg*** – programisto, estrarano de TEJO pri informado kaj interreto – pri skript-lingvo JavaServer Pages (JSP);

***Clayton Smith*** – programisto, estrarano de Junularo Esperantista Kanada – pri program-lingvo Java;

***Aaron Chapman*** – ttt-aspektisto, prezidanto de Junularo Esperantista Kanada – pri aspektigado de ttt-ejoj;

***Janko Luin*** – ĉefprogramisto de ttt-ejoj esperanto.se kaj esperanto.nu, denaska parolanto de Esperanto – pri skript-lingvo PHP.

Krome okazis aliaj "neteknikaj" prelegoj pri rolo de interreto en la nuna socio (Henning von Rossen) kaj eventuala estonto de Esperanto en la Reto (Andrej Grigorjevskij), ambicia ILEI-projekto "Interkulturo" (Radojica Petroviĉ), nova retkurso "Esperanto Viva!" (Ian Fantom), novaĵletero "TEJO-aktuale" (Giuseppe Castelli) kaj aliaj tre interesaj ekzemploj de reta kunlaboro kaj mirindaj projektoj de uzo de potencialo de la Reto por servi al interesoj de la tutmonda esperantistaro.

Antaŭ apero de amaskomunikiloj la kosto de komunikado same estis altega – pro grandaj distancoj. Hodiaŭ la centjaraĝa projekto de la internacia lingvo kaj la plej nova kaj rapide populariĝinta amaskomunikilo renkontas unu la alian. Oni povas vidi ke ĉi tiuj du aferoj kvazaŭ estis kreitaj unu por la alia – ambaŭ radikale plifaciligas internacian komunikadon kaj malgrandigas ĝian koston. Mi opinias ke preskaŭ ĉiuj esperantistoj hodiaŭ klare konscias ke Esperanto bezonas la Reton! Kaj eble iam venos la tempo kiam aktualiĝos ankaŭ la frazo "La Reto bezonas Esperanton!".

Ĝuste tial dum la seminario aperis kelkaj laborgrupoj, inter kies celoj estis starigo de novaj ttt-ejoj de TEJO kaj Kontakto, finkreo de la interaga reta kurso "Esperanto Viva!", rekonstruo de la virtuala lernejo "Tibor Sekelj", kaj evoluigo de tre utila helpilo por instruistoj Edukado.Net. Dum viglaj diskutoj estis generita amaso da ideoj, kaj oni povas nur esperi pri ilia efektiva realigo ekster kadro de la seminaro.

Ankaŭ ekster la oficiala programo okazis multaj interesegaj aferoj.

***Kunsidoj de la nova TEJO-estraro:*** laŭ opinio de la aŭtoro la ĵus elektita teamo de estraranoj estas tre ambicia kaj – samtempe – ĝi konscias pri eraroj de siaj antaŭuloj, kuraĝas havi grandajn planojn, kaj ne timas fari realan laboron por ilia efektivigo.

***Diskutrondoj de instruistoj kaj instruantoj de Esperanto:*** ilia ĉefa temo estis serĉado de manieroj kreskigi novan generacion de novaj instruistoj-"steluloj", povuntaj alporti al la movado milojn da novaj esperantistoj. Estis proponita okazigi specialan trejn-seminarion por gejunuloj, kiuj okupiĝas pri instruado de Esperanto. Tiu seminario prezentus al la partoprenantoj diversajn manierojn kaj metodojn instrui, atentigus pri la plej efikaj el ili, kaj ĝenerale povigus gejunulojn instrui interese – kaj ne nur pri la lingvo, sed ankaŭ pri la movado, historio kaj la kulturo de Esperanto-komunumo. Se la estraro sukcesos realigi ĉi tiun ambician planon, tiam ĝi povus fariĝi unu el la plej gravaj venkoj de TEJO dum la lasta jardeko.

***Proponoj de kunlaboro*** inter diversaj landaj sekcioj de TEJO, ekzemple tiuj de Rusio kaj Litovio. Tiu kunlaboro povus preni diversajn formojn: de la programo de interŝanĝo de instruistoj ĝis starigo de komuna eldono – se nur ĉeestos reciproka intereso, deziro kunlabori, kaj kompetentaj volontuloj, pretaj enspiri vivon en tiujn projektproponojn.

Certe ne mankis ankaŭ la kultura kaj amuza programoj: ekskursoj tra Upsalo kaj Stokholmo, konatiĝo kun la seminariejo (la plej malnova meza lernejo en Upsalo), "maloscedigaj" ludoj, gufujo kaj dancoj estis sufiĉe popularaj inter la partoprenantoj por de tempo al tempo fortiri ilin de komputilaj ekranoj.

Kvankam la SEMinario jam finiĝis, la komenciĝinta kunlaboro daŭros, kaj eble la semoj, plantitaj en Upsalo, iam donos kelkajn vere mirindajn fruktojn… Kun la resuma evoluado de la seminario oni povas konatiĝi ĉe <www.ikso.net/echei/2001/>, kie troviĝas ankaŭ ĝia programo, listo de la partoprenantoj, informoj pri la kurseroj, ligiloj al diversaj retaj Esperanto-projektoj kaj amuzaj fotoj faritaj dum la aranĝo.

***Oleg Izjumenko (Moskvo)***

---

*Nun vin atendas rakonto pri okazigita por ekstera publiko aranĝo en Ivanovo.*

## MULTLINGVA FOIRO

La 20-an de oktobro en Ivanovo okazis festivalo "Lingva foiro" enkadre de programo "Eŭropa jaro de lingvoj sur Ivanova tero". "Lingvan foiron" kunorganizis Ivanova junulara E-klubo "Teamo" kaj Ivanova Ŝtata universitato. Ĉi tiu "Lingva foiro" similis al tradicia Lingva Festivalo, ĝi eĉ okazis laŭ la sama skemo de paralelaj prezentoj. Tamen la "foiro" enhavis ne prezentojn de lingvoj, sed etajn lecionojn, kie partoprenintoj povis ion lerni en la lingvo. Post la unua bloko de prezentoj oni jam povis aŭdi en la koridoro: "Dĵenj dobri!" aŭ "Isemnisis!".

Nia ideo estis montri al interesitaj urbanoj, kiujn lingvojn eblas lerni en Ivanovo. Gastoj povis enskribiĝi por daŭra lernado de iu lingvo. Tio estas, laŭ mi, tre grava, ĉar estas homoj kiuj volus studi, ekzemple, italan lingvon, sed tute ne scias kie trovi instruiston. Krom sufiĉe "raraj" lingvoj, kiel la mongola, pola, cigana, tatara, armena, estis prezentitaj ankaŭ tiuj lingvoj, kiujn tradicie oni instruas en lernejoj kaj institutoj: la angla, germana kaj franca. Tamen ne la lingvoj mem, sed metodoj de ilia instruado. Ekzemple, estis 4 metodoj de angla lingva instruado, inter kiuj mi trovis ankaŭ "Anglan lingvon tra The Beatles". Tie ni kantis "kun John Lennon" kaj eĉ provis amkonfesi per vortoj de lia kanto. Esperanto, certe, ankaŭ estis. Programo enhavis tri prezentojn de ĝi: laŭ metodo "ekspresinstruado" (gvidis Andrej Grigorjevskij), laŭ la moskva metodo "Faru la rondon" (gvidis Laci Neniam) kaj per animacia filmo en E-o "Mazi en Gondolando". La sama filmo estis montrita ankaŭ en angla lingvo. Gastoj povis partopreni ankoraŭ en kelkaj aliaj videokursoj de lingvoj.

Kiel kutime tio okazas, estis kaj popularaj kursoj kaj ne tro, kien organizantoj venis

mem por ne ofendi la instruiston. Sed kion fari? Tio estas leĝo de iu ajn foiro: ju pli bone oni reklamos sian kurson, des pli multe da homoj venos. Fine de la "Lingva foiro" ni demandis partoprenintojn, kiuj prezentoj plej plaĉis al ili. Do, la plej ŝatitaj estis itala lingvo kaj Esperanto laŭ metodo "Faru la rondon".

Plejparte al la aranĝo venis lernantoj. Eble, pro tio ke la festivalo okazis en universitato, kien ili planis poste eniri. Do, ĉi tiu "foiro" estis eksperimento, ĉar la unuan fojon ni okazigis festivalon de kursoj, sed ne de prezentoj. Ĉu sukcesa aŭ ne sukcesa ĝi estis, eblas diri nur kompare kun tiu LF, kiu jam dufoje okazis en Ivanovo. Kiam mi partoprenis Ivanovajn LF-ojn, mi ne ĉiam estis kontenta, ĉar sufiĉe ofte oni venas al iu prezento kaj tie lernas pri la lingvo kaj pri popolaj tradicioj kaj vestaĵoj, sed ne la lingvon mem. Sed ĉi tie la instruistoj estis ĝuste orientitaj instrui la lingvon. La lingvo estis ĝuste kion oni ricevas, venante al la leciono. Ne la kulturon kaj eĉ ne rakonton pri la lingvo, sed ĝin mem. Se homo venas al la aranĝo, li aŭ ŝi atendas la lingvon, ĉar la aranĝo nomiĝas ĝuste Lingva Foiro (aŭ festivalo). Kaj gravas ke li ricevu tion kion li atendas, tiam li estos kontenta. Tamen estas ankaŭ grava avantaĝo de LF-oj: pro tio, ke la lingvo ne nepre devas tie esti instruata, eblas prezenti pli da lingvoj (prezentojn povas gvidi ne nur instruistoj, sed simple posedantoj), kaj eblas kompreni la vorton "lingvo" pli vaste, ĝenerale kiel rimedon de komunikado: prezenti ne nur la etnajn, sed ankaŭ lingvojn de korpo, lingvon de danco, teatro, ktp.

Dum la "Lingva Foiro" okazis Konkurso de Poliglotoj laŭ Ĉeboksara modelo. Ĝin gvidis Nataŝa Grigorjevskaja, kaj por "Teamo" estis tre agrable, ke la duan lokon en la konkurso okupis nia klubano Miŝa Baranov.

Post la "Lingva Foiro" ni okazigis ankaŭ Karavanon de Lingvoj en ivanova lernejo-gimnazio № 32. Karavano enhavis 4 lingvojn – Esperanton, mongolan, ciganan kaj tataran. La "Lingva Foiro" estis nur la unua parto de granda festivalo "Lingvoj malfermas pordojn" enkadre de Eŭropa Jaro de Lingvoj sur Ivanova tero. La dua parto okazos fine de la novembro kaj enhavos Lingvan Festivalon, kiun preparas Ivanova klubo de esperantistoj.

***Sonjo Ŝejnina (Ivanovo)***

---

*Sian laboron pri ruslingva e-ista ret-eldonaĵo prezentas la populara en REJM-info aŭtoro:*

## "NOVOSTI ESPERANTO-DVIĴENIJA" – GAZETO POR KROKODILOJ

En la komenco de 2000 nia fierinda aktivulo Andreo Grigorjevskij fondis en interreto interesegan informilon – ruslingvan dissendon "Novosti Esperanto-dviĵenija" (ĝis tiam vastaj informoj pri Esperanto kaj esperantistoj en la rusa aperis nur en "Ruslanda Esperantisto" kaj en la libro de Aleksandr Melnikov "Portret idei..."). Nun Andreo havas tro (eĉ **por li** tro) da diversaj farendaĵoj kaj pro tio li proponis al mi, lia kunlaboranto pri "Novosti…", iĝi ĝia ĉefredaktoro. Mi taksas la laboron ege grava kaj interesa – pro tio mi konsentis.

Reta dissendo ne estas diskutgrupo (la lastajn oni ofte misnomas "dissendolisto"). Reta dissendo funkcias kiel kutima (tamen senpaga) gazeto – ĝi aperas pli-malpli regule en la (ret)kestoj de siaj abonantoj. La abonantoj povas kontakti la redakcion, sed ne inverse – por ke la redakcio eĉ ne havu eblon por ajna nepermesata uzo de abona adresaro. Tia politiko kaj aŭtoritato de la servilo Subscribe.Ru vere logas legantaron. La kvanto de niaj abonantoj multfoje ŝanĝiĝis dum la lastaj du jaroj kaj nun estas ĉ.1200 personoj. Certe estas negranda cifero, sed ja tio superas averaĝan eldonkvanton de lokaj aŭ amatoraj gazetoj.

La dissendo "Novosti..." nun aperas dufoje monate. Laŭ mi ĝuste tia ofteco estas bona por ekstermovadano, kiu interesiĝas pri nia lingvo kaj pri la homoj, kiuj ĝin uzas, sed samtempe ne volas ke lia/ŝia retpoŝta kesto plenŝtopiĝu per Esperantaĵoj.

Foje ni organizas enketadon pri la enhavo de la dissendo inter niaj legantoj. Pluraj el ili

ŝatas malgrandajn facilajn tekstojn en Esperanto kun vortareto (tio similas vortokrucon en pli banalaj rusaj periodaĵoj), informojn pri lingvaj problemoj en la mondo, rakontojn pri historio kaj nuntempo de Esperanto-movado. En ĉiu numero ni strebas do trovi "la oran mezon", rakontante jen pri tio, jen pri alio. Estas ekigita nova projekto "Esperanto tra la mondo", kadre de kiu ni dediĉas duonon de numero al iu E-centro (lastfoje ni rakontis pri Kostroma).

Mi volas elkore danki miajn valorajn kunlaborantojn, inter kiuj elstaras:

***Aleksandr Osokin,*** kiu profesie provlegas la rusan tekston, senkompate kritikante la stilon kaj gramatikajn misuzojn. Krome li multe konsilas pri teknikaj aferoj, ofte aldonas freŝajn ideojn pri la enhavo.

***Nataŝa Grigorjevskaja,*** kiu pliprecizigas niajn informojn – ekz. dank' al ŝi en la lasta numero aperis kontaktadreso de Esperanto-kurso en Vladimir.

***Nastja Koĵevnikova, Ljoŝa Kuznecov kaj aliaj,*** kiuj helpas pri siaj regionaj novaĵoj.

***Andreo Grigorjevskij kaj Garik Kokolija,*** kies inform-riĉaj periodaĵoj estas gravaj fontoj de nia "Novosti...".

Uzante la ŝancon alparoli vastan rusian esperantistaron, mi petas **ankaŭ vin** kunlabori. Precipe valoras kontribuoj pri Esperanto-vivo en Siberio, Fora Oriento kaj eksterlando kun multaj ruslingvanoj (eks-Sovetiaj respublikoj, Germanio, Israelo k.a.). Vi povas inspiri al verkado viajn komencantojn (speciale la "eternajn") – ĉar temas ja pri **ruslingva** periodaĵo. La kontribuojn sendu rete al la redakcio <esperant@pochta.org> aŭ, se vi tute ne havas interreton, paperpoŝte al 198504, Санкт-Петербург, Петродворец, ул. Халтурина 15/2, Иванову Вячеславу.

Kontribuante, verku en la rusa – ial multaj ŝatas min ekzerci en tradukado. Ne forgesu, ke vi verkas por gazeto – viaj artikoloj devas esti facilaj, nelongaj, interesaj. Ne timu ŝercojn kaj etajn troigojn. Iĝu nia korespondanto!

Mi volas speciale emfazi valoron, kiun havas la jam granda arkivo de "Novosti..." – vi povas libere ĝin uzi por ruslingva informado. La TTT-adreso de la dissendo (kie troviĝas la arkivo kaj statistiko) estas <http://subscribe.ru/catalog/culture.esperanto>.

***Sl. Ivanov (Peterburgo)***

---

*En REJM-info ni penas doni ankaŭ interesajn infomojn pri E-vivo en eksterlando. Multnombraj aranĝoj aŭtune ne okazas, do – ni legu pri burokrataĵoj.*

## ESTRARKUNSIDO DE TEJO

Ekde la 28-a ĝis la 30-a de septembro en la Centra Oficejo (mi ĝis nun ne povas kompreni kies Centra Oficejo ĝi estas: de UEA? de TEJO? de la tuta Esperantujo?) okazis estrara kunsido de TEJO.

Kiel vi komprenas el la nomo de la okazintaĵo, ĝi havas jenajn du principojn: 1) oni devas kunsidi; 2) tiuj "oni" estas estraranoj de TEJO. Sed, parolante serioze, estrara kunsido treege gravas por funkciado kaj de TEJO-estraro, kaj, ne lastavice, por la pli bona farto de la tuta organizo.

Por efika laboro de ajna asocio, organizo, grupo gravas ne nur havi celojn de agado, sed ankaŭ enhavon de ĉi agado, kaj, kio gravas eĉ pli, klaran planon por ĉi enhavon realigi. Do, unu el celoj de estrara kunsido (kiu, cetere, okazas dufoje jare: iam dum autuno kaj iam dum printempo) estas elekti prioritatajn erojn de TEJO-agado kaj decidi pri la maniero per kiu oni povas atingi la planatajn rezultojn (en tio ankaŭ gravas proponoj flanke de komitatanoj kaj aktivuloj de TEJO: do, se vi havas interesan laŭ vi iniciaton, ne hezitu proponi ĝin al aliaj aktivuloj kaj estraranoj).

Tiuj, kiuj interesiĝas pri instruado de Esperanto, havas sperton pri tio kaj krome multajn ideojn pri instruado, E-o kaj internacia agado, kaj krome pretas multe labori por kontribui al agado de TEJO (aparte al tiu, rilata al instruado) bonvolu anonciĝi ĉe la estrarano pri seminarioj Sonja Petrović <sonja@ikso.net> kaj Ĝenerala sekretario de TEJO Katja Ignatjeva <katido@mac.com>.

Krome por la estraro (kiu plejparte povas interkomunikiĝi nur pere de reto) gravas bone konatiĝi unu kun la alia, kaj ekhavi tiun "teaman" senton, kun kiu estas multe pli agrable kaj instige kune labori por komuna organizo.

Ĉi-jare dum la estrara kunsido oni devis priparoli ĝeneralajn direktojn de TEJO-agado por sekvaj du jaroj. Ofte okazas tiel, ke gravaj eroj de agado restas sen atento, dum oni deflankiĝas al agado pri interesaj, sed malpli gravaj aferoj. Pro tio estis grave akcepti iun minimuman realigindan programon, kiun oni nepre devas plenumi por provizi bazan funkciadon de la organizo Tiu programo (kiun oni mallongige nomis "Miniprog") estis akceptita. En ĝi atento estis direktita al tiom nepraj partoj de TEJO-vivo, kiel IJK, dumjaraj trejnseminarioj, strukturigo de KER-laboro kaj koncentriĝo pri pli efika informado pri TEJO-agado kiel al ĝiaj membroj, tiel ankaŭ al interesitoj kaj ekstera publiko.

Post la akcepto de "Miniprog" oni multe diskutis pri la maniero, en kiu oni realigos ĉiun apartan programeron. Krome, multajn diskutojn vekis la nuna situacio pri restrukturigo de la Centra Oficejo (pro kiu ekestis la ideo havigi al TEJO propran oficiston), konkretaj temoj de venontaj trejnseminarioj, ktp.

Krom estraranoj la kunsidon ĉeestis ankaŭ deĵoranta en la CO volontulo de TEJO (Christopher Culver), observanto de UEA-Estraro (ĉi-foje estis la estrarano de UEA pri financoj Ans Bakker) kaj Direktoro de la Centra Oficejo (Pasquale Zapelli).

Oni povas diri, ke la celoj de la kunsido (krei "teaman" senton, akcepti "Miniprog" kaj strukturigi prioritatan agadon de TEJO) estis atingitaj. Kvankam, sincere dirante, tio ne estis tute facila. Ja se temas pri internacia organizo, en kies estraro estas reprezentantoj de 6 diversaj landoj (8, se kalkuli ĉiujn ĉeestantojn) kun sama kvanto de diversaj pensmanieroj kaj foje tute "polusaj" vidpunktoj pri la samaj aferoj, ne ĉiam estas facile trovi interkompreniĝon kaj des pli komunan solvon de problemoj… Sed tamen, kiel montris realo, kun iom da trejnado eĉ tion oni povas ellerni.

***Katja Ignatjeva, Ĝenerala sekretario de TEJO***

*P.S.: por atingi la estraranojn de TEJO uzu la retadreson <tejo-estraro@esperanto.org> aŭ simple kontakti Ĝeneralan sekretarion de TEJO Katja Ignatjeva <katja@tejo.org>*

---

Okazas juĝproceso pri murdo. La pruvoj estas sufiĉaj, tamen la korpo de la murdito ne estas trovita. La advokato de la akuzato alparolas la juĝistojn:
– Mi havas por vi surprizon. Post malpli ol unu minuto ĉi tien eniros la homo, kiun vi kredas esti murdita fare de mia kliento.
La juĝistoj ekrigardas la pordon. Pasas unu minuto, du, kvin – neniu eniras. La advokato diras:
– Jes, efektive, mi mensogis, sed ja vi ĉiuj rigardis la pordon, sekve do vi pensis ke eble la kvazaŭviktimo de mia kliento plu vivas. Kaj ĉar ĉiuj duboj estas traktataj favore al la akuzato, do mi postulas agnoski lin senkulpa.
La juĝistoj foriras por verdikti. Post la interkonsultado ili anoncas: "Kulpa". La advokato:
– Sed ja duboj estas traktataj favore al la akuzato, kaj mi vidis, ke ĉiuj rigardis al la pordo!
La ĉefjuĝisto:
– Jes – ĉiuj KROM LA AKUZATO!

# Eksciu, ke...

## ELANA AKTIVIĜO EN VOLGOGRADO

En oktobro mi vizitis Volgogradon kaj interalie havis la plezuron renkonti la E-konatojn en tiu urbo. Ili havas plurajn novaĵojn, pri kiuj miaopinie indus rakonti.

Unue, nun en la urbo funkcias du E-kursoj (bonega progreso post pluraj jaroj, kiam preskaŭ nenio okazis). La unua kurso, okazanta en la suda parto de la urbo, estas gvidata de Tatjana Vtorova – iama lanĉinto de E-movado en Volgogrado. En ŝia kurso partoprenas 12 personoj, preskaŭ nur inoj. La kurso okazas en ejo senpage disponigita de distrikta administracio. La lernantoj estas ege entuziasmaj – almenaŭ kelkaj el ili tutcerte. Ekz. kiam Tatjana menciis, ke momente la plej aktivaj E-centroj en Rusio estas Ĉeboksari kaj Ivanovo, unu el ili tuj deklaris: "Sed baldaŭ estos Volgogrado!".

En la norda parto de la longega urbo E-kurson gvidas Edik Kolosov (por mi estis agrable ekscii, ke al li instruis la lingvon iama mia lernanto). Edik okazigis modelan reklamkampanjon por la kurso, preparis ege impresan prezentadon pri E-o kaj la movado (i.a. li faris 7-minutan videofilmeton, prezentantan diversajn allogaĵojn de E-vivo), belan plurkoloran afiŝon kaj tre bonajn materialojn por ĉiu leciono. Al la kurso aliĝis 17 personoj. La prezo de la kurso estas 160 rub. por monato! La kotizo estas tia ĉefe pro la alta lukosto, sed ankaŭ rezulte de komparado kun la prezoj de aliaj lingvaj kursoj. Laŭ la vortoj de Edik, ĉiuj kursanoj volonte pagis la sumon, bone imagante dank' al la antaŭa informado, kiom utila estas la scio de la lingvo.

Mi miaflanke klopodis subteni la urban E-movadon, doninte intervjuojn pri Esperanto al regiona junulara radio "Fokus" kaj al du ĵurnaloj – "Veĉernij Volgograd" kaj "Molodoj – SR". Krome mi vizitis la prezidanton de la regiona komitato pri junularaj aferoj Andrej Varakin (mian universitatan amikon), parolis pri la vivo, junulara agado, E-movado, Lingvaj Festivaloj kaj Festivaloj de Interesoj, kaj rezulte interkonsentis ke la komitato subtenos la estontan Lingvan Festivalon, planatan en Volgogrado. Pri la Festivalo de Intereso Andrej Varakin informis al mi, ke samtitolajn festivalojn nun planas okazigi en ĉiuj regionoj RSM (Rusia Junulara Unio). Do, bona ideo rapide disvastiĝas...

***Andrej Grigorjevskij (Ivanovo)***

## SALUTON, FRANCIO!

Ĉi-aŭtune Tiĥvin festas 10-jaran jubileon de la ĝemeliĝo kun franca urbo Herouville Saint Clair. Niaj Esperanto-kluboj dum tiu tempo havas konstantajn kontaktojn kaj ĝuste en kadroj de tiu amikeco mi ricevis inviton de niaj francaj samideanoj pasigi 2 semajnojn en tiu belega lando. Ĉefa celo de tiu vizito estis partopreno en maratono de libereco en la urbo Caen, sed kiam mi eksciis ke en la sama tempo okazos Kongreso de francaj esperantistoj, mi decidis uzi la okazon kaj partopreni ankaŭ tie.

En Parizo mi ricevis varman akcepton kaj konatiĝis kun lokaj esperantistoj. Poste mia vojo daŭris ĝis urbo Limoges, kie okazis la unua komuna Kongreso de ĉiuj francaj E-organizaĵoj (Esperanto-France, JEFO, Fervojistoj ktp), kolektinta pli ol centon da partoprenantoj. Mi kun intereso vizitis la ekskurson tra tiu antikva kaj belega urbo, rigardis filmon pri la regiono en Esperanto, aŭskultis la prelegon pri komputiloj kaj uzo de la reto (por mi estis agrable, ke kiam oni montris laboron de ret-babilejo estis rimarkite, ke ĝin organizis Julinka Litvinova el Tiĥvina E-klubo). En la Kongreso konstante laboris libroservo kaj diversaj ekspozicioj pri Esperanto, mi konatiĝis kun multaj kongresanoj dum laboraj tagoj kaj

adiaŭa bankedo. Sed kio estis por mi nekutima post rusiaj renkontiĝoj, ke neniu havis gitaron, do forestis komunaj kantoj, ludoj. Nur brila koncerto de la grupo Kore vivigis trankvilan fluon de la kongreso. Kaj lasta rimarko: preskaŭ ĉio en tiu Esperanto-Kongreso estis … en la franca lingvo. Mi komprenis, sed dua eksterlandano (el Britio) enuis.

Dum rea vojo mi konatiĝis kun ĉarma urbo Rouen kaj venis finfine en Herouville. Ĉi tie mi sentis min kiel hejme, ĉar ĉie estis amikoj. La loka Esperanto-klubo estas la plej forta en Normandio kaj ĝin ofte vizitas gastoj el diversaj landoj. Ekzemple tie estis N.Kublanova, N.Koĵevnikova, V.Cvetkova, J.Turkina, post mi estis atendata A.Junusov. Dum mia restado estis organizitaj diversaj renkontiĝoj, ne nur kun esperantistoj. Mi vizitis la kunsidon de asocio de amikeco de niaj urboj, faris laborajn vizitojn en la urbodomo, kie konatiĝis kun la nova urbestraro kaj rakontis al ili kiel Esperanto helpas al niaj kontaktoj. En regiona gazeto Ouest France aperis artikolo pri mia vizito. 2 semajnoj forflugis rapide kiel en fabelo. Dank' al Esperanto mi faris tiun vojaĝon kaj ne havis lingvajn barojn en eksterlando.

***Aleksandr Belov (Tiĥvin)***

## ESPERANTOLOGIA FAKULTATO EN KCE

La Kultura Konsilio de KCE aprobis la projekton de Esperantologia Fakultato, ellaboritan surbaze de propono de d-ro Giorgio Silfer. La projekto iros al la Asembleo de Kultura Centro Esperantista por la definitiva aprobo, kiu antaŭvidas aplikon ekde 2003 aŭ 2004. La Esperantologia Fakultato de KCE estos malgranda privata universitato, kiu zorgos pri la evoluigo de esperantologio ĉiudirekten: E-beletristiko, historio kaj sociologio de Esperantio, (inter)lingvistiko, komunikosciencoj kaj metodiko aplikitaj al Eo. Ĝi estos strukturita laŭ katedroj (de tri ĝis kvin), kun profesoroj nomumitaj inter esperantologoj rajtaj instrui en universitato; sub la kunordigo de rektoro, ili povos peti la helpon de fakuloj (nomataj docentoj) sen specifaj akademiaj rajtoj (ekz. valoraj verkistoj aŭ pedagogoj). La Esperantologia Fakultato devos produkti ne nur kursojn, sed ankaŭ tekstojn universitatnivelajn. Tiurilate ĝi signifos la plej altan investon interne de Esperantio por la ĉiudirekta progreso de esperantologio.

***(el HeKo 131)***

## LITERATURON STUDI TELEMATIKE

Startis la ĉi-jara perkoresponda kurso de Kultura Centro Esperantista pri la Esperanto-literaturo, sub la gvido de d-ro Giorgio Silfer.

La kurso okazas unuafoje tute per retpoŝto. La partoprenantoj (sinjorinoj el kvin landoj: Finnlando, Francio, Hungario, Japanio, Svislando) ricevadas la lecionojn, ilin studas, taskojn plenumas. Ekzercoj, demandoj, komentarioj, klarigoj atingas ĉiujn samtempe. Tial la kurso disvolviĝas preskaŭ ĉiutage.

Referencaj tekstoj estas precipe "Enkonduko al literatura kritiko" de Silfer, "Esperanta Antologio" de Auld kaj "La 33 rakontoj" de Rossetti-Szilágyi.

La kurso daŭros ĝis somero 2002.

***(el HeKo 132)***

## DATREVENO DE JUNULARA E-MOVADO EN ĈEBOKSARI

Antaŭ 10 jaroj en Ĉeboksari aperis unua junulara E-klubo. Al tiu rimarkinda evento estos dediĉita speciala festa kunveno, kiu okazos en Ĉeboksari la 1-an de decembro. REGo kore gratulas niajn ĉeboksarajn geamikojn okaze de la datreveno kaj deziras al la movado en tiu glora E-urbo plu evolui same impete, kiel tio okazis dum la antaŭaj 10 jaroj!

## DEK BIBLIOTEKOJ PROFITIS DE BIBLIOTEKA APOGO

Dek Esperanto-bibliotekoj povas plivastigi siajn kolektojn helpe de Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen, kies subvenciojn UEA ĉi-jare disdonis por la kvina fojo. Pri la disponebla sumo de 1750 eŭroj konkursis 17 petintoj el 15 landoj.

Esperanto-libroj je la valoro de 250 eŭroj jam survojas al Kuba Esperanto-Asocio, Makedonia Esperanto-Ligo, Biblioteko "Hans Bakker" de Unuiĝo Togolanda por Esperanto, Ukrainia Esperanto-Asocio kaj Venezuela Esperanto-Asocio. Subvencioj de 100 eŭroj estis asignitaj al Saenzpenja Esperanto-Klubo (Argentino), Kultura Centro de Esperanto en Campinas (Brazilo), Kultura Esperanto-Centro de Tours (Francio), Esperanta Societo de Tenerife (Hispanio) kaj Esperanto-Grupo "Achille Tellini" en Bologna (Italio).

Ekde 1997 Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen subtenis 53 bibliotekojn el 31 landoj. Laŭ mondopartoj ili troviĝas en Afriko (4), Azio (8), Latina Ameriko (9), Okcidenta Euhropo (16) kaj Orienta Euhropo (16).

Petoj por la venonta aljuĝo devos atingi la Centran Oficejon de UEA ĝis la 15-a de oktobro 2002. Necesas sendi liston de dezirataj libroj laŭ ordo de prefero. Se oni ricevos subvencion, la Libroservo de UEA sendos al la ricevinto librojn je la valoro de la asignita sumo. Oni ne subvencias akiron de diskoj, kasedoj k.a. ne-libraj varoj.

***(GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA, N-ro 139)***

## MOSKVA ESPERANTO-BIBLIOTEKO JAM FUNKCIAS

La 25-an de oktobro 2001 estas la oficiala dato de lanĉo de nova E-projekto: Moskva Esperanto-Biblioteko. La celo de la projekto estas kolekti en unu lokon esperantlingvajn, esperantologiajn kaj interlingvistikajn dokumentojn. La nocio "dokumento" estas konsiderata en vasta senco. Tio povas esti dokumentoj aŭ leteroj rilatantaj al E-movado, E-literaturo kaj diversaj vortaroj, sondiskoj kaj videofilmoj ktp. Kernon de MEB formas biblioteko de moskva E-klubo "Lev Tolstoj", biblioteko de ASE-SEU-REU (plejparte de ties sciencteknika komisiono), biblioteko de moskva E-klubo ĉe la Kulturdomo "Kaŭĉuk", privataj bibliotekoj kaj arkivoj. Nun en la katalogo de MEB estas registritaj pli ol 1000 deponunuoj. Jes, ĝuste deponunuoj, ĉar la projekto celas prilabori ne nur librojn kaj periodaĵojn, sed ankaŭ arkivaĵojn. Tio estas la dua etapo de ĝia realigo. La unua etapo (jam realigita) estas funkciigo de la biblioteko, por kio estis kreita la komputila datumbazo (MS Access-95) kaj kompilita la unua versio de la paperforma katalogo. Krom tio tre grava bezono estis ordigo de la libroj mem, kiuj kuŝis en la klubejo de "Lev Tolstoj". Nun ĉiu esperantisto (kaj ne nur) povas uzi librojn kaj periodaĵojn de la biblioteko elektinte mendatajn titolojn en la katalogo.

La dua etapo estas disvastigo de MEB kaj profundigo de ĝia funkcio. Nun en neesplorebla skatola kaj paperuja bulo kuŝas arkivoj de ASE, Tokarev ka. Neniu povas ĝuste diri kio estas inter la paperoj kaj kies arkivoj tie enestas. Se iu esploristo volus trovi iun dokumenton li eĉ ne scius de kiu flanko komenci fosi. Ĝuste esploron de arkivisto devas faciligi la katalogo de MEB. Krom tio la dua etapo inkluzivas starigon de la ligoj kun similaj bibliotekoj (ekz. Kolektiva Esperanto Biblioteko, nun situanta en Krasnojarsk) kaj ŝtataj bibliotekoj en Rusio. Nun estas esplorata la ebleco prezenti la datumbazon de MEB en interreto, kio estus

la unua simila evento en rusia parto de Esper-reto.

La tria etapo estas dume sufiĉe nebula, sed jam nun eblas montri ĉefajn direktojn de la laboro: preparo kaj iuforma eldono de la unuigita katalogo de rusiaj E-bibliotekoj (MEB, KEB, ŝtataj bibliotekoj kaj la plej gravaj privataj bibliotekoj kaj arkivoj); aktiva kunlaboro kun eksterrusiaj bibliotekoj kaj esplorcentroj; certe, helpo al esploristoj ktp. Ne estos forgesataj ordinaraj legantoj de la biblioteko.

Nova redaktoro de "Kontakto", internacia porjunulara revuo de TEJO, estis elektita Jevgenija Zvereva el Kiev. Ĵenja estas profesia ĵurnalistino, redaktoro de tutukrainia gazeto "Zagranica". Gratulojn kaj bondezirojn pri la sukceso al la nova redaktoro!

Estas ankaŭ malfacilaĵoj. Grava problemo estas taŭga loko por MEB. Nun MEB situas en la klubejo de "Lev Tolstoj", sed jam sentiĝas manko de spaco kaj baldaŭ ĝi estos tre grava baro por la funkciado de la biblioteko. Plia embaraso estas tiom malunika, ke eĉ paroli pri ĝi estas tede – tio estas manko de mono. Nun MEB apenaŭ povas permesi al si ion aĉeti. El tiu problemo elfluas la sekva – vastigo de la enhavo. Nun en MEB preskaŭ mankas libroj eldonitaj dum lastaj jaroj kaj eĉ jardeko.

Sed malgraŭ la baroj Moskva Esperanto-Biblioteko funkcias.

Fine necesas mencii homojn, sen kiuj la aranĝo ne sukcesus. Mi volas danki V.V.Samodaj kies libroj estas veraj perloj de la biblioteko (temas ĉefe pri libroj, en kiuj temas pri tradukarto kaj ne nur). Gravan teknikan helpon mi ricevis de D.Oŝĉepkov kaj A.Liskov.

Kaj finfine mi petas ĉiujn helpi al Moskva Esperanto-Biblioteko. Vi povas transdoni nenecesajn al vi librojn, periodaĵojn, dokumentojn, leterojn ktp. Akceptatas materialoj en E-o, la rusa kaj aliaj lingvoj.

Pli konkretan informon vi povas ricevi laŭ la adreso: RUS-141078, Moskva regiono, Koroljov, a/k 200, Perepelica Vladimir Alekseeviĉ; aŭ per retpoŝto laŭ la adreso de la redakcio.

***P.Fiŝo (Koroljov)***

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2002

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA, invitas partoprenantojn por la 53-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 87-a Universala Kongreso de Esperanto en Fortalezo.

Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK. La konkursaĥoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, antaŭe ne publikigitaj. Krome validas jenaj kondiĉoj:

POEZIO: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

PROZO: Maksimuma longo 200 x 65 tajpospacoj. Tri premioj.

TEATRAĴO: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

ESEO: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la temo de la UK, "Diverseco: ŝanco, ne minaco". Premio "Luigi Minnaja" kaj du aliaj premioj.

KANTO: Teksto kaj melodio povas esti de malsamaj aŭtoroj. Premio "An-Song-san" kaj du aliaj premioj.

VIDBENDO: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo (vd. ĉe Eseo). Daŭro inter 15 kaj 60 minutoj. Sistemo VHS/PAL. Tri premioj.

INFANLIBRO DE LA JARO: Originala aŭ tradukita libro (alia ol lernolibro), presforme aperinta en 2001. Unu premio.

Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo, eseo kaj kanto oni sendu ilin en kvar ekz., por la infanlibra branĉo en tri ekz. Ĉiuj alvenu plej laste la 31-an de marto 2002. Por vidbendo oni sendu po unu ekzempleron ĝis la 1-a de julio 2002.

Ĉion oni sendu al: Belartaj Konkursoj de UEA, Nieuwe Binnneweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

La konkursaĵoj (krom vidbendoj kaj infanlibroj) estu pseŭdonimaj. La vera nomo kaj adreso estu en aparta koverto. Se eble, oni aldonu 5 respondkuponojn por ĉiu brancho, en kiu oni konkursas.

PREMIOJ: Unua premio: 200 eŭroj; dua premio: 140 eŭroj; tria premio: 80 eŭroj; Premio “Nova Talento” (por la plej bona konkursanto neniam premiita) 140 eŭroj; Infanlibro de la Jaro: 420 eŭroj.

PUBLIKIGO: La rajto je la unua presigo de la premiitaj verkoj apartenas al UEA, kiu ankaŭ poste rajtos aperigi ilin senpage en antologio de la Konkursoj. Laŭ interkonsento kun UEA, jam de multaj jaroj la literatura revuo “Fonto” aperigas la premiitajn beletraĵojn.

Detala regularo haveblas ĉe UEA, aŭ rete ĉe <uea@inter.nl.net>.

*(GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA, N-ro 139)*

---



# maltaŭgaj pensoj

## AKTUALA INTERVJU’

Antaŭ pli ol unu jaro aperis la unua numero de REGo. De la komenco en la gazeto enestas rubriko “Maltaŭgaj pensoj”, gvidata de Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj. Ĉi-foje vi legos intervjuon kun L.L.Zamenhofoj, kiuj decidis por legantoj de REGo klarigi siajn poziciojn kaj resumi sian laboron.

**Kiel aperis la titolo de via rubriko?**

Kiam ni la unuan fojon ekdiskutis la problemon de la rubriktitolo, ni konstatis, ke la verkotaj tekstoj estos nek raportaj, nek recenzaj kvazaŭliteraturaĵoj. Tio ne estas ies oficiala vidpunkto – nur niaj privataj pensoj. Kaj pri “maltaŭgaj”… Ni decidis, ke ĉi tiu vorto estas la plej bona, ĉar ĝi trafe montras la lokon de niaj artikoloj: ili ne estas SENtaŭgaj ĝenerale, sed MALtaŭgaj por kelkaj personoj aŭ situacioj…

**De kie originas via pseŭdonimo?**

La pseŭdonimo aperis sufiĉe hazarde. Ĝi devis esti facile memorfiksebla, kaj samtempe ne stulta – ekzemple, ni havis elekton inter “Fratoj Karamazov” kaj “Nimfanoj”, sed, ĉar “Nimfanoj” (туды их в качель) estis triopo, ni finfine decidis, ke “Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj” estas la plej bona varianto. Ni esperas, ke la nomo estas konata por multaj esperantistoj, kaj ne pli banala ol ekz. P.P.Maŭro aŭ Unuel.

**Kiun ĝeneralan celon havas via rubriko?**

Estas la plej serioza demando. Ni konstatis, ke en Rusio oni EGE ofte simple interflustriĝas en anguloj, estante malkontenta pri io, sed samtempe nenion laŭte diras (en ajna formo). Oni timas kritiki la “moŝtulojn”, opiniante, ke se homoj ĝenerale ion faras, do ili ne estas tuŝeblaj. Tamen ja estas. Ni (kun)organizis plurajn kaj tutlandajn, kaj regionajn aranĝojn, kaj ni tre bone memoras, kiom da “strobiloj” falis sur niajn kapojn, kiam ni vere havis fiaskon. Kaj la kritikintoj estis pravaj. Same nun – erarantoj devas esti atentigataj pri siaj misfaroj. La celo de “Maltaŭgaj pensoj” estas ĝuste tia – ke oni klare vidu verajn (ne elpensitajn!) mankojn. Ni, diference de kelkaj aliaj kritikuloj, ja havas kaj organizan, kaj movadan sperton por fari ĉi tiun laboron ne arbitre. Por atingi nian celon ni elektis gvidadon de konstanta rubriko. Neniam en almenaŭ postmilita E-gazetaro en Rusio (USSR) estis simila afero, kaj ni eĉ iom fieras, ke ni estis la unuaj.

**Kial la tono de viaj artikoloj estas tiom venena, t.e. tro ironia kaj foje eĉ moka?**

Ĉar ĉi tiel la esenco pli bone kaptas la legantojn. Se nur kritiki – rezultiĝos tede. Se nur ironiumi – rezultiĝos stulte. Ni provas sekvi mezan varianton – kaj kritiki, kaj foje ŝerci. Sed samtempe ni ne permesas al ni ofendi iun persone (se tiel okazis – ni tutsincere pardonpetas).

**Ĉu vere via agado havis iujn pozitivajn rezultojn?**

Jes, certe. La unua rezulto (se sekvi kronologion) estis, ke nia artikolo pri "Kredenco", verkita, certe, plejparte ŝercmaniere, tamen elvokis ioman diskuton. S.Beznosko kaj B.Kondratjev levis kelkajn lingvajn demandojn, kiuj ne aperus sen nia artikolo. Kaj, parenteze, la problemo de тумбочка daŭre restas nesolvita, laŭ ni. La sekva, kaj plej granda atingo, estas ke dank' al nia artikolo oni eksciis, ke ekzistas preta libro de tradukoj el I.Brodskij. Tiutempe loko de ĝia eldono ne klaris, sed pri Rusio oni ĉiukaze eĉ ne pensis. Nin iom indignigis, ke libro kun ruslingvaj poeziaĵoj, plejparte tradukita kaj preparita de rusia esperantisto (M.Bronŝtejn), estus eldonita eksterlande nur pro tio, ke en Rusio oni ne subtenis la projekton. Ĝuste tion ni menciis en nia artikolo. La rezulto estas, ke la libro eldoniĝis julie 2001 en Moskvo (far REU kaj la eldonejo "Impeto"). Kaj krome, menciindas, ke post nia artikolo pri skribado de nomoj, almenaŭ en REGo oni komencis skribi ankaŭ prononcojn de alilingvaj nomoj kaj geografiaj titoloj.

**Ĉu vi ne konsideras, ke vi prenis tro grandan respondecon, ekuzinte la pseŭdonimon "Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj"? Ja mem Zamenhof estis nekompareble pli tolerema kaj bonkora.**

Zamenhof, jes, estis tolerema kaj bonkora. Ankaŭ Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj estas toleremaj kaj bonkoraj, sed alimaniere. Tia estas nia sinteno, tia estas nuna vivo, tiaj estas niaj temoj kaj ties roluloj. Sed ĉu vi certas, ke Zamenhof restus same bonkora kaj tolerema, se li vivus en nuntempa Esperantujo?

**Kiel vi opinias, kio mankas al nuntempa Rusia E-movado?**

Al ĝi mankas tre multaj aferoj, sed inter la plej gravaj – memoro. Organizantoj ĉiufoje surpaŝas la samajn rastilojn. Neniu memoras erarojn, kiuj estis faritaj eĉ antaŭ 1½ jaroj, des pli – antaŭ 40 jaroj. Kaj alia nia problemo – unueco. La vasteco de Rusio certe influas nian movadon, sed tio ne devas esti nia denaska nevuso. Sed ĉi tiu temo estas jam tro diskutita, kaj ni ne povas diri ion ajn novan. Ni do per niaj "Maltaŭgaj pensoj" provos ŝanĝi almenaŭ la pensmanieron de niaj sammovadanoj.

**Kion vi ŝatas en REGo kaj kion ne?**

REGo estas tre bona gazeto, de fojo al fojo ĝi fariĝas pli kaj pli bona. Ni opinias, ke REGo estas nia plej grava atingo dum lastaj jaroj (post IJK en 1995). Sed nun, kiam ĝi akiris jam certan (re)nomon kaj aŭtoritaton, tempas komenci filtri la venantajn materialojn. Foje aperas iuj superfluaj artikoloj aŭ aliaj kontribuoj, sen kiuj la gazeto ne suferus, aŭ eĉ pli – aspektus pli digne. Verŝajne eblas diri pri manko de la redakcia politiko. Sed de alia flanko tio signas maleston de cenzuro.

**Kiujn planojn vi havas?**

Ni havas ideojn, jen kelkaj. La ĉefa intenco estas daŭrigi la rubrikon "Maltaŭgaj pensoj", ĉar ni supozas, ke E-vivo donos al ni temojn por verki artikolojn. Kaj ni ankoraŭfoje volas peti ĉiujn: ne ofendiĝu pro niaj artikoloj, sed provu kompreni: ĉu eble vere io ne estas en ordo? Alia nia projekto, nomata "Ili portas la torĉon", disvastigos la tradiciojn de "Maltaŭgaj pensoj", sed celos rakonti pri atingoj verŝajne ne tre famaj, sed gravaj kaj indaj je famo. Do, verŝajne jen estas ĉio de nia flanko.

***G.Arosev (Moskvo), V.Perepelica (Koroljov)***



# CERBE KAJ KORE

**redaktas Valentin Melnikov**



*Resaluton, karaj legantoj! Dekomence jen la uverturo, kiu tamen estas tute ne ligita kun ĉio cetera. Simple – bela poemeto, kiu povus iĝi kanto...*

## LAŬSEZONA PAĜO

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

***

En la tarda vespero
la aŭtuna vetero
sen kviet' kaj espero
serĉas lumon tra l' ombroinvad'.
Ion petas la vento
per la brua lamento.
Ĉu averto aŭ pento
sonas home en ĝia hurlad'?

La veter' ne angoras.
En la vento sonoras
kaj kaŝite furoras
la bongusta matena arom'.
Sonas kanto la brua
pri maten' vigle blua
kaj en hor' la malfrua
laŭte vokas trankvilon al hom'.

*Kaj nun – ek al la afero. Ĉi-foje nia literatura paĝaro estas iom specifa: ni per rimedoj de poezio kaj aliaj ĝenroj provu kompreni, kio estas nia Esperanto-mondo, kion ni celas atingi pere de nia lingvo kaj ĝenerale – por kiu diablo... pardonu... nu, vi komprenas...*

## POEZIE

### CIGNA[1] KANTO DE EŬROPO

La Urala montaro estas lim' de Eŭropo[2],
Estas firma la fakto, kiel la vintra neĝ'.
Sed leviĝis la Ŝtono[3] kaj per peza galopo
Translokiĝis Uralo al la Monto de Reĝ'[4].

Movis Ŝtonon grandegan plej potenca la Ondo,
Tiu Ond' d' Esperanto[5] nur decidis, kaj tuj
Ekaliis la Tero, ŝanĝis sin map' de l' mondo,
Jam de tuta Ruslando[6] restis sola Prusuj'[7].

Ekaziis nun Moskvo – eĥ, doloras la traŭmo!
Ekaziis nun Rigo, Volgograd' kaj Kiev'...
En Azio troviĝas nun eĉ fama Raŭmo,
Kaj Eŭropo por ni iĝas nur bela rev'.

Se Uralo moviĝos plu al la Okcidento,
Nia glora mondparto iĝos nur pura mit'.
Malaperos ĝi tute – ni ne grincu per dentoj! –
Restos nur de Eŭropo... Esperanta civit'!

***Palinur Duraki'***

---------------------------------------------------------

**Eventualaj notoj de la aŭtoro:**

1. "Al la eldonejo "Sezonoj" UEA-Estraro asignis la subvencion "Cigno", sume 5 mil eŭroj, pro elstara progresigo de E-movado en Orienta Eŭropo kaj por subteni starigon de nova E-centro en Kaliningrad" (cit. laŭ REGo 2001:4, p.53). Laŭstatuse tio estas "helpo al malfortaj landoj" (HdE 2001:12, p.4). Do nun A.Korĵenkov kaj H.Gorecka elstare progresigos nian E-movadon...

2. S-ro A.Korĵenkov, loĝante en Jekaterinburg (tuj trans la montaro, do en Azio) estis ĉiam granda patrioto de Uralo kaj fondis Uralan Esperanto-Societon. Somere 2001 li kun la familio transloĝiĝis al Kaliningrad.

3. Malnova rusa nomo de Urala montaro estis "Kamenj" – Ŝtono.

4. Kaliningrad ĝis 1946 havis la nomon "Königsberg", kio en la germana signifas "Reĝa monto".

5. "La Ondo de Esperanto" estas revuo, kiun dum lastaj jaroj eldonadas ges-roj Korĵenkov kaj Gorecka *(ekde 1991 kaj ĝis nun plu sukcese; REGo povas nur envii al ĉiumonata akurateco de LOdE – V.M.)*.

6. "Ruslando": laŭ la slango, aplikata en la revuo LOdE, tiel nomiĝas Rusio *(verdire, la saman slangon siatempe uzis Zamenhof, Kabe, Privat, Lapenna, Waringhien k.a. – V.M.*).

7. Orienta Prusio estis parto de Germanio, post la dua mondmilito dividita inter Pollando, Rusia Federacio kaj Litovio. La centra parto, kun la urbo Königsberg (nuna Kaliningrad) nun apartenas al RF.

*Lasta rimarko: A.K. kaj H.G. ne aliĝis, kaj laŭ mia scio ne intencas aliĝi al la Esperanta Civito – V.M. (Tamen la redakcio de LodE estas inter la Paktintaj Establoj de E-Civito – la Red.)*

***

## VERSAĴO PRI ESPERANTA CIVITANECO

*(kiu povus aparteni al V.Majakovskij,*
*se li vivus nun, verkus en Esperanto kaj estus adepto de la E-Civito)*

Mi lupe
elmordus
la finvenkismon.

Naŭzas min
asocio struktura.
Ruliĝu inferen,
en nigran abismon
kiu ajn paperaĉ'.
Krom la nura...
En Interret',
en abunda tekstar'
ĉasas informojn
doktoro Blanke.
Novaĵojn sendas
esperantistar',
ankaŭ
*Heroldo Komunikas*
senmanke.
Al iuj sciigoj –
profunda estim',
al aliaj –
rilat'
kun kraĉemo.
Imponas,
ekzemple,
moŝtula esprim'
pri la monda
lingvo-problemo.
Kaj nepre
kun grandega respekto,
kvazaŭ ĝi estus
premio,
li legas
pri nova
vortara projekto
de la Akademio.
Surpriza er'
en la ret-gazetar',
surpriza
sensacio
de l' jar'
miregon kaŭzas
sur lia vizaĝo:
*La Ondo*
jam plaŭdas
ĉe Balta mar'?
Geografia novaĵo!
Kaj sen atent',
kun malvarma anim',
simile al
kaprin' ĉe afiŝo,
traglitas li

artikolojn pri rim'
de Parolemaj
Griŝo kaj Fiŝo.
Subite
grimacis
lia vizaĝ',
kvazaŭ
lin tiklus
diabloj:
sinjoron Blanke
atingis mesaĝ'
de la
Paktintaj Establoj.
Li legas,
kvazaŭ ĝi estus
malben'
de l' sankta tron'
Vatikana,
aŭ temus
pri kreo
de Malta Orden'
en diasporo
cigana.
Reeĥas Peterburg'
kun aklam':
subtenas nin
civitan' Anatolo.
Alarmas Blanke
al Roterdam',
la stabo
petas lin
pri artikolo.
Kun kia ĝueg'
pracelisma mafio
nin ŝmirus
per merd'
senindulge
pro nia
raŭmisma
Esperantio,
fondita
en Sabloneto
promulge.
Mi lupe
elmordus
la finvenkismon.
Naŭzas min
asocio struktura.
Ruliĝu inferen,

en nigran abismon
kiu ajn paperaĉ'.
Krom la nura:
jenas
la Ĉarto
en mia man' –
de l' verda Civito
Konstitucio.
Legu,
aliĝu,
kaj vi estos
civitan'
de Esperantio!

***Viktor Arolovič (Moskvo)***
*(Premiere prezentita en Moskva Literatura E-klubo la 27-an de septembro 2001)*

***

*Tiuj du versaĵoj estas ĵus verkitaj. Sed nia fama bardo tuŝis la saman temon jam antaŭ jaro. La pli frua versio de lia poemo eĉ estis jam presita en REGo (2001:1, p.1). Dum la jaro io-tio okazis, do Mikaelo modifis unu strofon kaj aldonis kelkajn novajn. Bonvolu legi, ĝui kaj (eble) iom pripensi...*

## KANTIKO AL MIA CIVITO

Jen festo, jen tempesto
post la kvieta viv'! –
Aperis Manifesto
por la verda kolektiv'.
Jam miaj tentoj prancas
en ĝua antaŭflar',
kaj diablidoj dancas
en animo mia, ĉar –

De nun ni estas Civito!
Akceptu nin sen petol'
sed kun admira kvivito
la tutplaneda popol'!
Forgesu pri la malsaĝo
iama kosmopolit'! –
Vin rekonvinkos mesaĝo
pri l' Esperanta Civit'.

Se estas ni Civito,
ni devas havi tuj
laŭ ordinara rito
en nia Civituj'
leĝaron, kiu donos
al ni la rajtojn, kaj
Estraron, kiu spronos
akcepti ĝin kun gaj'.

Do, nun ni estas Civito,
kaj devas ni sen erar'
elekti (nur laŭ merito)
spertulojn por la Estrar'.
En Roterdamo hejmeca,
en strato Niuv-Binnenveg
civitanar' la plej deca –
jam estas kerno por ek'!

Intrigoj, interplektoj
malgravas por labor'.
Okazos la elektoj
en la plej beata hor'.
kaj benos registaron
la verda famili'...
sed ĉu iu helpos klaron:
tamen, kio estu mi?!

Se ni civitas, en vero,
do, ĉe l' estrara favor'
mi rajtas esti libera
de la civita labor'.
Ĉielen revoj ekkajtas
de sur lanuga kusen':
Mi rajtas, rajtas kaj rajtas!..
Nur – tiu minca faden'!

Ekŝvebas mi, poeto,
el la libera lit', –
proleto aŭ profeto
sen amo de l' Civit', –
kaj tamen io tenas,
ne lasas flugi for.
Ha, jes, mi surfadenas,
mi revas pri labor'!

Mi hastis diri "Hop-la!"
antaŭ dubinda salt' –
ne estas malpli nobla
reveno al asfalt',
kaj falas miaj revoj
de l' supernuba klar':
mi ŝanĝu kontraŭ devoj
nun miajn rajtojn, ĉar

pli aspirindas la pano
ol la libera kvivit',
do, estu mi civitano,

necesa por la Civit'!
Anstataŭ ŝvebi ekŝvitu
mi sub la verda ombrel',
kaj eble mia Civito
pli baldaŭ venos al cel'.

Intrigoj, interplektoj
malhelpas al labor'.
Okazu la elektoj
en la plej beata hor'.
Ni benu l' registaron
laŭ nia verda rit', –
sed ĉu iu helpos klaron:
kio estas la Civit'?

Se ĝi similus al ŝtato –
do, estu mi diaspor',
de l' ia centro ŝatato,
vivanta, tamen, en for',
Havanta emon, tutcerte,
ekloĝi en metropol' –
laŭ mi ja ankaŭ encentre
mi taŭgus – kiel popol'...

Mi ŝatus min eksenti
plenrajta civitan':
ekpeki tuj kaj penti
kun PAGo en la man'!
Kaj l' Estro de l' Civito,
amato de Fortun',
proklamos min benito
kaj promulgito nun.

Kaj irus ni man-en-mane
al la Civita drinkej', –
konfesu mi civitane,
ke tion ŝatus mi plej! –
kaj sonus ĉarma muziko
por mia pia admir'...
sed estas nur sapveziko
L' Civit' kaj mia delir'.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

*Tamen, almenaŭ unu sendube utilan aferon la Civito jam faris: dank' al ĝi ni eksciis novan belan vorton "promulgi". Vere, mi neniam vidis tiun vorton en E-tekstoj, ne ligitaj kun la Civito. Dankon pro la riĉigo de nia vortprovizo, ni pie gardos tiun vorton sur la plej honora breto en nia kredenco...*

# PSIKOLOGIA TESTO

*Tiu ĉi testo aperis antaŭ tri jaroj kaj estis sukcese provita en MASI. Certe, la vivo evoluas, tamen ne tiom rapide, do la testo, kun minimumaj aldonoj kaj modifoj, plu restas aplikebla – des pli ĝi povas esti interesa (almenaŭ, el historia vidpunkto) por junaj aktivuloj. Do, ek-sciu:*

## KIA ESPERANTISTO VI ESTAS?

***Respondu la demandojn:***

1. Via nivelo de lingvoscio:
   a) elementa: vi ie iam aŭdis la vorton “Esperanto”;
   b) meza: vi aŭdis la vorton “Esperanto” de gaja juna kompanio, nomata ŜĈKĤlando, kaj vi tre volas al tiu kompanio aparteni;
   c) bona: vi jam aŭdis parolon de iuj tedaj maljunuloj en Esperanto;
   ĉ) perfekta: vi mem scipovas diri: “Saluton!”.

2. Kiu kreis Esperanton?
   a) L. L. Zamenhof;
   b) G. Kokolija kaj V. Melnikov;
   c) I. Gonĉarova kun helpo de MASI;
   ĉ) P. Fiŝo kaj P. Griŝo.

3. Kio estas la ĉefa celo de Esperanto?
   a) ke homoj el diversaj landoj povu interparoli;
   b) ke gajaj geknaboj povu kolektiĝi kaj diboĉi;
   c) mi ne scias.

4. Se oni alparolas vin en Esperanto, vi:
   a) ne reagas;
   b) penas kompreni;
   c) ofendiĝas;
   ĉ) penas rememori iun el 5-6 anglaj frazoj, kiujn vi iam provis ellerni.

5. Kiom da libroj en Esperanto vi tralegis?
   a) multe;
   b) 1;
   c) 0;
   ĉ) ĉu en Esperanto eĉ libroj ekzistas?!

6. Viaopinie, por vera esperantisto plej gravas scipovi:
   a) manĝi laktomiksaĵon “Maliŝ”;
   b) svingi verdan flagon kaj krii;
   c) petveturi, kaj ankaŭ bone dormi surplanke apud 50 aliaj homoj;
   ĉ) paroli en Esperanto;
   d) okupi gravan postenon.

7. Se iu elpensis ŝercon, kiun li opinias sprita, kiomfoje ĝin necesas ripeti?
   a) 100, ĉar oni ĉiufoje ridos pli kaj pli laŭte;
   b) 5, por ke la ŝerco atingu absolute ĉiujn;
   c) 0, por ke la ŝercantoj ne aspektu tute idiote.

8. Por viziti Esperanto-aranĝon eksterlande, necesas havi:
   a) pasporton kaj vizon;
   b) multe da mono;
   c) arogantecon.

9. Se iam en tendaro oni decidos vin premii – do pro tio, ke vi:
   a) diligente laboris kaj neniam krokodilis;
   b) ĉeestis ĉiun matenan kunvenon;
   c) estas bela, ĉarma kaj amata de ĉiuj.

***Kalkulu la poentojn:***

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | a) 0; | b) 10; | c) –1; | ĉ) –2; | |
| 2. | a) –1; | b) 10; | c) 50; | ĉ) 100; | |
| 3. | a) –1; | b) 100; | c) 10; | | |
| 4. | a) 0; | b) –1; | c) 100; | ĉ) 1000; | |
| 5. | a) –1; | b) 0; | c) 10; | ĉ) 100; | |
| 6. | a) 100; | b) 10; | c) 20; | ĉ) 0; | d) –1; |
| 7. | a-c) plusu po 1 por ĉiu ripeto; | | | | |
| 8. | a) –1; | b) plusu po 1 por ĉiu cento da dolaroj; c) 100; | | | |
| 9. | a) –1; | b) 0; | c) 2000. | | |

***Vidu la rezultojn:***

| | |
|---|---|
| –9: | petu pli detalajn informojn pri la Esperanta Civito, vi jam maturiĝis. |
| de –8 ĝis –1: | vi estas tro maljuna por la junulara movado, prefere aliĝu al SAT, UEA aŭ REU. |
| de 0 ĝis 99: | vizitu junularan Esperanto-aranĝon kaj poste provu la teston denove. |
| de 100 ĝis 999: | tuj aliĝu al ŜĈKĤlando, se vi ne jam... Se la kompanio ne plu aktivas – do faru rondojn: tiom da rondoj, kiom da poentoj vi nun havas. |
| de 1000 ĝis 1899: | via familinomo estas Gindinson. Ni kondolencas... |
| 1900 aŭ pli: | via familinomo estas Gonĉarova. Superi vin ne eblas!.. |

***sincere via Valentin Melnikov***






## Aleksandr MOREV

***(Puŝkin, Leningrada reg.)***

*Inĝeniero. Esperantisto ekde printempo de 2001. Li tre ŝatas aŭtunajn parkojn kaj ofte trovas tie inspiron por poeziaĵoj. Liaj ruslingvaj poemoj estas tre belaj kaj lirikaj. La prezentataj versaĵoj estas lia unua provo verki en Esperanto.*



# V E R S A Ĵ O J

* * *

Krepuska lumo sur la tero,
Kaj nigras ombroj de la arboj.
Mi estas en mirakla sfero,
Pentrita per fabelaj farboj.
Odoroj, sentoj – ĉio fluas.
Vespere nun mi volas sonĝi,
En arbaj kronoj vent' susuras,
En stela akv' mi volas plonĝi.

* * *

Aŭtuno susuras kaj brulas folioj,
Aceroj viciĝis sur strat',
Per pluvo puriĝis tegmentaj deklivoj,
Kaj sonas solena kantat'.
Aŭtuna kantato, kantato de or',
Ĉiela kantato kun bluo kaj grizo.
Ne gravas, ke estas motiv' en minor',
Ĝi tiras min el dekadenco kaj krizo.

* * *

Hundo kuŝas ĉe miaj piedoj,
Ne tre bruas aŭtun' post fenestro
Breto logas per siaj kasedoj,
Nur silento por mi estas estro.
En animo ne sonas muziko,
Mi ne petas tro multe de vivo,
Mi imagas – mi estas heliko,
Kiu grimpas sur kruta deklivo.



## Aleksej GULJAEV (Taganrog)

*Diplomita instruisto pri la angla kaj hispana, programisto. Esperantisto ekde 1986. Literaturon li ĉefe ŝatas, sed fojfoje ankaŭ verkas aŭ tradukas. Ĉi tiu estas lia rakonto, origine verkita en la rusa, kaj tradukita en Esperanton.*

### LA FUMPAŬZO

Oni malpermesis fumadon en la oficejo, tial ĉiuj havantaj liberan momenton kaj superfluan cigaredon, kaŝiĝis for de estraraj okuloj en la malantaŭa korto, senplaĉe apudante rubujon. Hodiaŭ tiuj estis du.

– Delonge ni ne renkontiĝis, – la unua diris, tiris el la pako cigaredon kun ora kadro, kaj proponis la pakon al la najbaro. Tiu kapneis kaj eligis el sia flanka jaka poŝo molpakitajn cigaredojn.

– Oni laborigis min en alian fakon, – li respondis, ensorbinte kaj elbuŝigante grizviolan fumstrion. – Tie estas neplugita kampo da farendaĵoj.

– Ĉu hazarde ne en Sudan distrikton? Mi memoras, ke oni sendis tien kvin pliajn ulojn el via departemento. Knaboj, vi malhavigas al ni nian panon, tio estas malbona.

– Ne timu, – respondis la ulo kun ĉipa cigaredo. – Tie estas amasego da aferoj. Sufiĉos kaj por vi, kaj por ni. Sed kie vi mem nun oficas?

– En la Nord-Orienta, – respondis la fuminta orkadran cigaredon. Li mallaŭte sakretis kaj atenteme ĉirkaŭrigardis. Spionemuloj ne rimarkeblis. – Prefere oni min sendus al la Suda. La klimato estas merda, sed kiaj rezervoj! Viaj homoj tie klare faradis nenion. Sed en la Nord-Orienta… Oni nur tre pene konkeras la terpecon, kie vi, knaboj, laboris dum pli ol okdek jaroj. Ni devas forfiltri tunon da grundo por trovi ion valoran. Kaj krome la rivaloj. De Okcidenta departemento apartiĝis iuj friponoj, ĉie ŝovas siajn nazojn, kaj daŭre foruzas la rezervojn. Ankaŭ la adminstrantoj tedegis. Stupidan regularon ili havas. Rigardu, kian uniformon mi devas surhavi, kvazaŭ kliento de frenezulejo! Kiu elpensis tian fasonon?! Cetere vi diru, – li kaptis la kunparolanton je la maniko, – ĉu probable vi havas vakajn postenojn? Mi delonge revas ŝanĝi la departementon…

– Ho… – la dua diris kaj ekridis. Ekbrilis lia ora dento. – La niaj ne rapidas al vi. Mi demandos al la manaĝero, ŝajnas ke en la Okcidenta iuj du demisiis. Diablo! – la finita cigaredo brulvundis liajn fingrojn. – Do bone, mi devas iri.

La anĝelo per la sandala pinto tretis restaĵon de la orkadra cigaredo kaj kaŝis la multekostan pakon ie inter la faldoj de sia ĥitono. La diablo elegante estingis la cigaredstumpon kontraŭ muro de la rubujo, pli bone ordigis la voston, kuŝintan laŭlonge de la dorso sub Versace-jako, eligis el pantalona poŝo skrapilon kaj dufoje kombis sian maldekstran kornon. La fumpaŭzo finiĝis, kaj laboro atendis ilin.



La kreado de **Vladimir NABOKOV (1899 – 1977)** estas ankoraŭ ne ege vaste konata. Feliĉe, lastatempe aperis nemalmulte da liaj libroj, sed eĉ tio ne estas plene sufiĉa. "Pado Sunen" volas modeste kontribui al diskonigo de Nabokov-verkoj. Ne estas iu aparta kialo por tio, krom ke Nabokov estas fondinto de principe nova literatura direkto, kiu estas sendube reprezentinda ankaŭ en Esperanto. Tial en ĉi tiu kaj kelkaj sekvontaj numeroj ni planas publikigi liajn malgrandajn rakontojn, poeziaĵojn kaj fragmenton el iu lia romano. La "Nabokov-serion" finos pli-malpli detala artikolo pri li, el kiu la legantoj de REGo povos konatiĝi ankaŭ kun faktoj el lia vivo.

© Vladimir Nabokov

# N U B O, L A G O, T U R O

Unu el miaj oficistoj, deca, kvieta fraŭlo, bonega laboranto, dum iu bonfara balo, aranĝita de rusiaj elmigrintoj, gajnis partoprenon en amuza vojaĝo. Kvankam berlina somero plenfluis (la duan semajnon estis humide, malvarme, oni bedaŭris pro ĉio, kio vane verdis, kaj nur paseroj ne malĝojis), li volis veturi nenien, sed kiam en la amuzvojaĝagentejo li provis vendi sian bileton, oni respondis, ke por tio estas bezonata speciala permeso de la trafika ministerio, kaj kiam li turnis sin tien, evidentiĝis, ke unue necesis kompili peticion ĉe notario sur blazona paperfolio, kaj krome preni en polico tiel nomatan "ateston pri dumsomera neelveturo el la urbo", kaj li eksciis, ke la elspezoj konsistigos unu trionon de la biletprezo, tio estis precize la sumo, kiun li rajtis esperi ricevi post kelkaj monatoj. Tiam, suspire, li decidis veturi. Li prenis de konatoj aluminian zonbotelon, renovigis la plandojn, aĉetis rimenon kaj liberfasonan flanelan ĉemizon – unu el tiuj, kiuj senpacience atendas lavadon por mallarĝiĝi. Sed la ĉemizo estis tro vasta sur ĉi tiu simpatia, nealta homo, ĉiam bone frizita, kun saĝaj kaj afablaj okuloj. Mi nun ne povas rememori lian nomon. Ŝajne, Vasilij Ivanoviĉ.

Li malbone dormis antaŭ la starto. Kial? Ne nur, ĉar matene necesis ellitiĝi nekutime frue, kaj tial kunpreni en la dormon la surfaceton de la horloĝo, tiktakinta sur la apuda tableto, sed ĉar tiunokte senkiale ekŝajnis al li, ke ĉi tiu vojaĝo, trudita al li de la hazardo, la vojaĝo, kiun li akceptis tiom malvolonte, neatendite portos al li miraklan, tremantan feliĉon, iom similan al lia infanaĝo, kaj al la emociiĝo, kiun vokis en li la plej bonaj rusaj poeziaĵoj, kaj al iam sonĝita vespera horizonto, kaj al tiu fremda edzino, kiun li amis la okan jaron (sed tio estis pli ampleksa kaj signifoplena, ol ĉio ĉi). Kaj krome li pensis, ke ĉies vera vivo devas esti direktita al io, al iu.

La mateno leviĝis malserena sed varma, vaporplena, kun la interna suno, kaj estis tre agrable skuiĝi en tramo, veturante al la fora stacidomo, kiu estis la renkontiĝloko: la ekskurson, ve, partoprenis kelkaj personoj. Kiuj ili estos, tiuj dormemaj – same kiel ĉiuj ankoraŭ ne konataj homoj – la kunvojaĝontoj? Ĉe la kasejo numero 6, je la sepa matene, kiel oni notis en la bileta suplemento, li rimarkis ilin (li jam estis atendata: tamen li malfruis je tri minutoj). Tuj videbliĝis alta blondulo en tirola kostumo, kokakrest-kolore sunbruniĝinta, kun

la grandegaj, or-oranĝaj, harozaj genuoj kaj la lakita nazo. Li estis la gvidanto, dungita de la agentejo, kaj tuj post kiam la novveninto aliĝis al la grupo (konsistinta el kvar virinoj kaj kvar viroj), li kondukis ĝin al la trajno, kaŝita inter aliaj trajnoj, kun timiga facileco portante surdorse sian monstran dorsosakon kaj firme grincante siajn ferumitajn ŝuojn. Ili lokiĝis en la malplena, emfaze triaklasa vagono, kaj Vasilij Ivanoviĉ, sidiĝinte flanke kaj enbuŝiginte mentaĵon, tuj malfermis libreton de Tjutĉev, kiun li jam delonge volis relegi ("Ni estas muk', kaj la parola blago"[1], – kaj la mirinda eksklamacio); sed oni petis lin formeti la libron kaj reveni al la tuta grupo. La nejuna poŝta oficisto en okulvitroj, kun grizviolaj kranio, mentono kaj supra lipo, aspektintaj kvazaŭ li pro ĉi tiu vojaĝo forrazus iun nekutime abundan kreskaĵon, tuj informis, ke vizitis Rusion kaj iom scias ruslingve, ekzemple "pacluj"[2], kaj tiel palpebrumis, rememorante la petolojn en Caricin[3], ke lia obeza edzino gestomontris en la aero komencon de larĝsvinga vangofrapo. Estiĝis ĝenerala rumoro. Ĵetis pezajn ŝercojn kvaropo, interligita per tio, ke ili laboris en sama konstrua firmao, – pli aĝa viro, Ŝulc, malpli aĝa viro, same Ŝulc, kaj du malkvietaj virinoj kun grandegaj buŝoj kaj pugoj. La rufa virino, iom farsaspekta vidvino en sporta jupo, ankaŭ iom sciis pri Rusio (marbordo de Riga). Krome ĉeestis obskura junulo, sen okula brilo, nomata Ŝram, havinta ion malkonkretan velur-abomenan kaj en la aspekto, kaj en la konduto, daŭre turnanta la konversacion al jen tiuj jen aliaj profitaj trajtoj de la ekskurso, kaj donanta la unuan signon por la admiro: kiel poste evidentiĝis, li estis la speciala etos-varmiganto de la amuzvojaĝagentejo.

La vaporlokomotivo, rapidege laboranta per la kubutoj, kuris tra la pina arbaro, poste, faciligite, tra la kampoj, kaj Vasilij Ivanoviĉ, ankoraŭ svage komprenante la absurdecon kaj terurecon de sia stato, kaj, verŝajne, penante konvinki sin, ke ĉio estas tre bela, sukcesis ĝui la efemerajn donacojn de la vojo. Efektive: ĉio ĉi estas tre alloga, kian ĉarmon akiras la mondo, dum ĝi estas ŝaltita kaj moviĝas karusele! Kiaj aferoj evidentiĝas! Jen bruliga suno venis al la fenestra anguleto, kaj subite aspergis la flavan benkon. Aliene rapide kuris la malbone gladita ombro de la vagono laŭ la herba deklivo, kie floroj kunfluiĝas je floraj linioj. La bariero: atendas biciklisto, sin apogante al la grundo per unu gambo. La arboj estis aperantaj kaj grupe kaj po aparte, indiferente turniĝante kaj montrante novajn modojn. Blua humideco de la ravino. Herbeje alivestita rememoro pri la amo. Cirusoj, kvazaŭ ĉielaj ĉashundoj. Min kaj lin ĉiam konsternis la por animo terura anonimeco de ĉiuj pejzaĝeroj, neniama ebleco ekscii, kien gvidas ĉi tiu pado, – sed ja kia allogega densejo! Iam okazas, ke en fora deklivo aŭ en arbara lumstrio, aperas kaj por momento haltas, kvazaŭ enbruste tenata aero, treege fascina loko, – kampeto, teraso, – tia plena esprimo de tenera, bonintenca beleco, – kaj ŝajnas, ke estus bone haltigi la trajnon, kaj – tien, por ĉiam al vi, amata mia… sed jam freneze saltas, turniĝante en la suna bolaĵo, miloj da fagaj trunkoj, kaj la feliĉo denove estis pretergapita. Dum la haltoj Vasilij Ivanoviĉ foje estis rigardanta al kombino de iuj tute neglektendaj aĵoj – makulo sur la platformo, ĉeriza kerno, cigaredstumpo, – kaj li parolis al si mem, ke plu neniam-neniam rememoros ĉi tiujn tri aĵojn en ĉi tiu ilia reciproka troviĝo, ĉi tiun ornamon, kiun li tamen vidas nun eternece klare; aŭ plie, rigardante al la amaseto da infanoj, atendintaj sian trajnon, li ĉiuforte provis distingi almenaŭ unu rimarkindan sorton – ĉu en la formo de violono aŭ krono, helico aŭ liro, – kaj lia rigardado rezultigis nur tion, ke ĉi tiu kompanio de vilaĝaj lernejanoj estis aperanta por li kvazaŭ sur malnova foto, rekreita nun kun blanka kruceto super vizaĝo de flanke staranta knabo: la infaneco de la heroo.

---

[1] Ruse: "Мы слизь. Речённая есть ложь" – vortlude modifita verso "Мысль изречённая есть ложь" (La pens' elbuŝa estas blag')
[2] Kripligita rusa vorto "kiso"
[3] Царицын

Sed oni povis rigardi tra la fenestro nur detempaltempe. Al ĉiuj estis disdonitaj muziknotoj kun versaĵo de la agentejo:

For alarmon kaj malĝojon,
lasu hejmon vi sen hont'.
Kaj vi iru grandan vojon
kune kun bonkora mond'.

Tra la lando tiom kara,
kune kun bonkora mond'
iru vi – sen trist' amara,
sen hezit' – al horizont'.

Iru l' vojon, ĝuu nunon,
paŝu laŭ la viva rond'.
Sekvu venton, sekvu sunon
kune kun bonkora mond'.

Ĉi tion necesis kanti ĥore. Vasilij Ivanoviĉ, kiu malbone ne nur kantis, sed eĉ povis prononci germanajn vortojn, uzis la kaosan blekadon de kuniĝintaj voĉoj por nur malfermeti la buŝon kaj iom ŝanceliĝi, ŝajnigante sin kanti, – sed la gvidanto, post la signo de servema Ŝram, subite akre haltigis la komunan kantadon kaj, suspekteme rigardante al Vasilij Ivanoviĉ, postulis, ke li solkantu. Vasilij Ivanoviĉ purigis la gorĝon, timide komencis, kaj post minuto da lia soleca turmento ĉiuj aliĝis, sed li jam ne kuraĝis elfali.

Li kunhavis: ŝatatan kukumon el rusa manĝbutiko, bulkon kaj tri ovojn. Kiam venis la vespero kaj la malalta skarlata suno plene eniris la malpurigitan, troŝancelitan, surdigitan de la propra bruego vagononon, al ĉiuj oni proponis fordoni siajn manĝaĵojn por dividi tiujn egale, – ĉi tio estis des pli facila, ĉar ĉiuj krom Vasilij Ivanoviĉ kunhavis la samojn. La kukumo ridigis ĉiujn, estis agnoskita nemanĝebla kaj forĵetita tra la fenestro. Pro nesufiĉo de sia lepto, Vasilij Ivanoviĉ ricevis malpli da kolbaso.

Oni devigis lin ludi iun ludon kun cirklo, oni tedtaŭzis lin, pridemandis, testis, ĉu li scipovas montri surmape la itineron de la partoprenata vojaĝo – koncize dirante, ĉiuj umis kun li, unue bonkore, poste kun minaco, pligrandiĝanta dum la pliproksimiĝo de la nokto. Ambaŭ virinoj havis la nomon Greta, la rufa vidvino iel similis al ĉefkoko; Ŝram, Ŝulc, la alia Ŝulc, la poŝtoficisto kaj lia edzino, ĉiuj ili malrapide estis kuniĝantaj, kunkreskantaj, formante unu muntitan, molan, plurbrakan estaĵon, de kiu ne eblis eskapi. Ĝi atakis lin de ĉiuj flankoj. Sed subite en iu stacio ĉiuj elvagoniĝis, kaj tio okazis jam en mallumo, kvankam okcidente ankoraŭ pendis longega, helege ruĝa nubo, kaj, trapikante animon, iom for sur la vojo, kvazaŭ tremanta stelo brilis lanterno tra lanta vaporo de la lokomotivo, kaj en la tenebro tintis griloj, kaj de ie fluis jasmena kaj pajla odoroj, ho mia amata.

Ili pasigis la nokton en kurba taverno. Matura cimo estas terura, sed ekzistas iu gracio en la movoj de la silkeca insekto. La poŝtoficisto estis apartigita de sia edzino, kiun oni lokis kun la rufulino, kaj por la nokto donacita al Vasilij Ivanoviĉ. La litoj okupis la tutan ĉambron. Supre estis kusenego, malsupre – poto. La oficisto diris, ke li ial ne volas dormi, kaj komencis prirakonti siajn rusiajn impresojn, iom pli detale, ol en la trajno. Li estis obstina kaj detalema monstro, en prizona subpantalono, kun la perlamotaj ungegoj sur la malpuraj piedoj, kaj urseca felo sur la dika brusto. Nokta papilio sin ĵetadis sur la plafono, karambolante kontraŭ sin mem. "En Caricin, – la oficsto parolis, – nun ekzistas tri lernejoj: la germana, la ĉeĥa kaj la ĉina. Almenaŭ tion asertas mia bofilo, veturinta tien por konstrui traktorojn".

Sekvatage ili de la frua mateno ĝis la kvina posttagmeze polvumis laŭ ŝoseo, pigre etendiĝanta de unu monteto al la alia, kaj poste ili ekiris verdan vojon tra densa arbaro. Vasilij Ivanoviĉ, kiel malplej ŝarĝita, estis komisiita porti subaksele grandan rondan panon.

Kiom mi malamegas cin, ho ĉies kapo! Sed tamen liaj valoraj, spertaj okuloj rimarkis tion, kio necesis. Seka pinglo vertikale pendis sur nevidebla araneaĵo, fone de abia nigro.

Ili denove ensvarmis trajnon, kaj denove estis malplene en la eta senbarila vagono. La alia Ŝulc ekinstruis al Vasilij Ivanoviĉ ludi mandolinon. Estis multa rido. Kiam tio tedis, estis aranĝita bona amuzaĵo, kiun gvidis Ŝram; ĝi konsistis el tio, ke la virinoj kuŝiĝis sur certajn benkojn, kaj sub la benkoj jam estis kaŝitaj la viroj, kaj jen, kiam el-sub tiu aŭ alia estis aperanta ruĝa kapo kun oreloj, aŭ granda mano, direktanta la fingrojn subjupen kaj provokanta la ŝrikadon, do fariĝis klare, kiu kun kiu trafis en unu paron. Tri fojojn Vasilij Ivanoviĉ kuŝiĝis en la hidan mallumon, kaj tri fojojn neniu estis sur la benko, kiam li elrampis. Oni agnoskis lin malgajninto kaj devigis formanĝi cigaredstumpon.

La nokto estis pasigita sur pajlaj matracoj en iu barako, kaj je la aŭroro ili denove ekpiedis. Abioj, deklivoj, ŝaŭmaj riveroj. Pro la varmego, pro la kantoj, kiujn li devis senĉese kunbleki, Vasilij Ivanoviĉ tiom senfortiĝis, ke dum la tagmeza paŭzo tuj ekdormis, kaj vekiĝis nur kiam oni komencis sur li frapmortigi ŝajnajn ojstrojn. Kaj post plia horo da piedmarŝado subite venis al li tiu feliĉio, pri kiu li foje duonreve pensis.

Estis la pura, blua lago kun nekutima aspekto de la akvo. Meze estis la plene respeguliĝanta granda nubo. Transe, sur la monteto, dense ĉirkaŭgluita de arba verdaĵo (kiu ju pli malhelas, des pli poezieskas), altis la perfekte triŝtupa antikva nigra turo. Tiaj vidaĵoj, certe, en Meza Eŭropo estas plensufiĉaj, sed ĝuste ĉi tiu, pro la neesprimebla kaj neripetebla konkordo de tri ĝiaj ĉefaj eroj, pro ties rideto, pro iu mistera virgeco, – ho, mia amata! mia softa! – estis la sola kaj kara, delonge promesita, komprenanta la kontemplanton, kaj Vasilij Ivanoviĉ eĉ alpremis sian manon al la koro, kvazaŭ kontrolis, ĉu ĝi estis tie, por fordoni ĝin.

Iom malproksime Ŝram, trapikante la aeron per alpa bastoneto, atentigis la ekskursantojn al diversaj stultaĵoj, dum ĉiuj situis ronde sur la herbo, en malspertaj pozoj, kaj la gvidanto sidis sur ŝtipo, dorse al la lago, kaj manĝetis. Senbrue, kaŝante sin post la propra dorso, Vasilij Ivanoviĉ ekiris laŭ la bordo kaj venis al privata gastejo, kie lin salutis ankoraŭ juna hundo, sin klinanta al la tero, ridanta kaj furioze frapanta per la vosto. Li kun ĝi eniris la domon, pigkoloran, duetaĝan, kun duonfermita fenestro sub la konveksa tegola viziero, kaj trovis la mastron, altan oldulon, kun svage invalida aspekto, kiu tiom malbone kaj mole uzis la germanan, ke Vasilij Ivanoviĉ transiris al rusa parolado; sed la oldulo perceptis ĉion kvazaŭ tra dormo, kaj daŭrigis per la lingvo de sia vivo, de sia familio. Supre estis gastoĉambro.

– Sciu, mi luos ĝin por la tuta vivo, – Vasilij Ivanoviĉ kvazaŭ diris, tuj post la eniro. En la ĉambro estis nenio speciala, – male, ĝi estis la plej ordinara ĉambreto kun ruĝa planko, kun la sur blankaj muroj pentritaj kamomiloj, kaj kun negranda spegulo, duone plenigita per kamomila infuzo, – sed el la fenestreto estis klare videblaj la lago kun la nubo kaj la turo – la senmova perfekta kombinaĵo de feliĉo. Ne rezonante, nenien profundiĝante, nur senreziste cedante al la logo, kies vero estis la forto, ĝis nun ne spertita, Vasilij Ivanoviĉ ene de unu sunplena sekundo komprenis, ke ĉi tie, en la ĉambro kun la ĝislarme belega elfenestra vido, la vivo finfine ekfluos tiel, kiel li ĉiam deziris. Certe, li ne sciis, kiel nome ĝi ekfluos, kio nome ĉi tie okazos, sed ĉio ĉirkaŭa estis la helpo, promeso kaj konsolo, kaj sekve estis neniu dubo, ke li devas ekloĝi ĉi tie. Dum unu momento li komprenis, kiel realigi ĉi tion, kion fari por ne plu reveni en Berlinon, kaj peti sendi ĉi tien sian malmultan havaĵon – la librojn, la bluan kostumon, ŝian foton. Ĉio evidentiĝis tia simpla! Ĉe mi li estis perlaboranta sufiĉe por neluksa rusa vivo.

– Amikoj miaj, – li kriis, rekurinte malsupren, al la ĉeborda kampeto. – Amikoj miaj, adiaŭ! Mi por ĉiam restas en tiu domo. Ni ne plu samvojas. Mi veturos ne plu. Nenien mi veturos. Adiaŭ!

– Kiel kompreni ĉi tion? – la gvidanto elparolis strangvoĉe, iom paŭzinte, dum kio la rideto sur la lipoj de Vasilij Ivanoviĉ malrapide velkis. Ĉi tiam la surherbaj sidintoj iom ek-

staris kaj per ŝtonaj rigardoj observis lin.

– Sed kio? – li ekbalbutis. – Mi decidis ĉi tie…

– Silentu! – subite kun terura forto ekkriegis la poŝtoficisto. – Rekonsciiĝu, malpura porko!

– Atendu, gesinjoroj, – la gvidanto diris, – momenton, – kaj, sin lekinte, li ekparolis al Vasilij Ivanoviĉ. – Vi, probable, vere iom drinkis, – li trankvile diris. – Aŭ vi freneziĝis. Vi kunpartoprenas la amuzan vojaĝon. Morgaŭ, laŭ la indikita itinero, – rigardu vian bileton, – ĉiuj ni revenos en Berlinon. Ne eblas eĉ paroli, ke iu el ni – ĉi-kaze vi – rifuzu daŭrigi la kunveturon. Hodiaŭ ni kantis la kanton, – rememoru, pri kio temas en ĝi. Nun sufiĉe! Pretiĝu, infanoj, ni iru plu.

– En Evald nin atendas biero, – Ŝram diris karese. – Kvin horoj trajne. Ni promenos. Vizitos ĉaspavilonon. Karbominejojn. Amasego da interesaĵoj.

– Mi plendos, – Vasilij Ivanoviĉ eksklamaciis. – Redonu mian sakon. Mi rajtas resti tie, kie mi deziras. Ja tio kvazaŭas inviton al ekzekuto, – li aldonis, kiam oni kaptis lin je la brakoj.

– Se necesos, ni portos vin, – la gvidanto diris, – sed apenaŭ ĉi tio estos por vi agrabla. Mi respondecas pri ĉiu el vi, kaj mi veturigos ĉiun el vi reen, ĉu vivan, ĉu mortan.

Kondukata laŭ la arbara pado, kvazaŭ en sovaĝa fabelo, kunpremita, malliberigita, Vasilij Ivanoviĉ eĉ ne povis turniĝi, kaj nur sentis, ke la postdorsa brilo malproksimiĝas, frakasata de la arboj, kaj ĝi ne plu estas, kaj ĉirkaŭe nigras la senage bruanta bosko. Tuj post la envagoniĝo kaj trajna restarto, ĉiuj ekdraŝis lin, draŝis longe kaj sufiĉe perverse. Interalie, ili elpensis bori per korktirilo lian polmon, poste la piedon. La poŝtoficisto, kiu vojaĝis al Rusio, konstruis vipon el bastono kaj rimeno, kaj agis per ĝi, lerte kvazaŭ diablo. Bravegulo! La ceteraj viroj pli uzis siajn ferajn kalkanumojn, kaj la virinoj kontentigis sin per pinĉoj kaj vangofrapoj. Estis gajege.

Reveninte en Berlinon, li vizitis min. Li tre ŝanĝiĝis. Metinte la manojn sur la genuojn, li sidiĝis. Rakontis. Daŭre ripetadis, ke li devas rifuzi de la posteno, petegis forpermesi lin, parolis, ke li ne plu povas, ke ne plu estas fortoj esti homo. Mi, certe, forpermesis lin.

*Marienbad, 1937*

***tradukis Gr. Arosev (Moskvo)***

---

# "SALIKO"

## *Sendependa Arta Literatura konkurso*

***Se vi verkas ion ajn en Esperanto aŭ se vi volas verki –***
**jen finfine estas via ŝanco!!**

La konkurso okazas por subteni komencantajn Esperantlingvajn verkistojn.

**B r a n ĉ o j:**

1) poezio originala
2) prozo originala
3) poezio tradukita el la rusa en Esperanton
4) poezio tradukita el Esperanto en la rusan
5) prozo tradukita el la rusa en Esperanton
6) parodio
7) artikolo aŭ eseo

Viajn verkaĵojn pritaksos kompetenta **ĵurio**, al kiu estas invititaj tre spertaj poetoj, prozistoj, tradukistoj, ĵurnalistoj, redaktoroj kaj sciantoj de Esperanta literaturo.
La ĵurion konsistigas (alfabetorde):
Grigorij **Arosev**, Nikolaj **Gudskov**, Georgij **Kokolija**, Boris **Kolker**, Ivan **Naumov**, Miĥail **Povorin**, Mikola **Ramanoŭski**, Vladimir **Samodaj**, Vladimir **Viĉegĵanin**.

La **literatura konsultanto** de la konkurso estas **Mikaelo Bronŝtejn**.

La **sekretario** de la konkurso: Jelena **Katajeva**.

La kondiĉoj

Bonvolu subskribi viajn konkursaĵojn per iu pseŭdonimo (ekzemple: “Ivan La Terura”, “Peterburga belulino”, “Perfekta Verkisto” aŭ io alia). Se vi sendos viajn konkursaĵojn paperpoŝte, tiam en la koverton enmetu slipeton kun via aŭtenta nomo kaj adreso. Se vi sendos viajn konkursaĵojn rete, ne necesos tion fari.

Viajn verkaĵojn bonvolu sendi al poŝta adreso: **117071, Moskva, ab/ja 31**
aŭ al reta adreso <**konkurso@land.ru**>

Rajtas partopreni: ĉiuj, kiuj sentas sin ankoraŭ ne sperta verkisto.
La sola grava kondiĉo estas ke la senditaj konkursaĵoj ne estu antaŭe publikigitaj – por konservi la plenan anonimecon dum la pritaksado.
La konkurso startis: **la 01-an de oktobro 2001**.
La limdato por sendi viajn verkaĵojn: **la 31-a de januaro 2002**.
La anonco de la rezultoj okazos: **la 01-an de marto 2002**.
La solena ceremonio okazos: **dum EoLA (marto 2002)**.

## Detaloj pri la branĉoj

### 1) Originala poezio.

Vi povas sendi viajn versaĵojn aŭ poemojn. La longo ne estas limigita – do, novaj Esperantlingvaj "Eŭgenoj Onegin" estas atendataj.

### 2) Originala prozo.

Vi povas sendi viajn rakontojn aŭ novelojn. Apenaŭ iu havas nepublikigitan romanon, sed se iu havas – bonvenegon!

### 3) Tradukita poezio el la rusa en Esperanton.

Vi povas sendi viajn tradukojn de ajnaj ruslingvaj versaĵoj, poemoj aŭ kantoj.
*NB! Se vi povas, bonvolu kunsendi la originalon.*

### 4) Tradukita poezio el Esperanto en la rusan.

Nova branĉo en tiaspecaj konkursoj! Ĉu vi havas iun ŝatatan Esperantlingvan versaĵon aŭ kanton? Traduku ĝin en la rusan!
*NB! Se vi povas, bonvolu kunsendi la originalon.*

### 5) Tradukita prozo el la rusa en Esperanton.

Vi povas sendi viajn tradukojn de ajnaj ruslingvaj rakontoj aŭ noveloj (same pri romanoj).
*NB! Se vi povas, bonvolu kunsendi la originalon.*

### 6) Parodio.

Ĝi estu versforma. Bonvolu indiki, kiun vi parodias (la aŭtoron), aŭ se vi parodias iun konkretan versaĵon – bonvolu kunsendi la parodiitan originalon.

### 7) Artikolo aŭ eseo.

Se vi ne sentas vin sufiĉe kapabla por veraj literaturaj ĝenroj, aŭ se vi kompetentas ankaŭ pri ĉi tio, do bonvenon partopreni ĉi branĉon. Via artikolo aŭ eseo ne estu ligita al iu ajn konkreta temo – vi havas liberan elekton.

La laŭreataj verkoj aperos en "**REGo"**, "**Monato"** kaj (eble) en speciale eldonota libro kun konkursaĵoj de "Saliko".

*Viaj ajnaj demandoj estas kore bonvenaj ĉe la samaj adresoj (vidu supre).*

Oficiala retpaĝo de "Saliko": <*http://konkurso.port5.com*>
Oficiala retadreso de "Saliko": <*konkurso@land.ru*>



# ESPERANTOLOGIA KONKURSO

Bonvolu nomi esceptojn de Esperanto. Stranga demando, ĉu?

**Landnoma problemo** – jen verŝajne la plej teda problemo de E-o. Laŭ la "Fundamento de Esperanto" ekzistas du manieroj nomi landon: uj-metodo kaj land-metodo (ekz. Francujo kaj Pollando). Tamen post Ido-krizo aperis i-metodo, kiu estas certe eksterfundamenta, kvankam nun verŝajne plejvaste uzata kaj oficialigita nur en 1974 (vidu ekz. "Esperanto" 1974/5, p.90). Hodiaŭ pli kaj pli kreskas la tendenco uzi ankoraŭ unu metodon, kies la plej fama ekzemplo estas la landnomo Barato, anstataŭanta Hindion, Hindujon kaj Hindlandon. Sed la plej freŝa kaj certe plej malestima al la "Fundamento" okazo estas antaŭnelongaj penoj de la Akademio de Esperanto oficialigi la kvazaŭsufikson "-istan-". Al Barato almenaŭ eblas apliki la 15-an regulon, sed istan-metodo estas tute monstra. *(Male: Barato estas neinternacia formo, sed -istano renkontiĝas en pluraj lingvoj kaj sekve por ĝi validas la 15-a regulo. – la Red.)*

**Propraj nomoj** – ĉi tiu problemo estas unu el la plej malnovaj kaj konsistas el (almenaŭ) du partoj:

a) A-finaĵo de inaj nomoj. Laŭ la "Fundamento" ĉiu substantivo havas la finaĵon "-o" kaj adjektivo – "-a". Propra nomo ankaŭ estas substantivo aŭ adjektivo depende de la loko en la frazo. Sed jam L.L.Zamenhof uzis la formon "Marta" por montri inan nomon. Kaj hodiaŭ la a-formo por in-nomoj estas tiel vaste uzata, ke aspektas preskaŭ oficiala;

b) Uzo de eksterfundamentaj literoj en propraj nomoj. Laŭ la "Fundamento" E-o havas certan kvanton da literoj, sed en propraj nomoj oni obstine uzas nacilingvajn literojn. Wells, København kaj multaj aliaj nomoj troveblaj en "Esperanto" kaj aliaj revuoj eĉ ne bezonas komenton – tio estas senkaŝa escepto.

Ankaŭ sekva escepto estas vaste uzata, sed (mirinde) havas rezistan movadon. Temas pri **x-metodo**. Laŭ la "Fundamento", se iu eldonejo ne havas Esperantajn literojn (ĵ, ĥ, ĝ, ŭ, ŝ, ĉ), ilin eblas anstataŭigi per h-kombinoj (jh, hh ktp). Sed la metodo ne radikiĝis. Anstataŭ ĝi nun plej vaste estas uzataj x-kombinoj (jx, hx ktp). Pleje tion instigas komputilaj teknologioj (ĉefe interreto) kaj nun ni povas trovi eĉ librojn faritajn laŭ x-metodo.

Krom tiuj vaste konataj esceptoj ekzistas kategorio de t.n. **literaturaj formoj**. La "Fundamento" permesas formeti la finan literojn "-o" kaj "-a" por substantivo kaj artikolo. Sed en poezio eblas renkonti sekvajn formojn: 'as (estas); est' (estas); 'stas (estas). Ni ne prijuĝu la poeziajn formojn, sed ili certe estas nefundamentaj, sekve esceptoj.

La temon eblas (kaj indas) pridiskuti longtempe, sed mi esperas, ke la demando pri esceptoj de E-o jam ne aspektas por vi strange.

**Nikolao Neĉajev el Irkutsk** denove gajnis premion. Kvankam liaj respondoj ne ĉiam ĝustas, ili estas pensigaj. Li ricevas la libron "Montara vilaĝo" de Chun-chan Yehel (trad. William Auld; serio "Oriento-Okcidento" n-ro 21, sub aŭspicioj de UEA).

## Kaj jen estas sekvaj demandoj:

1) En 1975 oni inaŭguris TU-134-aviadilon "Ludwik Zamenhof" de la pola flugkompanio LOT. Kiel estis titolita unu el la vaporŝipoj navigantaj sur Rejno en 1887?

2) Ni scias, ke multaj famaj kaj nefamaj esperantistoj estis eksvolapukistoj. Ekz. Nikola Zlatev (e-istiĝis en 1888) – fondinto de la Volapukista Klubo en Bulgario; Leopold Ejnŝtejn

(e-istiĝis en 1888) – la plej fervora propagandisto de Volapuko; Izor Gebaur (e-iĝis en 1906) – aŭtoro de Volapuk-lernolibroj por hungaroj; kaj multegaj aliaj personoj kun kiuj (laŭ Stojan) "nia movado heredis iom da Volapuka spirito". La 27-an de novembro 1887 al Ŝlejer (Schleyer) estis sendita jena letero: "Mi estimas vian noblan deziron porti utilon al la homaro; kun plena estimo por la aŭtoro de Volapuk', mi laboras ne kontraŭ la Volapuk', sed por la ideo. Sankta estas por mi la ideo de la lingvo tutmonda, kaj en kiu ajn formo l' homaro ĝin havos, mi estos kontenta kaj feliĉa." Tion skribis volapukisto ekde 1882. Kiu li estis?

3) La lasta demando estas la plej simpla – bv traduki la ruslingvan vorton "чернозём".

La respondojn bv sendi aŭ per retpoŝto al la adreso de redakcio kun la indiko "Esperantologia konkurso", aŭ per paperpoŝto al la sekva adreso: RUS-141078, Moskva regiono, Koroljov, a/k 200, Perepelica Vladimir Alekseeviĉ.

# ENIGMOJ

## NESTAJ ENIGMOJ

Vi vidas kolumnon da vorteroj, ĉe kiuj forfalis parto. La forfalinta parto de ĉiuj vortoj estas la sama, kaj ĝi estas Esperanta radiko de signifa vorto. Provu trovi tiun radikon kaj legi ĉiujn rezultintajn vortojn.

1.

IM _ _ _ O
_ _ _ ARDO
_ _ _ ROLO
PARA _ _ _ O
_ _ _ ALO
SAL _ _ _ RO
_ _ _ ICIO
_ _ _ OLI
ŜTRUM _ _ _ O
_ _ _ ROSELO
RI _ _ _ O
PERI _ _ _ IO
_ _ _ UNIO

2.

_ _ _ TORNO
KA _ _ _ IRO
KARNA _ _ _ O
_ _ _ IZO
KON _ _ _ O
ĈE _ _ _ O

## TROVU LA MANKANTAJN NUMERALOJN

En ĉiu literkombino, donita ĉi-sube, mankas iu el fundamentaj numeraloj: UNU, DU, TRI, KVAR, KVIN, SES, SEP, OK, NAŬ, DEK, MIL kaj ankaŭ vortoj CENTO kaj MILO. Ie (komence, meze, fine) almetu la numeralon, kaj vi ricevos sencohavan vorton.
AIO, PANO, SEBERO, IO, TEMBRO, RO, P, KAMO, APE, LIVO, DO, PASO, KLO, ALME, BUNO, PENMILO, KOSMOTO.

***preparis Tatjana Auderskaja (Odeso)***

En REGo № 4(6) pro la kulpo de la redaktoro okazis miso: unu el la fotoj, metitaj en la artikolon ""Indiĝenaj dialogoj" – kio, kial, kiel?", nome tiu sur p.43, estas farita dum IJK en Strasburgo. Pardonpetojn al la aŭtoro. ***(G.K.)***

# LA PLEJ GRAVAJ DATREVENOJ

Estimata leganto, kiujn datrevenojn de la pasinta somero vi opinias la plej gravaj? Certe tiu de komenco de la Granda patria milito, verŝajne – de la 19-a de aŭgusto 1991, eĉ verŝajne – de la 18-a de aŭgusto 1998, dank' al televido, certe – de la tragedio de "Kursk". Sed mi opinias la eventojn tre malgravaj en mondhistoria skalo. Ĉu vi memoras mortintojn de la droninta la plej ŝatata ŝipo de Aleksandro la Granda aŭ nomojn de anseroj, kiuj savis Romion? Post jarcento plej verŝajne neniu rememoros ne nur diferencon inter la 19-a kaj la 18-a de aŭgusto, sed eĉ diferencon inter la jaroj 1991 kaj 1998. Sed estas eventoj, kiuj restos en homara memoro ĉiam. Ekzemple malkovro de rado aŭ ekuzo de fajro. Certe nun ni ne memoras personojn, kiuj inventis tiujn gravegajn erojn de nia vivo, sed pri iom pli apudaj datoj kaj ties herooj mi provos memorigi al vi.

La unua certe estas kvindekjara jubileo de apero de la unua komputilo (aŭ komputero, se al vi pli plaĉas). La 14-an de junio 1951 ekfunkciis UNIVAC (legu "junivak") – Universala Aŭtomata Komputilo (tamen Enciklopedia Vortaro asertas, ke komputiloj aperis en la 40-aj jaroj – la Red.). Apero de la teknika miraklo ne trovis vastan reeĥon en homaj koroj: "The New York Times" rakontis pri ĝi per du linioj. La komputilo estis granda (kiel negranda domo) kaj multekosta (proksimume 1 miliono da dolaroj, tiamaj dolaroj). Eĉ mem aŭtoroj ne kredis grandan futuron de sia kreaĵo: Hovard Ajken (Howard Aiken) el IBM diris, ke pli ol ses komputiloj ne estos venditaj. Hodiaŭ ni komprenas, ke li eraris, ja estis venditaj preskaŭ 50 ekzempleroj de la aparato. El plej famaj atingoj de UNIVAC ni povas rememori aŭguron de sukceso de Ejzenhaŭer (Eisenhower) en la prezidenta balotkampanjo de 1952. Ne indas forgesi ankaŭ insistan opinion de "Unisys Corporation" (ĉefrolulo de nasko de UNIVAC), ke ĝuste ilia komputilo estis la unua, kie aperis komputila ludo – matematika ludo NIM.

Mi ne certas pri lasta informo, des pli ke ĉi-jare kvardekjaran jubileon festas certe la unua speciale farita komputila ludo Spejsvar! (Spacewar!) – komputila programo farita nur por distro. En 1961 Masaĉusetsa teknologia universitato ricevis la plej novan (por tiu tempo) komputilon kun stranga titolo TX-0. Kelkaj studentoj (adeptoj de fantastaj romanoj de Dok Smit) decidis inventi ion tute novan – komputilan ludon. Dum somero la ludo estis finpreparita. La ideo de la ludo ne estas nova (hodiaŭ, sed ne tiutempe!): du kosmoŝipoj batalas unu kontraŭ la alia uzante raketojn kaj atentante la nigran truon, kiu englutis ĉion kio tro alproksimiĝis al ĝi. Pezis la ludo nur 2 Kb (DU Kb!!!). Certe fin-fine ĝi atingis neimageblajn 9 Kb, sed eĉ hodiaŭ ĝi estas ludebla.

Kaj la lasta datreveno de la pasinta somero, estas malkovro de vivo sur Marso. Jes, vivo sur la Ruĝa planedo estas. Tion malkovris en 1975 aparatoj "Viking"-1 kaj -2. Pri la sensacio sciigis usona neŭrobiologo Ĝozef Miller (Joseph Miller), kiu atentege analizis informon ricevitan de tiuj aparatoj. La esploristo sukcesis ricevi de NASA plenan informon pri eksperimentoj realigitaj far "Vikingoj". En la plej grava eksperimento estis uzata radioaktiva izotopo de karbono, kiu devis (aŭ ne) aperi en $CO_2$ eliminiĝunta dank' al marsaj vivaĵoj. Sed rezultoj de la eksperimento estis ne certaj. Ĝozef Miller opinias, ke la rezultojn necesas ligi al bioritmoj de marsaj mikrovivaĵoj. Li malkovris, ke stranga ritmo de kemia aktiveco aperinta en la eksperimento koincidas kun marsa diurno. Se li estas prava, do ni trovis vivon en kosmo. Sed NASA-anoj, bedaŭrinde, famiĝis per strangaj malkovroj kiam ili bezonas monon (rememoru marsan meteoriton trovitan en Antarkto, kiu evidentiĝis simpla ŝtono, sed helpinta ricevi monon por novaj kosmoesploroj).

Mi esperas, ke vivo sur Marso estas, kaj esperas, ke ankaŭ vi esperas pri tio.

***Ĉiam sincere via Respondeca loĝejluanto***

# KOSTROMA "MON AMOUR"



La mirinda Kostroma aspektas nun pli bele ol iam ajn, ĉar prepariĝas festi sian 850-jariĝon. Kaj ĝuste en tiu ĉi antikva rusia urbo baldaŭ okazos la 21-a

**Rusia Esperantista Kongreso**

(REK, 12-16 de decembro) kaj

**AntaŭKongresa Seminario**

(AKSo, 9-12 de decembro).

***Kaj, certe, sen vi ĉio ĉi pasos ne tiom perfekte, kiel devas.***

En la programo de AKSo estas praktika kurso pri ekspesa E-instruado (gvidas Irina Gonĉarova), programo pri E-kulturo kaj historio (Nikolaj Gudskov), kurso pri funkciigo de efika klubo (Andrej Grigorjevskij).

Dum la Kongreso mem okazos REU-forumo, kie ni pridiskutos nunan staton kaj estontan agadon de na organizo. Krome okazos voĉdonado pri kaj honorigo dum speciala vespero de la Atingoj de la Jaro (la Aktivulo de la Jaro, E-klubo de la Jaro, E-Libro de la Jaro k.t.p.)! Krom ĉio ĉi okazos multaj pli kutimaj eroj – koncertoj (interalie de ***Maŝa Koĉetkova kaj Evelina Sokolova***), konkursoj, prelegoj, fakaj kunvenoj, libroservo, barda kafejo, ekskursoj, trejnadoj k.s.

## KOSTROMA kaj ESPERANTO atendas vin!


**REGo** (Rusia Esperanto-Gazeto) ***№ 5(7) novembro 2001***

***komuna eldono de REU kaj REJM***

*redaktas* Garik Kokolija *retpoŝto* <gazeto@mail.ru>

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 123310 Moskvo, Rusio

*por tiu ĉi numero kunlaboris:* Viktor Aroloviĉ, Grigorij Arosev, Oleg Kuznecov

*la gazeto estas presita en la tipografio* "Policvet" (Klin)

**abontarifoj por 2002:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 100 rubloj sendendaj al*

Георгий Владимирович Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 123310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*